Askold Silin

# PERIODO DE ŜANĜIĜEMO

## Konsiderado de sciencisto pri la turnopunkto de nia civilizacio

**La mondo de la homo formiĝis el tohuvabohuo . . . Ĝi estas tre fragila kaj riskas retransformiĝi al Nenio**

Mi komencas per la penso kiun ĉiu konas kaj komprenas: Se ni serioze malsaniĝas, ni turnas nin antaŭ ĉio al instruita kuracisto, sed ne al predikisto aŭ al fuŝkuracanto. La pendanta super ni, freneza, sed bedaŭre tute reala danĝero de nuklea mondpereo estas tute evidenta simptomo de grava malsano kiu atakis la homaron. Kaj kion vi opinias? Anstataŭ ĝisfunde esplori la kaŝitajn radikojn de tiu ĉi tutmonda suferado, surbaze de la tuta potenco de la modernaj scienco kaj tekniko, ni preferas al efika sanigo kun miriga kaj eĉ krima facilanimo tiun bonsentigan babiladon pri bono kaj malbono.

Sed ni ne forgesu alion, pro la tuta entuziasmo por diversaj pacifismaj aranĝoj en Kopenhago, Moskvo, Silicon Valley kaj sur la Havaj-insuloj, nome la iompostioman perdiĝon de la objekto mem de la diskutado, kaj sekve de la ŝancoj por la klarigo de la vero. Ĉar por paco kaj malarmado jam delonge voĉdonas ne nur pacemaj partoprenantoj de tiaj renkontiĝoj kaj vojaĝoj, sed ankaŭ provizitaj per potenco ŝtatestroj de ĉiuj nuancoj.

Ĉu oni finfine ne komprenu ke pompaj festivaloj kaj maltimaj pacmarŝoj, piaj preĝoj kaj predikoj, flamigaj alvokoj kaj fervoraj apelacioj al la fortaj de tiu ĉi mondo koncerne ĝeneralan malarmadon, ke ĉio ĉi estas vana kaj forgesiĝas, se ĝi ne estas fundamentita de grava kaj decida, nome de la malkovro de la konkretaj kaŭzoj por la danĝera nestabileco de nia civilizacio, kaj de efikaj paŝoj al ĝia forigo. Koncize, la pia deziro vivi en paco devas transiri al kvalita salto, al trapenetro al vera packonservado.

Jam delonge ne estas sekreto ke la mortiga danĝero por la homaro ne konsistas en apenaŭ probabla kunpuŝiĝo de kometo aŭ asteroido kun la tero, kaj en aliaj naturkatastrofoj. Ĝi estas kaŝita en la homoj mem – en la portantoj de la racio, kiuj kapablas, kio nun evidentiĝas, ne nur mortige malami, murdi kaj sklavigi samspecanojn, sed ankaŭ tute ekstermi sian specon. Kio do okazis?

### En la lulilo de la naturo

Retrorigardante kune kun historiistoj, arkeologoj kaj natursciencistoj ni rimarkas konsiderindan apartaĵon de ĉiuj ĝissate konataj al ni naturkatastrofoj kaj militoj: La naturaj kaj sociaj katastrofoj, inkluzive la plej grandajn kaj plej ruinigajn el ili, ĉiam havis lokan karakteron, t.e. ili ne kaŭzis mortigan ĉenreakcion kiu lavange etendiĝis sur la tuta planedo. Ankoraŭ plu, la vivkondiĉoj elformiĝintaj dum la lastaj centaj milionoj da jaroj montriĝis tiom stabilaj, ke ili ebligis tute likvidi malutilajn sekvojn de tiuj ĉi skuiĝoj kaj ree krei en historie mallonga epoko normalan ekologian kaj demografian situacion kaj kune kun ĝi ankaŭ kondiĉojn por la pluevoluo de la homaro.

Tiel estis ekzemple koncerne la teruran tertremon en la Mediteraneo, ankaŭ en Mez- kaj Sudameriko, koncerne la teruregajn pest- kaj ĥoleroepidemiojn kiuj plurfoje furiozis en la eŭropa mezepoko, koncerne ĉiujn neniigajn invadojn de aziaj konkerantoj en la landojn de orienta Eŭropo kaj de Proksima Oriento. Kaj nur en la dua duono de tiu ĉi jarcento la situacio ŝanĝiĝis kaj plu ŝanĝiĝas fundamente. La amplekso de la terloĝantoj kaj de ilia teknologia aktiveco estas ĉi-tempe tiom kreskinta, ke ilia influo al la naturmedio estas ne nur malsaneca, sed ankaŭ nerenversebla. La konkretiĝo de tiu ĉi tezo estas evidenta: la kreskanta malpurigo de la riveroj, de

la akvobasenoj kaj de la tuta teratmosfero pro industrirubaĵo, la minacanta fakto, ke arbaroj transformiĝas al „lunaj pejzaĝoj", la rapida mortado de multaj besto- kaj plantospecoj.
Multe malpli konate estas, kiom malvastaj estas la naturaj limoj de la ekzistado de la biosfero sur la planedo, aŭ pli simple dirite, kiom malvasta estas la amplekso de kondiĉoj, kiujn bezonas plantoj kaj bestoj, inkluzive ilian plej altan formon, la homon, por normala vivo. Tial pli malgranda parto da oksigeno en la aero je nur kelkaj procentoj sub la konstatita normo (21 %) kondukus al forpereo de la grandaj bestoj kaj insektoj, kaj plialtigo de tiu ĉi normo al gigantaj bruloj kiuj neniigus la tutan plantomondon. La plialtigo de la salenhavo de 3,4 al ĉirkaŭ 6 procentoj transformus la mondmaron en Mortan Maron. Ankoraŭ pli striktaj estas la vivnecesaj limoj de la karbon- kaj amoniakenhavo en la aero. Prognozoj kaj juĝoj de la ekologoj estas nemiskomprenеblaj: La limaj indeksoj de tiu ĉi kaj de aliaj en la vera senco de la vorto vivnecesaj parametroj povas esti jam ĝis la fino de la jarmilo serioze rompitaj kaj malatentitaj, se la teknologio ne estus radikale limigita.
El la fiziko ni scias ke ĉiu, eĉ la plej komplika sistemo estas en daŭra stato sub la antaŭkondiĉo, ke la deflankiĝo de la ekvilibro ne transpaŝas certan limon. Ekzemple boato sur ondoj ne renversiĝas, se ĝia flankiĝo ne atingas katastrofan limon. Malantaŭ tiu ĉi limo komenciĝas la sfero de ŝanĝiĝemo kaj necerteco, kiu tre verŝajne povas detrui la sistemon kaj nur kun malgranda espero estigi novan stabilan staton.
En niaj ekzemploj la enhavo je oksigeno necesa por la vivnivelo, saloj, kaj aliaj substancoj servas ĝuste kiel tiuj naturaj barieroj, ĉar ili ekestis sendepende de la homa volo en la proceso de la evoluo de la sunsistemo sur la planedo.

## Frakasiĝo de la eterno

Laŭ hodiaŭaj indikoj la homo ekzistas jam pli ol miliono da jaroj sur la tero. Dum tiu ĉi tuta tempo tiuj ŝirmbarieroj, kreitaj de la naturo mem, ne foriĝis pro iuj ajn skuiĝoj kaj certe protektis la homojn kontraŭ eksteraj kaj precipe internaj danĝeroj. La sekreto estas simpla: Ĝis certa tempo tiuj ĉi limoj estis nevenkeble altaj en la mezuro de la homa aktiveco. Pro tio la lezita ekvilibro pli-malpli rapide restariĝis. Ekzemple la necesa energipotencialo por la **fendado de atomo**, pli precize de ĝia nukleo, montriĝis treege granda, tiom ke ne eblis atingi ĝin per iuj teknikaj rimedoj kiujn la homo posedis antaŭ la atomerao. Pro tio ja ne ekzistis la danĝero de rapida nuklea sinmortigo aŭ de sinvenenado de la homaro pro radiaktivaj rubaĵoj. Sed nun ekestis la eblo transsalti tiun ĉi barieron bombardante la nukleon per apartaj mikropartikloj, kaj nun oni havis ne nur nemezureblajn energiriĉecojn, sed ankaŭ nukleajn inkubojn kontraŭe al kiuj paliĝas eĉ la plej malbonaj apokalipsaj aŭguroj.
Dua, ne malpli tipa ekzemplo estas la **firmeco de la geno** kiel portanto de la hereda informo, kiu fakte ludis en la organismo la saman rolon kiel la atomo en la senviva naturo. La bariero, protektata de alta potenco, la geno, estas, kiel pruvis Erwin Schrödinger, tiom stabila, ke ne nur ĝi restas en la vivaj estaĵoj en iuj ajn situacioj ĉiam la sama (escepte de la plej maloftaj mutacioj dum deeksteraj efikoj), sed ankaŭ ĝi transiras sen ŝanĝiĝoj de unu generacio en alian, ĝi konservas la hereditan konstitucion de la organismo kaj ĝian genotipon. Ĝuste tial nia kuntempulo preskaŭ neniom diferencas de siaj pragepatroj – de la Cro-Magnon-raso – kiu vivis antaŭ multaj jarcentoj. Por la modifo aŭ „fendo" de la geno necesas ne nur profundaj konoj pri plej komplikaj biofizikaj procesoj sur mikronivelo, sed ankaŭ plej fajna ilaro, kiu garantias la bezonatan precizecon dum la genekstraktado de unu organismo en alian. Tiaj konoj kaj tekniko nur lastatempe realiĝas, kaj tiel komencas la eraon de la genetika inĝenierscienco. Tio siaflanke malfermas ne nur revoluciajn perspektivojn en la medicino kaj agrikulturo, sed ankaŭ havigas al la homoj vere dian donon, nome evoluigi nekredeble rapide novajn specojn de vivaĵoj. Inter ili bedaŭrinde endanĝerigantaj la vivon de la homoj, ĉar la evolucio ne estis ellaborinta la necesajn protektoreagojn en ni. Tiel ni lernis helpe de la elstaraj atingaĵoj el la biofiziko, kuraĝe fendi la genon. Dume ni transpaŝas kun granda risko la potencan barieron longtempe protektitan de ni, kie ekzistas krom evidentaj bonoj de la mondo ŝanĝiĝemo kaj . . . malica necerteco. Kaj fine ankoraŭ alia ekzemplo. La naturo dum la longa evoluciperiodo ellaboris en ni **imunecon** – la mirigan kapablon de la organismo rezisti al la multnombro da infektmalsanoj. Ĝuste tiu ĉi imunecbariero siaflanke povis savi la homaron kontraŭ tiaj fortaj portantoj de mortigaj epidemioj, kiaj pest- kaj ĥolerobacilo. La vakcinado artefarite plilarĝigis tiun ĉi barieron kaj plifirmigis ĝin, kiu protektis la homon kontraŭ variolo, tifo kaj multaj aliaj malsanoj.
Antaŭ nur malmultaj jaroj ŝajnis, ke tiu ĉi natura protektanto de la homo estus neŝancelebla. Sed subite aperis la AIDS-viruso, tiu ĉi malsano jam ne inkluzivis la transpaŝon de la imunecbariero, sed ĝian rapidan detruon kaj foriĝon. La homo, kiu ne plu havas tiun ĉi naturan kirason, perdiĝas, ĉar li estas rapida viktimo de ĉiu hazarda infektiĝo. Nun registriĝis jam ĉirkaŭ 56 000 malsaniĝoj kun AIDS, 70 % kun mortiga fino. Komence de la naŭdekaj jaroj, laŭ medicinaj antaŭdiroj, tiu ĉi malsano havos jam unu milionon da viktimoj. La nombro de la vere trafitaj estos je unu nivelo pli alta. Oni supozas ke la AIDS-viruso estas krime ĵetita en la rubofosaĵon defalaĵo de la genetika inĝenierscienco, kvankam tio ĉi ne estas pruvita. Sed estas karakterize, ke la ĉiam pli rapide minacanta infektado de akvo kaj atmosfero pere de industriaj defalaĵoj malfortigas la imunecbarieron de la homo.
Sed ni farus grandan eraron, se ni limigus la esencon de la protektaj barieroj nur al puraj naturfaktoroj, kiujn entute ĉiam pli pereige influas niaj teknologio kaj praktiko. Albert Einstein foje rimarkigis ke Dio, kaj li pensis pri la naturo, kvankam sperta, ne estas malbonfara. Tio signifas, ke la naturfortoj malamikecaj kontraŭ ni estas blindaj kaj indiferentaj koncerne nian sorton. Kontraŭe la homo mem estis kaj bedaŭre restos la plej malbona kaj antaŭ ĉio tre konscia malamiko de la homo en la tuta historio.
Kaj ĉi tie ni denove renkontas la fenomenon de la potencaj barieroj, sed jam de tute aliaj, mi dirus ke ili estas sociologiaj kaj psikologiaj. Malbonfarantoj kaj monstroj, ne parolante pri simple brutaj kaj senmoralaj personoj, ekzistis en ĉiuj tempoj, kaj ili estis klara socia danĝero. Sed nek la Kaliguloj kaj la Saltiĉiĥoj (rusa grandbienulino Darja Saltikova, konata en la 18a jarcento pro ŝiaj kruelaĵoj kaj murdoj al servutuloj) nek aliaj sadistoj kaj murdistoj povis kaŭzi per siaj plej abomenaj krimoj seriozajn sociajn skuiĝojn: la savbarieroj, kiujn la homoj mem starigis, malebligis tion ĝis certa tempo. Nur nun neeldireble altiĝis la socia danĝero de moralaj misnaskitoj. Frenezuloj, fanatikuloj kaj profesiaj murdistoj povas eĉ tute sole agante ŝanceli la stabilecon de pluraj ŝtatoj kaj elvoki internacian konflikton. Ili ne estas sendanĝeraj elpensaĵoj de fabelistoj kaj sciencfikciaj verkistoj, ili fariĝis terura realo. Jam ne parolante pri tiu malbonodoranta tumoro de la nuntempo, kiu estas la ŝtata terorismo, kiu ne indulgas milojn da senkulpaj homoj, inkluzive suĉinfanojn kaj maljunulojn.
Esplorante ĝisfunde tiujn ĉi malhumanajn fenomenojn, ni tiel aŭ aliel renkontas unu kaŭzon: la ĉiam plifortiĝantajn sociajn streĉiĝojn kaj la firman reciprokan konekson de la vivsituacioj, la preskaŭ sinistran streĉiĝon, kie sufiĉas krima aŭ simple hazarda fajrero por kaŭzi neniigan brulon aŭ eksplodon, kiuj fulmrapide plilarĝiĝas.

## Obstakloj kontraŭ . . . si mem

Nun unuafoje en la historio de la homaro tuta vico da protektobarieroj, kiuj longtempe kaj sukcese prigardis nin, estas transpaŝitaj, parte eĉ tute detruitaj. Ankoraŭ plu, la tuta imunsistemo en pli larĝa senco de la vorto estas fine katastrofe endanĝerigita. Alivorte, nia civilizacio ekpaŝas en periodon de danĝera ŝanĝiĝemo.
Estas karakterize, ke transpaŝo kaj perdiĝo de la protektantaj obstakloj devenis, por tiel diri, deinterne, kiel rezulto de la ĉiam pli furioza agado de la homoj mem, en ilia fervora strebado ekkoni la ĉirkaŭaĵon kaj „konkeri" ĝin. Oni povas diri ke tiel paradoksmaniere kaj antaŭ niaj okuloj finiĝas la infaneco de la homaro. „La tero estas nia lulilo", profete diris Konstantin Ziolkovski, „sed oni ne rajtas poreterne vivi en la lulilo." Tamen estas strange, ke la homoj, eksterengrimpantaj el la hejma lulilo kaj kreantaj grandegajn rimedojn por kosmaj flugoj, samtempe komencis ekstreme danĝere detrui tiun ĉi lulilon. Rezulte ni riskas, kiel la rusa fabela heroo Svjatogor, esti dispremitaj pro la propra forto.
Ricevinte fortan muskolaron kaj fine elkreskinte el la naiva infaneco, ni devas nun, laŭ la „Pensanto" de Rodin, pripensi nian estontan sorton por nin mem protekti. Anstataŭ la naturaj protektobarieroj, kiuj subite evidentiĝis tro malaltaj kaj kun truoj, ni devas starigi novajn, antaŭ ĉio artefaritajn obstaklojn kiuj garantias certe la restadon de nia civilizo. Kaj ĝuste ĉi tie la rolo de scienco kaj tekniko estas decida. Temas precipe pri science motivitaj paŝoj kiuj protektas nin kontraŭ nin mem, pli precize pri limigita aŭ tuta, dumtempa aŭ eterna malpermeso de tiuj agospecoj de unuopaj personoj, de sociaj grupoj kaj de tutaj ŝtatoj kiuj, rekte aŭ nerekte, endanĝerigas la ekzistadon de la tuta homaro. Ĉi tie ne estas kontraŭdiro. La naturo kreis nian racion tiel, ke la denaska dezirego ekkoni la ĉirkaŭaĵon, kaj la donita de tiu ĉi ekkono giganteca forto estas **bridataj** sammaniere kaj nature per alia, ne malpli grandioza fenomeno, nome per nia konscienco, kiu montriĝas en niaj etiko kaj moralo. Pro tio la duraj, sed funde humanaj **memrestrikcioj** koncerne la praktikon estas tute laŭleĝaj kaj observeblaj en ĉiuj historiaj epokoj. Tiel la homoj delongege ŝirmis sin kaj sian socion kontraŭ murdistoj, ŝtelistoj kaj aliaj krimuloj pere de la leĝoj, t.e. pere de juraj barieroj. Similaj obstakloj, starigitaj sur la vojo de la malbono artefarite, apelacias plie al primitiva timo pro neevitebla puno.
La barieroj de principe nova tipo, pri kiu ni volas paroli, intencas **preventon** de planitaj aŭ neplanitaj rompoj de la neŝanĝiĝemo, kiuj minacas la tutan civilizacion, kaj ili similas laŭidee al la ĝenerale uzata sistemo de strataj trafiksignoj kaj puŝiĝoŝtonoj, kiuj malebligas devojiĝon kaj finon en ŝosefosaĵo. Memkompreneble la proponita sistemo devas baziĝi sur nemezureble severa kaj preciza kontrolo dum ĝia realiĝo. Apogite precipe sur alta civitana sento de respondeco, ĝi devas inkluzivi ankaŭ certan protekton kontraŭ ĉiuspecaj stultuloj kaj frenezuloj.
Aliflanke oni ne troigu la rolon de tiu ĉi aŭtomatismo. Por moderna kamiono kiu veturas sur internaciaj vojoj ekzistas nuntempe pli ol 200 pli altaj postuloj. Pro la perfektigita konstruaĵo de la kamiono ili ĉiuj estas aŭtomate plenumataj. Estus naive kredi ke tia aŭtomatismo estus ebla dum la ellaborado de solvoj en tiom komplika, plenega de respondeco kaj neordinare tikla afero, kiu estas la strikta distanciĝo de agoj endanĝerigantaj la tutan homaron.
Kiel estas konate, la sociaj, ekonomiaj kaj politikaj sekvoj de elpensaĵoj kaj eltrovaĵoj estas tre strangaj kaj pro tio malfacile antaŭdireblaj. „Kiam la araboj lernis distili la alkoholon", skribis Friedrich Engels, „ili eĉ ne revis pri tio, ke ili tiel kreis unu el la ĉefaj iloj, per kiu oni forigis la praloĝantojn de la tiam ja ankoraŭ ne trovita Ameriko. Kaj kiam poste Kolumbo trovis tiun ĉi Amerikon, li ne sciis, ke li revivigis sklavecon venkitan antaŭ longa tempo en Eŭropo kaj kreis la bazon por la negrokomerco."
Sed kiel oni povas solvi la nemezureble komplikan taskon: antaŭvidi la historiajn sortojn de la novaĵoj dum ilia, por tiel diri, embrieca evoluperiodo?
Entute ne ĉiuj scias, ke la sciencistoj kaj inĝenieroj dum la proceso de la ekkono de la naturo kaj dum la kreo de plej komplikaj teknologiaj rimedoj formulis ampleksajn informojn pri la kaŭzoj por la ŝanĝiĝemo kaj sindetruo de diversaj sistemoj, inter ili ankaŭ tre komplikajn, kaj starigis fundamentajn principojn por ilia konservo, sekureco kaj stabileco. Tion karakterizas ankaŭ la tre rapida evoluo de tre juna scienco, la **sinergetiko**, kaj la teorio pri katastrofoj kiel ties parto. En ĝi estas observataj la neŝanĝiĝemo kaj la **sinorganizo** de praktike ĉiuj sistemoj, inkluzive la biofizikajn kaj la soci-ekonomiajn, de sur unuecaj pozicioj.
„Hodiaŭ ni scias ke la homa socio estas neordinare komplika sistemo", skribas unu „patro" de la sinergetiko, Ilja Prigojin, nobelpremiito. „Ni scias ke tiuj ĉi komplikaj sistemoj estas treege sentemaj koncerne fluktuadojn (ŝanĝiĝoj, rompoj de la ekvilibro – A. S.). Tio donas al ni esperon kaj maltrankviligas nin samtempe: espero pro tio, ke eĉ etetaj fluktuadoj povas plifortiĝi kaj ŝanĝi sian tutan strukturon; maltrankvilo pro tio, ĉar nia mondo ŝajne por ĉiam perdis la garantiojn de stabileco, la eternajn leĝojn." Alivorte, la neekvilibro estas nepra antaŭkondiĉo por la evoluo de la homaro, kaj samtempe enhavas sinmortigan danĝeron. Tio estas la dialektiko de la moderna dialogo inter homo kaj naturo.
Se la sinbruligo de la brulaĵo povas fulmrapide plilarĝiĝi ĝis la katastrofa limo, la akumuliĝo povas daŭri jarojn kaj jardekojn. Pro tio ĉion ampleksanta sistemanalizo kaj potencaj komputiloj kun sia grandioza rapida efiko donas esperon dum la konstato de similaj scienc-teknikaj kaj aliaj embrioj de la ŝanĝiĝemo, kiuj estas klara danĝero por la civilizacio, kaj ili ankaŭ ne permesas al ili trovi estonte liberan vojon.
Eble rezulte ni atingos tiun situacion, ke en UNO kritikaj limoj por la fluktuadoj por diversaj specoj de sciencaj, kulturaj, teknologiaj, sociaj kaj politikaj agoj estos leĝe determinitaj, kies transpaŝo sekvigas fokusojn de streĉiĝoj sur la planedo, kiuj minacas plilarĝiĝi internacie kaj tutmonde en katastrofa maniero.
La problemo konsistas en tio, kiu okupiĝu pri tio kaj sur kiu metodologia bazo kaj kiel devas esti organizata tiom grandioza, multekosta sed nepre necesa laboro mondskale.

## La respondeco de la sciencistoj

Ni provu respondi tiun ĉi demandon almenaŭ ĝenerale. Mi eliras de tio, ke la politika, religia kaj ĉiu alia speco de propagando kaj agitado por paco kaj malarmado jam estas elĉerpitaj kaj tute nesufiĉaj. Maturiĝis soci-ekonomia **transformado de la mondo** en la spirito de la Delhi-Deklaracio, kiu baziĝas sur la revoluciaj atingaĵoj en la teknologio de la jam komencita „jarcento de la informado" kaj sur ĝenerala demokratio, diafaneco kaj tutmondismo, kiuj elkreskas el tiuj atingaĵoj.
Laŭ nia opinio ankaŭ la pacmovado devas transformiĝi. Kiel unua paŝo estus utile inviti al la sekvaj pacifismaj aranĝoj sciencistojn kaj inĝenierojn kiel fakulojn en la sfero de la neŝanĝiĝemo kaj sinorganizo de komplikaj sistemoj de plej diversaj tipoj por diskuti pri la ĉefa problemo, nome **ellabori sciencajn bazojn por la vivteno de la civilizacio** kaj adekvatajn praktikajn rekomendojn. Kompreneble ĉiuj rezultoj kaj konsekvencoj de tiuj ĉi diskutoj nepre estu larĝe publikigataj.
Mi konscias pri tio, kiomgrade la sciencistoj de la tuta mondo hodiaŭ estas izolitaj, ke la premanta atmosfero de la sekretigado ĉiam pli profunde enpenetras eĉ la fundamentan sciencon,

ĉar tiu ĉi ĉiam pli ofte evoluigas modernajn teknologiojn. Sed mi estas optimisto kaj firme konvinkita, ke alia vojo por la konservo de nia civilizacio ol la reunuiĝo de la dispartigita intelekta potencialo de la planedo simple ne ekzistas.

Kaj tamen la sukceso de la tuta afero dependas kompreneble ne nur de la fundamentaj ideoj, kiom gravaj ili eĉ estas. Charles Snow foje rimarkigis tute ĝuste, ke nun la pesiltaso de bono aŭ malbono estas en la manoj de la sciencistoj. Tion mi komprenas tiel, ke ne nur la **socia**, sed ankaŭ la **krea** agado de la servanto de scienco kaj tekniko esence devas enteni la etikan elementon. Alivorte, la sociaj **celoj** de esplorado, ĝia humana ideo devas havi ĝuste tiun gravecon kiel la **vojoj** por atingi tiujn ĉi celojn. La scienca mondprogramo „Protekto de la civilizacio" (sekva paŝo sur la vojo de la proponita saniĝo) tiusence estus kvintesenco de tiu unueco de celo kaj rimedo, etiko kaj scienco, vorto kaj ago.

Se tio ne okazos, tiam nia gloro – la komputilo – ankoraŭ pli majstre serĉos vivan celon por „puraj" eksplodkapoj (Dio gardu ke ne estu damaĝoj), kaj la robotoj kun vitrecaj okuloj urĝe transformos la kadavrojn al sapo, eĉ dumnokte, sen postuli monon pro la trolaboro.

Ĉu tiuj sinrestrikcioj ne bremsos la pluan disvolviĝon de la homaro kiel kosma fenomeno? Alivorte, ĉu ni ne pagos por nia bonfaro kaj nia sekureco tro altan prezon – malkuraĝan sinizoliĝon de la restanta mondo?

La malforteco de tiuj argumentoj konsistas laŭ mia opinio en la ignoro de la fundamenta ligiteco inter homo kaj naturo kiu kreis ĝin. Ne hazarde la racio de la homo, kiu ĝis la dentoj estas armita de tekniko, ŝovas la akcenton de inĝenieraj projektoj al eventualaj ekologiaj kaj aliaj sociaj gravaj sekvoj de ilia realigo. Ĉi tie nur estu menciitaj la fortaj (kaj finfine sukcesaj!) diskutoj pri la fifama alikondukado de siberiaj riveroj.

La naskiĝanta **tutmonda etiko** antaŭ ĉio estas ankaŭ konscia **sinrestrikcio** de nia praktiko, kiu fine servas al harmonia kunfandiĝo de la civilizacio kun la ĉirkaŭaĵo. Al tio apelaciis antaŭ 50 jaroj Vladimir Vernadski, elstara pensulo de la nuntempo.

La kredantoj komprenu tian vojon kiel pardonon pro la prapeko, kaj la materialistoj kiel konsciiĝon pri la neceseco, kiu kondukas, kiel estas konate, en la regnon de la libereco.

*El „La 20a jarcento kaj la paco", 11/1987*
*trad. Ulrich Becker*

# Kiamaniere detrui raketojn?

Entute 2 611 raketoj, kies kerneksplodkapoj, laŭ kalkuloj de ekspertoj, prezentas preskaŭ ok procentojn de la atomarmiloj amasigitaj sur nia planedo, estu detruotaj. Ilia entuta eksplodforto konformas al la ĉirkaŭ 25-foja amaso de la municio, kiu eksplodis dum la dua mondmilito. Tiun ĉi malarmadan paŝon projektas kontrakto, kiun oni efektivigis je la 8-a de decembro 1987, dum la usona-sovetia pintrenkontiĝo en Vaŝingtono. Ĝi havas la ekzaktan nomon „Kontrakto inter Sovetunio kaj Usono pri la likvidado de iliaj raketoj de mezaj kaj mallongaj atingodistancoj". Tiu kontrakto validos de post la tago de la interŝanĝo de la dokumentoj pri ratifiko, kiun devas realigi la Supera Soveto de USSR kaj la usona Senato. Por la likvidado de tiuj armiloj, kiu estu finita post tri jaroj, estas planitaj tri etapoj kaj aranĝitaj du porlikvidaj lokoj en Usono kaj ok en Sovetunio. Dum la unuaj 18 monatoj, de post validiĝo de la kontrakto, ĉiuj raketoj de pli mallongaj atingodistancoj, estu detruitaj. Paralele kun tio la eksplodkapoj de la mezdistancaj raketoj estu reduktitaj je maksimume 180 ekzempleroj dum 29 monatoj. Dum la lastaj sep monatoj ankaŭ tiuj ĉi armilosistemoj estu eliminitaj.

Kiamaniere la likvidado okazu priskribas la „Protokolo pri procedo, kiu ordigas la eliminadon de raketoj . . .". El la amaso de unuopaj specialaj kaj konfuzigaj instrukcioj pri la detruado de la raketoj ni elektis la plej gravajn, kiuj posedas rilatojn al detranĉado de la kerneksplodkapoj:

Lanĉado de raketoj: Ambaŭ partneroj rajtas elimini, per blindaj startoj, 100 el siaj mezdistancaj raketoj dum la unuaj ses monatoj post validiĝo de la kontrakto. Tiu procedo projektas normalan lanĉadon, dum kiu ĉiu raketoŝtupo estu ekbruligita, tute forbrulu kaj surteriĝu en antaŭe fiksita celzono. Pro kaŭzoj de sekureco paŭzo estu observata de almenaŭ ses horoj inter la unuopaj lanĉoj kun la sama celo.

Eksplodigo: Per ĝi eblas likvidi kompletajn raketojn, unuopajn ŝtupojn kaj lanĉoinstalaĵojn, movigajn mekanismojn, ujojn de movaj aparatoj, fuelujojn kaj bunkrojn.

Forbruligo: Antaŭ ĉio malmolaj kaj likvaj raketofueloj estu detruitaj tiamaniere.

Frakaso: Per ĝi estu garantiate, ke altagrade sensivaj raketeroj, kiel la kapo kun la celtrafa sistemo, neniam plu estu uzeblaj.

Kunpremado: Kvazaŭ kiel aŭtomobilojn oni tute kunpremu, helpe de premiloj por metalrubo, la malplenajn raketujojn kaj kontenerojn por la aparataro.

Dissegado: Procedoj de separado neuzebligu la rektigilojn kaj lanĉejojn kiel ankaŭ la helpekipaĵojn. Por malebligi la reuzon la apartigo okazu tiuloke, kie ne estas interligiloj de la muntado.

Fundamenta ŝanĝo: Estu permesite uzi moveblajn startlanĉejojn kaj traktorojn por celoj de la nacia ekonomio. Kiel demonstreblaj instruiloj oni rajtas uzi armilosistemojn, kiuj ne plu estu armile uzeblaj.

Por la detruado de kerneksplodkapoj estas projektitaj du metodoj, kiuj malebligu la pormilitan uzon: Per stokado en la produktintaj fabrikoj aŭ per uzado kiel kernbrulaĵo en nukleoenergiaj centraloj, kiel proponis profesoro *Manfred von Ardenne* jam en la jaro 1956.

*Horst Hoffmann*
*(el „Wochenpost", 1/88*
*trad. Joachim Schulze)*

# Se temas pri la sortodecida demando de la homaro, oni ne fidu al la bonŝanco

## De prof. d-ro h.c. mult. Manfred von Ardenne

Aldone al kelkaj antaŭe publikigitaj studoj, mi volas mencii tri argumentojn pri la problemo de la Strategia Defenda Iniciativo (SDI), kiuj substrekas la fizikan absurdecon de la usona projekto de SDI kaj la sensencecon de la disipo de rimedoj por ĝi:

1. Studoj, precipe de Boris Raŭŝenbaĥ (USSR), montris, ke la potencoj de la plej modernaj komputiloj kaj antaŭ ĉio de la ankoraŭ ellaborenda ege komplika softvaro ne sufiĉas por militaj uzoj.

2. Escepte ĉe teorie ideala ŝirmado de ĉiuj elektronikaj partoj (la alproksimiĝo al tiu stato postulas eksterordinare grandan penon), unusola bone lokigita atombomba eksplodo en la kosmo povus detrui la stiran elektronikon de la kontraŭulo.

3. Teknologiaj malperfektajoj de la sistemo de SDI, ekz. tiuj de la antaŭe menciita ŝirmado, en la paco ne ekzameneblas kaj pro tio apenaŭ eviteblas.

Tiukonekse indas rememorigi, ke la akcidentoj de la usona kosmoŝipo „Challenger" januare 1986 kaj en la sovetia atomenergia centralo Ĉernobil aprile 1986 konsciigis la mondon, ke ankaŭ la sekurigaj mekanismoj de la modernegaj teknologioj povas fiaski. Antaŭ la lanĉado de ĉiu atoma raketo same ekzistas sekurigaj mekanismoj. Ankaŭ ili povus, se interplektiĝas pluraj malfavoraj cirkonstancoj kaj speciale se aldoniĝas homa erarado, ĉesi sian funkciadon. Ĉi-rilate necesas konsideri, ke – pro la pli ol 10 000 ekzistantaj atomaj raketoj pretaj al eklanĉo – la probablo de la fiasko altiĝas je tiu faktoro. Krome endas atenti, ke la danĝereco de atoma raketo estas pli granda ol tiu de atomenergia centralo.

Estis tutsimple „bonŝanco", ke ĝis nun ne okazis katastrofo. Sed se temas pri tia sortodecida demando de la homaro, la demando de la paco, oni ne rajtas plue konfidi al la bonŝanco. La unusola eliro el tiu situacio, kiun ĉiu homo, disponanta pri sana prudento, povas ekkoni, estas la redukto de la atoma neniiga potenco de la oriento kaj okcidento al proksimume nulo. Nur, kiam tiu stato estos atingita – kaj cele al tio ekzistas multnombraj proponoj de la registaro de Sovetunio –, preventa sekuriga mekanismo povas malsukcesi, sen ke atoma katastrofo estas ekigata.



Foto: Zentralbild

### La restrukturado de la industrioj favore al pacaj celoj

Koncerne la politikan decidon favore al la malarmado, ekzistas en la okcidenta mondo certaj problemoj. Miaopinie, la ellaborado de detalaj dokumentaroj pri la restrukturado de la industrioj, destinitaj por militaj produktadoj, por ekhavi uzinojn por produktadoj, servantaj al pacaj celoj, estas tial ŝlosilo por altigi la okcidentan pretecon malarmadi. Tiaj dokumentaroj helpus al la usonaj armadaj konzernoj tiri el nemilitaj produktadoj samajn profitojn. Sur tiu ĉi bazo ili povus ekesti pretaj por tia restrukturado.

Tiu ĉi vojo ŝajnas al mi esti la sola efektive irebla, ĉar neniu prezidento de Usono povus malcedi sian postenon kontraŭ la interesoj de la usonaj armadaj konzernoj. Mi memoras pri letero, kiun mi ricevis la 4-an de februaro 1960 de la vicprezidento de Usono, Hubert Humphrey, kaj en kiu li sugestis pripensi pri la restrukturado de la milita elektroniko por ekhavi medicinan. Hodiaŭ tiu demando estas pli aktuala ol iam antaŭe.

Sed la efektivigo de la restrukturado, kaŭzanta tre altajn kostojn kaj tial ŝtate subvencienda, estas komplika, ĉar dum ĝi ne rajtas ekesti senlaboreco kaj ĉar necesas orientigi la gamon de la nemilitaj produktadoj al malefemeraj profitdonaj sferoj. Krome ĝi devas konformi al la strukturo de la jam ekzistantaj produktadaj instalaĵoj de la koncerna uzino kaj al la strukturo de la debita merkato, de la konkuraj ofertoj kaj de la krudmateriala situacio. En tiu ĉi kadro necesas solvi, dum mallonga tempo, ekstreme komplikan planadan taskon, por kies plenumado sciencistoj el multnombraj industriaj ŝtatoj, havantaj superrigardon pri multaj fakoj, devas kunlabori kun ekonomiistoj kaj politikistoj. La scienco devos efektivigi esencan kontribuon, por kies elformado fantazio, perspektiva pensado, kreemo, sperteco, diligenteco kaj solidaj konoj pri vastaj kampoj de la nuna esplorado estas bezonataj en neordinare alta grado.

La ellaborendaj dokumentaroj devos plenumi ankoraŭ alian grandiozan taskon, kaj tio estas plia kialo por priparoligi tiun problemaron: Ili estos samtempe dokumentaroj pri precipe multpromesaj laborkampoj por niaj infanoj kaj nepoj. En pluraj rilatoj do indas komenci la intensan prilaboron de tiu granda tasko, kie – kiel en ĉiuj sferoj – detaloj konsistigas la ĉefajn problemojn. Se la konceptoj pri la mondvasta malarmado iun feliĉigan tagon finfine estos akceptataj – kaj tio estas nia espero kaj atendo –, tiam sumoj je la grandeco de multcent miliardoj da dolaroj ekdisponeblos por produktadoj, servantaj al la bonfarto de la homaro. Do leviĝas la demando: Ĉu monsumoj je tia grandeco povas esti efektive uzataj de la restrukturitaj industrioj? La konvinko, ke tiu demando respondendas jese, rezultas jam el la katalogo de malefemeraj laborsferoj, kiun oni povas devenigi kiel unuan modestan pensoprovon el la malvasta vido de nia esplorado.

### Unua provo de katalogo

#### La protektado de la natura medio

– drasta reduktado de la eligoj de damaĝaj substancoj;
– pli efika uzado de naturaj riĉaĵoj;
– utiligado de industriaj rubaĵoj;
– forigado de naturmediaj damaĝoj;
– realigo de ekologie taŭgaj produktadaj metodoj en la agrikulturo.

#### La energia tekniko

– uzado de alternativaj energifontoj (akva, suna kaj venta energioj);

– produktado de energio el atomaj eksplodaĵoj en konformigitaj atomenergiaj centraloj, t.e. la reutiligado de atomaj eksplodaĵoj, origine evoluigitaj por militaj uzoj, nun por pacaj celoj;
– transiro al atomenergiaj centraloj, disponantaj pri la plej alta sistema sekureco, ekz. de la tipo alttemperatura reaktoro;
– uzebligo de la tera varmeco;
– produktado de energio per la nuklea fuzio;
– uzado de la hidrogeno kiel kemia energiportanto (akumulaj metodoj).

**La batalo kontraŭ la loĝantara eksplodo, la problemoj de la malsato**

– preteco al malmultinfanaj familioj per la forigo de la mizero kaj la naska regulado;
– batalo kontraŭ la malsato per la disponigo de konformigitaj ekipaĵoj kaj kvalifikado por memstara produktado;
– subteno enkadre de la evoluigo de la sanitara servo;
– helpoj, koncentrataj al kelkaj punktoj, por solvi specialajn problemojn, koncernantajn modernegajn teknologiojn (ekz. sensaligado de mara akvo en sekaj regionoj).

**La sanitara servo**

– stimulado al salubra vivmaniero (nutrado, sporta aktivado);
– redukto de psika duobla streso (nedifekta familia vivo, loĝaj cirkonstancoj, utiligo de la libera tempo);
– evoluigo de la preventa medicino (altigo de la korpaj energio kaj defenda forto);
– plibonigo de la prizorgo de pacientoj kaj de maljunaj homoj;
– pluevoluigo de la medicina tekniko (diagnostiko, artefaritaj organoj);
– batalo kontraŭ malsanoj, ankoraŭ ne majstritaj.

**La publika edukado**

– mildigo de la akriĝanta amasa karaktero en la edukado;
– konformigo de la edukado al la individuaj kapabloj de la lernantoj (libera elekto de la fakoj);
– akcentita evoluigo de la kreemo (subteno de la dialoga instruado);
– subteno de talenteguloj (specialaj kursoj kaj lernejoj, reciproka stimulado de la talentuloj).

**La elektroniko kaj la komunikado**

– kreado de hardvaro kaj softvaro en granda amplekso por komputiloj (hardvaro kaj softvaro specifaj por la bezonoj de la aplikantoj, artefarita inteligenteco);
– evoluigo de diĝitaj komunikadaj kaj informadaj teknikoj;
– mondvasta pliampleksigo de la komunikadaj kaj informadaj retoj (telefono, ekrana telefono, surekrana teksto, multlinia televidilo);
– altigo de la informada kvalito.

**La konstruado**

– konformigo de la urbaj kaj loĝadaj strukturoj al la fizikaj kaj psikaj bezonoj de la homo;
– modernigo de la infrastrukturo (provizaj kaj malprovizaj retoj, komunikadaj retoj);
– enkonduko de novaj teknologioj en la konstruado (porkonstruaj materialoj, varmoizolado).

**La trafiko**

– modernigo kaj pliampleksigo de la retoj de la granddistanca kaj kurtdistanca trafiko, destinitaj por homoj kaj varoj (drasta redukto de la individua aŭtomobila trafiko surbaze de la kreado de allogaj sistemoj de la kurtdistanca trafiko).

**Diversaĵoj**

– aplikado de tavolizaj teknikoj, ŝparantaj krudmaterialon;
– kreado de novaj materialoj (sintezaj metaloj, metala ceramiko, materialoj konsistantaj el fadenformaj kristaloj, superkonduktantoj por „normalaj temperaturoj").

Tiuj ekzemploj sufiĉu por skizi kelkajn direktojn de la kreendaj dokumentaroj. Al kia grandioza estonteco la homaro irus, se la oriento kaj la okcidento – anstataŭ disipi siajn fortojn en pormilitaj armadoj – batalus, post la forigo de la malkonfido, komune kontraŭ la grandaj danĝeroj, minacantaj en la venonta jarmilo la tutan homaron? Kiel ĉio boniĝus, se la sciencoj, la teknikoj kaj la industrioj de ambaŭ flankoj unuiĝus (modela ekzemplo: la nuklea fuzio) por solvi la multajn mondvastajn problemojn, decidantajn pri la vivnivelo kaj eĉ pri la pluekzisto de venontaj generacioj!

*El „Horizont", 10/87, Berlin*
*trad. Uwe Werner*

# Malfunkcio de komputilo povus konduki al nuklea milito

**Vladimir Turĉenko**

Kiam ni filozofoj komencis esplori la aspektojn de la komputa tekniko koncernantajn nin, ni ekmiris: Evidentiĝis, ke ekzistis amaso da problemoj antaŭe tute ne rimarkitaj de ni, el inter kiuj multaj ŝajne ne havis rektan ligon al la komputa tekniko.

Ĝis nun ekzistis la konstanta opinio, ke homo povus kree labori nur apogante sin sur „la ŝultroj de la gigantoj", do antaŭe studinte ĉiujn verkojn de siaj antaŭuloj. Sed la hodiaŭa sciprovizo estas tre granda, kaj eksperto pasigas siajn plej bonajn kaj plej produktivajn jarojn per tiu studado. El tio sekvas, ke oni devas komenci tiun krean agadon ankoraŭ ne alpropriginte al si la necesan klerigon.

Koncerne la aplikadon de la komputa tekniko min – same kiel multajn aliajn filozofojn – pleje tuŝas la problemo de la eventuala uzo de la komputa tekniko por la subpremado de la homo. La historio de la civilizacio donas indikojn por tiaspeca eblo.

En la 19-a jarcento ekzemple la homo komencis inventadi maŝinojn plifaciligantajn lian laboron; post nelonge la celo de la produktado kaj konservado de ĉiam novaj maŝinoj renversiĝis. Ne plu la maŝinoj servis al la homoj, sed la homoj servis al la maŝinoj. Ankaŭ ni eniras tian danĝeron aplikante komputilojn senpripense. Ĝi pligrandiĝas pro la fakto, ke komputiloj gvidataj de sia relative limigita „inteligento" povus akiri la kapablon fari proprajn decidojn kaj decidi pri nia estonta sorto sen nia influo.

Klasika ekzemplo por tio estas la ebleco de funkciigo de nuklea milito pro malfunkcio de komputilo aŭ pro mistakso de la situacio flanke de la komputilo.

La mezuro de ĉiuj ĉi problemoj estas tutmonda. Solvo tuja ne troveblas. Sed ekzistas ankaŭ demandoj, kiuj postulas respondon jam hodiaŭ. Kiun direkton oni iru rilate la aplikon de komputiloj kaj la klerigadon ĉe la komputilo? Kiaj komputiloj estas konkrete bezonataj? Eblus konjekti, ke disponeblas sur tiu tereno ampleksaj spertoj tutmondaj. Sed la personaraj komputiloj estis konstruitaj de inĝenieroj ne pripensintaj la humanecan aspekton de ilia aplikado.

Kiamaniere frutempa klerigado en la fako informsciencoj influos la infanan psikon – la psikon de la unuopulo, sed ankaŭ tiun de tutaj sociaj grupoj?

*El „Neue Perspektiven" 5/87*
*trad. Hans-Peter Bartos*

# Enketo inter sovetiaj kaj usonaj adoleskantoj pri la problemo milito kaj paco

Laŭ komune ellaborita programo realiĝis en USSR kaj Usono sociologia enketo pri la temo „Junularo kaj estonto" inter lernejanoj. Tio estas la unua internacia studaĵo kun partopreno de USSR, dum kiu esploriĝas la sinteno de la junularo pri la problemo milito kaj paco. Organizantoj de la enketo estis la Instituto por sociologiaj esploroj ĉe la Akademio de sciencoj de USSR, la Usono- kaj Kanado-Instituto ĉe la Akademio de sciencoj de USSR flanke de Sovetio, kaj la medicina Harvard-Lernejo kaj la Centro por opiniesplorado ĉe la universitato Maryland flanke de Usono. Al la esplorada grupo apartenis Vladimir Andrejenkov, Nikolaj Popov, Eric Chivian, Jonathan Tudge kaj John Robins.

Pro la granda antaŭlaboro koncerne identan demandoliston kaj identan proceden, la esploradoj povis esti realigataj en ambaŭ landoj samtempe. Oni enketis dufoje – printempe kaj aŭtune 1986 – en du regionoj de eŭropa parto de USSR (regiono Tambov kaj regiono Rostov-ĉe-Dono) kaj en la usona federacia ŝtato Maryland. Entute oni pridemandis post arbitra elekto pli ol 4 000 lernantojn en la aĝo de 14 ĝis 18 jaroj en ĉiu lando. La demandoj koncernis iliajn planojn por la estonto, esperojn kaj timojn en konekso kun tiuj ĉi planoj, sinorientadon koncerne valorojn, sciojn pri malarmadaj problemoj.

La rezultoj de la komparo permesas konkludi jene:

La unua konkludo koncernas la kvalite diferencan informiĝadnivelon de usonaj kaj sovetiaj adoleskantoj pri registaraj iniciativoj rilate al diversaj aspektoj de armado kaj malarmado.

Por demonstri ni donas kelkajn indicojn:

## Demandoj

| | respondoj el Usono | respondoj el USSR |
|---|---|---|
| 1. Ĉu estas la vero ke USSR oficiale klarigis: „Ni neniam kiel unua utiligos nuklean armilon"? | 41,0 % | 98,5 % |
| 2. Ĉu estas la vero ke Usono faris la samon? | 57,7 % | 5,4 % |
| 3. Ĉu estas la vero ke USSR estis haltiginta ĉiujn nuklearmilajn testojn? | 8,8 % | 95,7 % |
| 4. Ĉu estas la vero ke Usono faris la samon? | 7,8 % | 1,5 % |
| 5. La Interkonsento pri la limigo de la strategiaj armiloj (SALT-2) estas ratifikita | | |
| – nur de Sovetio | 10,3 % | 69,9 % |
| – nur de Usono | 18,0 % | 9,7 % |
| – de USSR kaj de Usono | 50,6 % | 17,1 % |
| – nek de tiu, nek de tiu ĉi | 21,1 % | 3,3 % |

6. La dua konkludo koncernas la nivelajn diferencojn en la optimismo de la adoleskantoj. Se oni akceptas la respondojn al la demando „Se ekas nuklea milito, kiam?" kiel indikilon, la rilato aspektas jene:

| | Usono | USSR |
|---|---|---|
| Mi ne kredas ke tio iam okazos | 19 | 84 |
| dum la sekvaj 5 jaroj | 10 | 1 |
| dum la sekvaj 20 jaroj | 19 | 3 |
| dum mia vivo | 29 | 9 |
| post mia morto | 23 | 3 |
| | 100 % | 100 % |

La ricevitaj donitaĵoj permesas la konkludon ke la nivelo de maltrankvilo pri diversaj tutmondaj problemoj (ne nur pri nuklea milito) estas pli alta plejofte ĉe la sovetiaj junuloj ol ĉe la usonaj. Aliflanke la adoleskantoj en ambaŭ landoj estas bone informitaj pri la neniigantaj sekvoj de nukleaj armiloj kaj pri la tutmonda karaktero de nuklearmila milito: 504 pridemanditoj ne esperas ke la homoj postvivos nuklean mondmiliton, eĉ se sufiĉus bunkroj, nutraĵoj kaj akvo. Granda parto (79 % en USSR kaj 72 % en Usono) opinias ke post nuklea mondmilito ne estos venkinto.

| | | certe jes | probable jes | ne certe | probable ne | certe ne |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 7. Ĉu estas cirkonstancoj kiuj rajtigas utiligon de nukleaj armiloj? | Usono | 8 | 18 | 36 | 12 | 26 % |
| | USSR | 7 | 6 | 21 | 10 | 56 % |
| 8. USSR kaj Usono tuj ĉesu produktadon kaj teston de ĉiuj specoj de nukleaj armiloj. | Usono | 52 | 14 | 16 | 9 | 9 % |
| | USSR | 93 | 2 | 1 | 0 | 4 % |
| 9. Granda parto de la loĝantaro povas postvivi tutmondan nuklean militon, se sufiĉas sekuraj bunkroj, nutraĵoj, akvo kaj ĉio necesa. | Usono | 9 | 20 | 26 | 31 | 18 % |
| | USSR | 5 | 11 | 28 | 17 | 35 % |
| 10. Post nuklea mondmilito ne povas esti venkinto, ĉar la plej granda parto el la landoj estas tute detruita. | Usono | 46 | 26 | 17 | 6 | 5 % |
| | USSR | 65 | 15 | 7 | 2 | 11 % |
| 11. Ĉu vi opinias ke neniu registaro estus tiom freneza komenci nuklean militon? | Usono | 13 | 21 | 29 | 20 | 17 % |
| | USSR | 41 | 15 | 30 | 6 | 8 % |
| 12. Ĉu vi opinias ke Usono kaj USSR povus realigi fruktodonajn kaj amikecajn rilatojn? | Usono | 29 | 33 | 8 | 11 | 5 % |
| | USSR | 72 | 16 | 22 | 2 | 2 % |

*El „La 20a jarcento kaj la paco", Moskva, 1987/9*
*trad. Ulrich Becker*

# Konfido al Gorbaĉov

Pli ol tri kvaronoj de ĉiuj civitanoj de Federacia Respubliko Germanio taksas la Ĝeneralan Sekretarion de CK KPSU Gorbaĉov viro, kiun oni povas konfidi. La mannheim-a „esplorgrupo elektoj" konstatis tion komisie de „Dua Germana Televido" (ZDF). Oni faris la enketon dum la dua duono de septembro (en 1987, H. R.) inter pli ol mil reprezentaj elektorajtuloj. La esplora rezulto estis konigita enkadre de „televida ponto Mainz–Leningrad", komuna elsendo de ZDF kaj la sovetia televido. Pri la sama demando de la mannheim-a instituto en marto de ĉi tiu jaro 60 procentoj kaj en majo 56 procentoj de la enketitoj estis montrintaj sian konfidon al Gorbaĉov. Laŭ opinio de la mannheim-a instituto la nuna rekorda valoro estas atribuenda al la trarompo ĉe la intertraktoj pri malarmado. Denove estas precipe rimarkinde, ke la konfido al Gorbaĉov estas donata kun nur malgravaj diferencoj inter anoj de Socialdemokratia Partio de Germanio (79 procentoj), de Kristana-Demokratia Unio/Kristana-Sociala Unio (73 procentoj) kaj de Liberala Demokratia Partio (70 procentoj).
La civitanoj de FRG ankaŭ vidas la rilatojn inter FRG kaj USSR tiel pozitive kiel neniam antaŭe. Kiel la mannheim-a instituto informis al (gazetara agentejo, H. R.) ppa, 74 procentoj de ĉiuj enketitoj klasifikas la rilatojn inter Federacia Respubliko kaj Sovetunio kiel „bonaj". La saman opinion havis 45 procentoj en novembro de 1986, 50 procentoj en aprilo de 1985 kaj 45 procentoj en oktobro de 1981. Krome estas interese, ke la sento de minaco malpliiĝis. Dum en aprilo de 1985 ankoraŭ la duono de ĉiuj civitanoj de FRG kredis je milita minaco fare de Sovetunio, hodiaŭ du trionoj de la enketitoj ne sentas sin minacataj.

*El „Kultur und Gesellschaft", Köln, 1/88*
*Tradukis Hans Rogazewski*

## Materialoj de M. S. Gorbaĉov en Esperanto

La Eldonejo Novosti (APN) en Moskvo eldonis en Esperanto i.a. jenajn materialojn:
- Politika raporto de la Centra Komitato de KPSU al la 27-a Kongreso de Komunista Partio de Soveta Unio 1986, 150 p.
- La senmorta glorago de la Sovetia popolo, Raporto en la solena kunveno dediĉita al la 40-jariĝo de la venko en la Granda Patria Milito, 1985, 30 p.
- Realo kaj garantioj de la sekura mondo, 1987, 15 p.
- Renovigan ideologion por la revolucia rekonstruo, 1988, 48 p.
- Oktobro kaj la rekonstruo: la revolucio daŭras, 1987, 70 p.
- Surbaze de plena egalrajteco, suvereneco, reciproka respekto (Parolado en Beogrado), 1988, 14 p.

# Por pliaj efikaj paŝoj al armadlimigo kaj malarmado

*La Ĝenerala Sekretario de la Centra Komitato de SUPG kaj Prezidanto de la Ŝtatkonsilantaro de Germana Demokratia Respubliko, Erich Honecker, direktis sin per letero al d-ro Helmut Kohl, Federacia Kanceliero de Federacia Respubliko de Germanio. La noto, transdonita la 16-an de decembro 1987 en la federacikanceliera oficejo, tekstas jene:*


Foto: Zentralbild

Tre estimata sinjoro Federacia Kanceliero!
La sukcesa renkontiĝo inter la Ĝenerala Sekretario Gorbaĉov kaj Prezidento Reagan antaŭ malmultaj tagoj en Vaŝingtono estas por mi bonvena motivo esprimi kelkajn ideojn, daŭrigante nian dialogon pri la kontribuo de ambaŭ germanaj ŝtatoj por efikaj armadlimigo kaj malarmado.
Komence mi volas esprimi mian kontentiĝon pri tio, ke dank' al la konkretaj kontribuaĵoj ankaŭ de ambaŭ germanaj ŝtatoj subskribopretiĝis la interkonsento pri la likvido de la sovetiaj kaj usonaj raketoj mez- kaj mallongdistancaj. Estis penige, sed valore.
De nun estiĝu la komuna deziro fari ĉion por la kiel eble plej rapida validiĝo de la interkonsento, t.e. la forigo de la respektivaj raketosistemoj. Mi taksas kiel esperdonan komencon, ke ankaŭ la usona administracio intencas jam nun ĉesigi la pluan lokigon. Nia preteco, procedi tiel, ekzistas kiel konate sufiĉe longe.
Krome mi opinius treege valore, ĉar konfidokreante, se ambaŭ germanaj ŝtatoj definitive esprimiĝus pri la neceso ne senvalorigi resp. kompensi la kompletan likvidon de la nukleaj armilkategorioj, registritaj de tiu interkonsento, per la enkonduko aŭ evoluigo de aliaj armilsistemoj. Tio, s-ro Federacia Kanceliero, tutplene konformus la komunajn konceptojn esprimitajn en la komunikaĵo pri mia oficiala vizito en FRG.
Ni certe samopinias dezirante la realiĝon de la sendube kreskintaj ebloj atingi pliajn malarmadajn paŝojn. Kiel vi mi opinias, ke la interkonsento, subskribita dum la alta renkontiĝo en Vaŝingtono, ne nur donas promesplenajn signojn, sed malfermas komplete novan ĉapitron por la malarmado – la interkonsentita nenuligebla malkonstruo de la armilaroj. Ĉi-sence jam dum la interparoladoj en Bonn ni pledis kaj por 50-procenta redukto de la strategiaj ofensivarmiloj kaj por la plenumo de la ABM-kontrakto. Samo validas por la unuaj kontrakteblaj paŝoj survoje al ampleksa atoma testostopo.
Per granda atento mi observas klopodojn de via registaro etendi la procedon de la malarmadotraktadoj al atomaj mallongdistancaj armiloj. Ankoraŭfoje mi konfirmu la daŭran intereson de GDR pri tio, ke la nuklea malarmado en Eŭropo estu senprokraste etendata al pliaj kampoj. La nukleaj armilsistemoj efikantaj ĝis 500 km efektive koncernas ambaŭ germanajn ŝtatojn en speciala amplekso. Interalie per tio sin gvidis GDR je sia propono pri sen atomarmila zono en Mez-Eŭropo. Mi povis al vi klarigi en Bonn, ke ni opinias celtaŭge redukti en Eŭropo la taktikajn atomarmilojn komplekse kun la militotrupoj kaj konvenciaj armiloj. Same ni restas akceptemaj por ĉiu alia ideo povanta antaŭenigi nin survoje al plua nuklea malarmado en Eŭropo en la intereso de la sekureco por ĉiuj koncernatoj.
Vi, s-ro Federacia Kanceliero, parolis pri tio, ĉu GDR kaj ĝiaj najbaraj ŝtatoj povus rezigni la modernigon de kelkaj mallongdistancaj armilsistemoj. Mi po-

vas vin informi, ke ni konsultiĝis pri tio kun niaj aliancpartneroj. Kompreneble la rezulton de tiaj klopodoj esence influas tio, kion FRG kaj ĝiaj partneroj planas por la estonteco. Se ankaŭ ili pretas rezigni la modernigon tiukampe, surbaze de la principo de egaleco kaj sama sekureco povus esti iniciatataj paŝoj kondukantaj al la elimino de malsimetrioj per malarmado ĝis pliaj nulsolvoj.
Same grave estus, se la eŭropaj ŝtatoj ne pasigas pluan tempon kaj se realiĝas traktadoj pri efika konvencia malarmado kaj ankaŭ novaj konfido- kaj sekureckreaj aranĝoj. Ĝuste la ŝtatoj mezeŭropaj, ankaŭ ambaŭ germanaj ŝtatoj, povus multe atingi, por ke ĉe la dividlinio de ambaŭ militaliancoj malpliiĝu paŝon post paŝo la danĝero de surprizaj atakoj, anstataŭe pliiĝu la komuna sekureco.
Germana Demokratia Respubliko kaj Federacia Respubliko de Germanio plurfoje manifestis sian urĝan intereson por baldaŭa kontraktado pri mondskala kaj fidinde kontrolebla malpermeso de la evoluigo, produktado, stokado kaj apliko de kemiaj armiloj. Estu ĉio farata, por ke la nun ebla interkonsento ne endanĝeriĝu per la ekproduktado de kvalite novaj kemiaj armiloj. Precipe mi esperas de la federacia registaro sintenon ne permesantan storadon de novaj kemiaj armiloj sur sia teritorio. Estus bone, se vi, s-ro Federacia Kanceliero, ankoraŭfoje pripensus vian starpunkton pri mezeŭropa zono libera de kemiaj armiloj.
Tiuj estas laŭ mia opinio kelkaj konkludoj dedukteblaj el nia komune demonstrita intenco utiligi tiel fruktodone kiel eble la impulson el la interkonsento de la 8-a de decembro 1987 pri la likvido de la raketoj mez- kaj mallongdistancaj. Ni ne permesu paŭzon en la proceso de la armadlimigo kaj malarmado. Evidentas la avantaĝo, kiun per ĝi havas ĝuste la homoj en ambaŭ germanaj ŝtatoj.
Kun granda intereso mi atendas vian respondon kaj per tiu la daŭrigon de nia dialogo pri la esencaj demandoj de nia tempo.
Kun eminenta altestimo

E. Honecker

*El „DDR-Revue" 2/88, trad. Bert Schumann*

Prof. d-ro sc. P. Khalatbari

# KVIN MILIARDOJ DA TERANOJ

## Ŝanĝo en la kreskado de la monda loĝantaro, perspektivoj kaj problemoj

UN deklaris la 11-an de julio 1987 „Naskiĝtago de la kvinmiliarda homo". Oni bonvenigis simbole kiel kvinmiliardan civitanon sur nia planedo la knabon Matej Gaspar, kiu en tiu tago naskiĝis en Zagreb.
Ĉefe dum la lastaj jardekoj la kreskado de la monda loĝantaro montris grandegan dinamikon. En 1950 ĝi nombris tutajn 2,5 miliardojn kaj duobliĝis en la daŭro de nur 37 jaroj, do en tempolimo tiom mallonga kiel neniam antaŭe.
Nuntempe naskiĝas ĉiujare en la mondo proksimume 130 milionoj da infanoj, dum proksimume 50 milionoj da homoj mortas. La plimultiĝo je 80 milionoj da homoj, rezultanta el tio egalas al la tuta loĝantaro de FRG, Aŭstrio kaj Nederlando.
Laŭ raporto de la Populacia Komisiono de UN sumiĝas en la jaro 1987 la jara kreskadkvoto de la monda loĝantaro je 1,63 %. Kompare kun la unua duono de nia jarcento ĝi duobliĝis, sed tamen troviĝas iom sub la nivelo el la fino de la sesdekaj kaj komenco de la sepdekaj jaroj, kiam ĝi atingis sian kulminon per 2 %. Laŭ la UN-raporto tiu ĉi regresanta tendenco daŭros kaj por la jaro 2000 kvoto de 1,4 % estas antaŭvidebla.
Samtempe oni atentigas pri la tre juna strukturo de la monda loĝantaro. Unu triono konsistas el infanoj malpli aĝaj ol 14 jaroj. Pli ol 50 procentoj estas pli junaj ol 24 jaroj. La nombro de virinoj en naskopova aĝo (15 ĝis 49 jaroj) ampleksas pli ol 1 245 milionojn, kio konformas proksimume al 25 procentoj (en 1987) de la monda loĝantaro. Tiu ĉi stato supozigas la rapidan plimultiĝon de la loĝantaro – malgraŭ la tendenca regreso de la kreskadkvoto. La monda loĝantaro nombros en la jaro 1999 verŝajne 6 miliardojn da homoj, en 2010 eĉ 7 miliardojn kaj en la sekvontaj 12 jaroj ĝi transpaŝos la limon de 8 miliardoj.
Paralele kun tiu ĉi alarma natura evoluo okazas jam de sufiĉe longa tempo alia kaj ne malpli grava procezo. Ekzistas tendenco de koncentrado en urbaj regionoj: en la jaro 1950 tie vivis 29 procentoj kaj meze de 1987 jam 42 procentoj de la monda loĝantaro. La loĝantaro en la kamparo plimultiĝas ĉiujare je 1,2 % kaj en la urboj je la duobla. Ĝis la jaro 2010, laŭ UN-raporto loĝos en la urboj pli ol 50 procentoj de la monda loĝantaro. Eĉ tiuj elektitaj informoj jam ebligas al ni, akiri almenaŭ imagon pri la dimensioj de la kreskado de la loĝantaro dum nia epoko.

### Nuntempaj tendencoj de la mondloĝantara moviĝo

Eĉ se la homaro rapide plimultiĝas, tio ne signifas, ke la laŭnombraj ŝanĝoj de la monda loĝantaro prezentas unuecan bildon. Sub la plej diversaj socialekonomiaj kondiĉoj la loĝantaro en unuopaj grupoj de landoj, ja eĉ en unuopaj landoj evoluas diverse. Ekzistas du bazaj tendencoj en la demografia situacio, por kiu gravaj diferencoj estas karakterizaj en la industrie evoluintaj regionoj kiel Eŭropo, Norda Ameriko, USSR kaj aliflanke en malpli evoluintaj regionoj kiel Azio, Afriko, Latin-Ameriko. Kompreneble la loĝantaro ne egale dispartiĝas inter tiuj du ĉefaj regionoj. En la unue nomitaj regionoj vivas apenaŭ 1,2 miliardoj kaj en la laste nomitaj pli ol 3,8 miliardoj da loĝantoj. Ĉiuj faktoroj, kiel naskokvoto, averaĝa nombro de infanoj po unu virino en naskopova aĝo, suĉinfana mortokvanto, vivodaŭro de novnaskitoj, aĝspecifaj mortokvotoj kaj sekve la strukturo laŭ aĝo kaj sekso havas en ambaŭ regionoj alispecajn sekvojn. Tiuj ĉi diferencoj kompreneble efikas ankaŭ sur la dinamikon de la kreskado de la loĝantaro entute. En la industrie pli evoluintaj regionoj ni observas ekde 1950 tendencan malpliiĝon de la naskokvoto: de 22,7 el 1 000 (1950–1955) al 15,5 el 1 000 (1980 ĝis 1985) por jaro. La mortokvoto restis kontraŭe en la sama tempo malalta kaj preskaŭ konstanta. Sekve en tiuj regionoj tendenca malkresko de la naskokvoto estas observebla. Ĝi malpliiĝis de 1950 ĝis 1985 je la duono kaj sumiĝas hodiaŭ je 0,6 % por jaro.
Konsiderante la maljuniĝon kaj la drastan plialtiĝon de la laŭprocenta kvoto de maljunuloj estas atendebla en la venontaj jaroj certa kresko de la mortokvoto. Tiu ĉi fakto kunlige kun la regreso de la naskokvoto ebligas antaŭdiri regreson de la kreskokvoto de la

monda loĝantaro. Laŭ taksoj de UN-ekspertoj tiu ĉi kvoto ankoraŭfoje malkreskos ĝis la jaro 2025 je 50 procentoj kaj atingos la staton de 0,3 procentoj por jaro.
Kompreneble temas nur pri averaĝaj nombroj. Sed la dinamiko varias. Iuj regionoj registras nuntempe kreskokvoton, kiu estas multe malpli alta ol la meznombro. Ekzemple tiu ĉi kvoto en la tuta Eŭropo (1980–1985) estas 0,33 procentoj, en norda Eŭropo 0,09 procentoj kaj en okcidenta Eŭropo 0,03 procentoj por jaro.
En iuj landoj, kiel Belgio, Danlando, GDR, Italio, Luksemburgio kaj Svedio la kreskado de la loĝantaro preskaŭ stagnas. En iuj aliaj landoj kiel FRG, Anglio, Aŭstrio, Svislando kaj Hungario ekzistas eĉ malkresko. Kontraŭe aliaj, kiel Sovetunio (kvankam ekzistas gravaj diferencoj inter la okcidentaj partoj de la lando kaj la aziaj respublikoj), Usono, Aŭstralio kaj Pollando havas kreskokvoton, kiu ege superas la respektivan averaĝon.
Sed spite al ĉio ĉi en tiuj regionoj ĉie estas rimarkebla pli malpli rapide regreso de la kreskokvoto. Mem USSR kaj Usono kun la plej multaj loĝantoj ene de tiuj regionoj ne prezentas escepton. La jara kreskokvoto de la loĝantaro de USSR falis de averaĝe 1,7 procentoj (1950 ĝis 1955) al 0,95 procentoj (1980–1985). Supozeble en la jaro 2000 ĝi sumiĝos je 0,76 procentoj kaj en la jaro 2025 je eĉ nur 0,56 procentoj. La respektivaj kvotoj por Usono troviĝas je la nivelo de 1,72 procentoj (1950–1955), 0,86 procentoj (1980–1985) kaj atingos 0,74 procentojn (1995–2000) kaj 0,49 procentojn (2010–2025).
Eĉ se la nombro de la homoj en la pli evoluintaj regionoj entute kreskas kaj la nuntempa stato de 1,2 altiĝos al 1,33 miliardoj da homoj en la jaro 2000, tamen senĉese malkreskas ilia laŭprocenta kvoto en la monda loĝantaro. Dum ĝi en 1950 ankoraŭ sumiĝis je pli ol 33 procentoj, hodiaŭ je nur 24 procentoj kaj en la jaro 2000 laŭtakse je apenaŭ 21 procentoj, ĝi antaŭvideble atingos en la jaro 2025 kun 1,4 miliardoj da loĝantoj 17 procentojn.
La demografia situacio en la pli evoluintaj regionoj estas jam de sufiĉe longa tempo temo de kontraŭaj disputoj. Ne malofte tiu fenomeno instigas al tristaj prognozoj. Tiel oni ekzemple profetas la senhomigadon de Eŭropo, ja eĉ la estingiĝon de iuj popoloj. Kontraŭe ekzistas aliaj pritaksoj. Oni atentigas pri la eksterordinare malrapida kresko de la nombro de la mondloĝantaro en la pasinteco kaj nomas la nuntempan dinamikon de ĝia kreskado – eĉ en la pli evoluintaj regionoj – nenormala.
Efektive la hodiaŭa loĝantara situacio en tiuj regionoj estas la lasta fazo de demografia procezo, okazanta ekde la mezo de la 18-a jarcento kaj interligita kun la ampleksaj ŝanĝoj, kiuj akompanas la industrian revolucion.
En la epokoj antaŭ la industria revolucio, kiam do la agrikulturo kaj la permana laboro formis la fundamenton de la ekonomiaj rilatoj, la demografia evoluo baziĝis je la tradicia reproduktado kun altaj naskokvotoj, malalta vivodaŭro de novnaskitoj, alta mortokvoto kaj ekstreme malrapida kreskado de la loĝantaro. Ĝia kontinua generado estis tiamaniere garantiata de unu generacio al la alia. La industria revolucio kun sia socia kaj scienca evoluado skuis la bazon de la tradicia, longdaŭra reproduktado de la homoj unue en Eŭropo. La progresoj de la civilizacio ebligis vastan kontrolon pri la morteco. La enorma malkresko de la respektiva kvoto detruis la iaman ekvilibron inter la decidigaj faktoroj (determinantoj) de la demografia moviĝo. Rapida kresko de la nombro de loĝantoj estis la rekta rezulto de tiuj ĉi cirkonstancoj. En la pli evoluintaj regionoj kreskis tiu ĉi nombro eksplodeme, tio signifas, ke ĝi triobliĝis dum nur 150 jaroj de 200 milionoj (1750) al 600 milionoj (1900).
Tamen la sociaj efikoj de la industria revolucio ankaŭ iom post iom kreis la objektivajn kondiĉojn por la renversiĝo de la tradicia demografia kondutado. La ŝanĝoj en la produktadmaniero, en la socia stato de la virino kaj de la infano same kiel la estiĝo de kvalite tute novaj vivkutimoj ne plu estis akordigeblaj kun la ĝisnuna alta naskoofteco.
Ekde la lastaj jardekoj de la 19-a jarcento la naskokvoto montris falantan tendencon unue en Eŭropo kaj poste en la aliaj pli evoluintaj regionoj. La „eksplodo" moderiĝis. Tiu ĉi fenomeno daŭris kaj kondutis finfine al nova tipo de reproduktado kun kvalite nova ekvilibro inter la determinantoj de la loĝantara moviĝo sur la bazo de malalta mortokvoto, alta vivodaŭro de novnaskitoj, malalta naskokvoto kaj nur iom post ioma plimultiĝo de la loĝantaro. Laŭ tiu maniero la kontinueco en la demografia procezo ankoraŭ longe daŭros.
Tial la demografia transiro en tiuj regionoj estas rezulto de la teknikaj, socialaj kaj sciencaj progresoj. Sed tiu ĉi procezo ne restis limigita al la nomitaj regionoj, sed etendiĝis ekde la fino de la pasinta jarcento ankaŭ al malpli evoluintaj regionoj. Kontraste kun la industriaj ŝtatoj (socialismaj kaj kapitalismaj) ĝin ne kaŭzis la interna dinamiko de la ekonomio kaj socio sed male ekzogenaj faktoroj. En la monopolisma fazo de la kapitalismo, kiam kreskis la bezono de la imperiismaj ŝtatoj je ĉiuajn krudmaterialoj, estiĝis ekde la fino de la pasinta jarcento en la kolonioj la moderna ekonomio en formo de respektivaj izolitaj enklavoj. De ili kompreneble eliris neniuj impulsoj por vere socia evoluo. Kontraŭe ili havis konserveman influon sur la tradician ekonomion. Sed funkcikapabla ekonomio necesigis certan plibonigon de higienaj kondiĉoj, kaj batalon kontraŭ epidemioj. Tiuj ĉi paŝoj, kiuj estis realigitaj ne pro humanecaj kaŭzoj, sed pro nura profitavido, malpliigis la mortecon. Ĝia malkresko sub la kondiĉoj de malnovaj firmigitaj ekonomiaj cirkonstancoj kun tradicie alta naskokvoto kondukis al eksplodsimila kreskado de la loĝantaro.
Post la atingo de sendependeco ĉiuj penoj de la registaroj de la koncernaj landoj ne sufiĉis por fundamente ŝanĝi tiun ĉi situacion, antaŭ ĉio en kamparaj regionoj, kaj krei objektivajn bazojn por aliigi la demografian kondutmanieron de la amasoj.

## Demografia eksplodo en malpli evoluintaj regionoj

Nuntempe la centro de la rapida kreskado de la mondloĝantaro troviĝas en la malpli evoluintaj regionoj. Ĝia dinamiko karakterizas hodiaŭ la mondvastan demografian procezon, kaj karakterizos ĝin ankaŭ en la proksima tempo.
Jam de longe kaj ĉefe de post 1950 ni observas en la menciitaj regionoj rapidan malkreskadon de mortokvoto. Ĝi reduktiĝis en 30 jaroj je 50 procentoj kaj falis averaĝe por unu jaro de 24,4 el 1 000 (1950–1955) al 11 el 1 000 (1980–1985). Kontraŭe la naskokvoto montras en la sama tempo bagatelan malkreskon. La kreskokvoto de la loĝantaro sumiĝas de 1950 ĝis hodiaŭ je pli ol po 2 % jare, rezulte de kio la nombro de la loĝantaro en tiuj regionoj triobliĝis dum 50 jaroj. Ĝi kreskis de 1,67 miliardoj (en 1950) al 3,81 miliardoj (en 1987), kaj ĝi antaŭvideble atingos 4,85 miliardojn ĝis la jaro 2000. Tiu ĉi tendenco – eĉ se kun iomete malpliigita intensiveco – daŭros post la jaro 2000. Sekve de tiu ĉi situacio la koncentrado de la monda loĝantaro verŝajne translokiĝos ĉiam pli en la malpli evoluintajn regionojn. La UN-ekspertoj atendas nur fine de la venonta jarcento stabiligon de la loĝantaro en tiuj regionoj kaj per tio ankaŭ en la tuta mondo. Laŭ UN-prognozo en tiu tempo vivos proksimume 12 miliardoj da homoj en la mondo, el ili 9 miliardoj en la malpli evoluintaj regionoj (sen PR Ĉinio).
Kompreneble nek ekzistas egala dispartiĝo de la loĝantoj inter la unuopaj malpli evoluintaj regionoj, nek unueco de la ĉi-rilata dinamiko en ĉiuj regionoj.
Nuntempe sumiĝas la nombro de la loĝantaro en Suda Azio je proksimume 1 639 milionoj, en Ĉinio je 1 085 milionoj, en Afriko je 588 milionoj kaj en Latin-Ameriko je 424 milionoj.
En Afriko plimultiĝas la loĝantaro plej rapide kun kvoto de pli ol tri procentoj. La absoluta nombro kreskis de 222 milionoj (en 1950) al la nuntempa stato

de 588 milionoj. Antaŭvideble ĝi atingos ĝis la jaro 2000 pli ol 877 milionojn kaj ĝis 2025 eĉ 1,64 miliardojn. La loĝantaro de Afriko do dum 75 jaroj trifoje duobliĝos. En la aliaj regionoj, krom Ĉinio, la loĝantaro ankaŭ eksplode plimultiĝas, kvankam malpli intense ol en Afriko. En Suda Azio ĝi tamen povas dum 65 ĝis 75 jaroj dufoje duobliĝi. La nombro de la loĝantaro kreskis ĉi tie de 695 milionoj (en 1950) al 1,4 miliardoj (en 1980) kaj proksimiĝos antaŭvideble ĝis la jaro 2025 al la limo de 2,8 miliardoj.

Simila evoluo estas observebla en Latin-Ameriko. Ĉi tie kreskis la nombro de loĝantoj de 165 milionoj (en 1950) al 337,4 milionoj (en 1977). Plia duobliĝo estas atendebla ĝis plej malfrue en la jaro 2025.

La situacio en Ĉinio estas tute alia. Ĝis la mezo de la sepdekaj jaroj estis ĉi tie observebla preskaŭ la sama eksploda modelo kiel en aliaj malpli evoluintaj regionoj. La loĝantaro plimultiĝis de 1950 ĝis 1975 je 70 procentoj. Poste okazis radikala senekzempla ŝanĝo. La jara kreskokvoto falis de 2,6 procentoj (1965–1970) al 1,44 procentoj (1975 ĝis 1980) kaj al 1,17 procentoj (1980–1985). Tiu ĉi evoluo estas klarigebla per la paŝoj pri naskokontrolo kaj stabiligado de la loĝantaro en Ĉinio. Unuaj komencoj por tio ekzistis jam en la jaro 1971 (plialtigo de la geedziĝ-aĝo kaj ankaŭ rekomendoj pri limigo je du infanoj por familio). En 1973 la loĝantar-politika celo fariĝis parto de la planado de la nacia ekonomio kaj en 1978 ĝi estis fundamentita en la nova konstitucio de Ĉinio. En 1980 la Ŝtata Konsilantaro alvokis la civitanojn, ke „ĉiu geedza paro havu nur unu infanon". Ekde 1981 ĉiuj paŝoj efektiviĝas ankoraŭ pli intensive per la fondo de ŝtataj komisionoj por familia planado. La rezulto montras, ke la loĝantara eksplodo en Ĉinio draste malkreskas, kaj la kreskokvoto en la venontaj jardekoj ne ĉesos fali.

## Popolekonomiaj problemoj de gravaj dimensioj

En ĉiuj malpli evoluintaj regionoj (krom Ĉinio) la loĝantaro do kreskas – kiel menciite – eksplode. Sed tio ne estas la sola problemo, sed pli grave estas, ke la nombro de la loĝantaro kreskas en neprogresinta socialekonomia medio, en kiu estas ne eble absorbi la kreskantan loĝantaron, t.e. doni al ĝi laboron kaj nutri ĝin. Ankoraŭ nun ĉi tie temas precipe pri agraraj landoj. Surbaze de la kolonia heredaĵo kaj de la nuntempa ekonomia superregado de la imperiismo la agrokulturo estas ankoraŭ ĉiam postrestinta kaj grandparte tradicia. Ĝi ne povas evolui sammezure kun la kreskanta loĝantaro kaj ne garantii sufiĉe da nutraĵoj kaj laboreblecoj.

Tiu ĉi situacio ankoraŭ pliakriĝas per tio, ke en la lastaj jardekoj sub la influo de la multnaciaj socioj oni malintegris parton de la agrikulturo el la produktado de nutraĵoj por la enlanda loĝantaro, modernigis ĝin kaj orientis ĝin al eksportado. La aplikado de moderna tekniko liberigis laborfortojn, por kiuj ne estis kreitaj novaj laborlokoj. Ili nun ne plu produktas siajn nutraĵojn mem, sed ankaŭ ne gajnas monon por aĉeti ilin. Tiamaniere pliakriĝas la problemo de laboro kaj nutrado kaj sekve ankaŭ de mizero.

En la evoluantaj landoj la problemoj atingis tiajn dimensiojn, ke ili aperas en tutmondaj dimensioj kaj koncernas la sorton de centoj da milionoj da homoj. Nuntempe en tiuj landoj pli ol 300 milionoj da homoj aŭ tute ne aŭ nur parte havas laboron. Tio estas la triobla de la stato el la jaro 1950. Ĝis la jaro 2000 tiu ĉi nombro transpaŝos la limon de 800 milionoj. Pli ol 600 milionoj da homoj jam hodiaŭ estas subnutrataj. Ĉiutage 40 000 homoj mortas sekve de manko de nutraĵoj. Laŭ indikoj de UN nuntempe adekvata medicina prizorgado mankas por preskaŭ 2 miliardoj da homoj, kiuj suferas pro la plej diversaj malsanoj. 70 procentoj de la vilaĝa loĝantaro ne havas aliron al tute taŭga trinkakvo. 50 procentoj de la urbanoj kaj 87 procentoj de la kampara loĝantaro ne disponas pri higiene sendanĝeraj rubaĵdeponejoj. En tiuj ĉi landoj mankas proksimume 1 miliardo da loĝejoj, kaj ĝis la jaro 2000 oni bezonos lokojn por 900 milionoj da infanoj en lernejdeviga aĝo. Tio estas nur kelkaj ekzemploj por la amplekso de problemoj, kiuj rezultas el la rapida kreskado de la loĝantaro kaj la subevoluado.

Nur la demando pri la disponado de materiaj kaj financaj rimedoj por venki tiujn mankojn devigas nin al pripensado.

## Solvoeblecoj postulas tutmondajn penadojn

La mizero en la evolulandoj havas sian kaŭzon en la iama kolonia politiko kaj ankaŭ en la nuntempa ekonomia hegemonio de la imperiismo en tiuj regionoj. La daŭrigado de la postrestintaj socialekonomiaj cirkonstancoj, la enŝuldiĝo de la ekonomio kaj la armado forprenas almenaŭ 200 miliardojn da dolaroj jare en formo de profito, interezo kaj amortizo de ŝuldoj. Almenaŭ 100 miliardojn da dolaroj jare la evolulandoj elspezas por militaristaj celoj, pliaj miliardoj estas disipataj de la regantaj rondoj.

Sendube socialaj reformoj kaj ankaŭ nova ekonomia ordo estas esencaj kondiĉoj por la solvado de tiuj ĉi demandoj. Tamen la problemoj jam atingis tiajn dimensiojn, ke ilia majstrado necesigas tutmondajn penojn, kaj tiuj postulas antaŭ ĉio la kreivan kunlaboradon inter la du diferencaj socisistemoj sur nia Tero. Antaŭkondiĉo por tio estas la malarmado kaj la konservado de daŭra paco en la mondo. Ĝuste al la klarigo de tiuj ĉi faktoj servas la internacia konferenco pri interrilatoj inter malarmado kaj evoluo, nuntempe okazanta en New York, kaj bedaŭrinde bojkotata de Usono.

La socialismaj ŝtatoj plurfoje kaj konsekvence esprimis sian ĉi-rilatan pozicion. Kun la celo venki la subevoluon kaj starigi novan internacian mondekonomian ordon oni ekzemple en la dokumento de la ŝtatoj de la Varsovia Kontrakto denove postulis kun ĉiu rezoluteco praktikajn kaj konkretajn paŝojn al la reduktado de armadaj elspezoj. „La materiaj, financaj, homaj kaj sciencaj rimedoj, liberigataj per tio, estu utiligotaj por akceli la sciencan kaj socialan progreson de unuopaj landoj kiel ankaŭ por majstri la ekonomian postrestadon de diversaj regionoj en la mondo."

Tiurilate mi volas memorigi pri jenaj faktoj:

– Nur per la armadelspezoj de la evolulandoj mem oni povus krei jare 20 ĝis 25 milionojn da laborlokoj kaj per tio konservi la amplekson de senlaboreco almenaŭ je la nuntempa nivelo.

– Per la mono por la evoluigo de moderna tanko oni povus krei 1 000 klasĉambrojn por 30 000 lernejanoj.

– La evolukostoj de nova bombaviadilo konformas al la jara salajro de 250 000 instruistoj respektive al la kostoj por aĉeti 50 000 traktorojn aŭ 15 000 grenkombajnojn.

- La kostoj elspezataj por evoluigo de nova supersona ĉasaviadilo sufiĉus por konstrui loĝejojn por pli ol 3 milionoj da homoj.

– Moderna atommovigata submarŝipo kostas tiom kiom 50 modernaj malsanulejoj.

– Por la prezo de batalaviadilo oni povus instali proksimume 4 000 vilaĝajn apotekojn.

– Per la duono de unu procento de la jaraj armadelspezoj oni povus akiri ĉiujn agrikulturajn ilojn, kiuj estas bezonataj por plibonigi en la venontaj dek jaroj la agrarproduktadon en la evolulandoj, kiuj havas deficiton je nutraĵoj, kaj eĉ atingi memprovizadon.

Anstataŭ ol havigi al la amaso de la monda loĝantaro bonstaton kaj prosperadon, oni evoluigas ĉiam pli perfektajn armilojn por amasneniigo. Evidente la scienc-teknika revolucio maltrafis sian celon pro la freneza armadpolitiko de la usona imperiismo. Kiaj perspektivoj povus vere prezentiĝi, se venkus la koalicio de la prudento en la mondo?

*El „Horizont", Berlin, n-ro 9/87*
*tradukis Renate kaj Dieter Berndt*

**Harald Suislepp**

# KONTRAŬMARŜOJ

**Laŭ UN la homaro elspezas por armado nun pli ol unu milionon da dolaroj en minuto.**

1
Milionon da dolaroj en minuto –
mortigitan homlaboron.
Milionon da dolaroj en minuto –
neplenumiĝantajn revojn.
Milionon da dolaroj en minuto –
ŝuldoprizonon de armadkonkurso.

Al sennombraj dioj
dum jarmiloj portitaj
sang- kaj nesangoferoj sume
ne kompensus la tributon,
kiun la tuta homaro
oferas
sursojle de la tria jarmilo
de nia erao
al unu dio –
la militodio.

Militmoleĥo sidas
ĉe manĝotablo de ĉiu familio,
mordas parton
el ĉiu pantranĉo,
ŝiras parton
de ĉiu ŝtofpeco,
ŝtelas parton
de ĉiu malkovro de l' homa cerbo.

La laserokulo de militmoleĥo
palpas ĉiujn lulilojn.
La venena spiro de militmoleĥo
premas korojn de ĉiuj maljunuloj.
La hida fungopugno de militmoleĥo
staras malantaŭ la dorso
de ĉiuj amantoj.

Milionon da dolaroj en minuto
kreskas la dentoj de militmoleĥo.
Milionon da dolaroj en minuto
pagas la homaro
per sia propra
kreanta vivoforto
por sia propra
ebla
morto.

La teron tremegas
marŝoj de militemuloj.

2
Kiu devigas la homaron
manĝigi morton?
Tiu, kiu vivas
el buŝplenoj de morto.

Pro mortotimo
transformiĝas
grandmonopoloj
je mortmonopoloj –
la solaj mortvendistoj[1]).

Je nomo de miliardoj da dolaroj
ludas la solaj mortvendistoj
– bankieroj de bomboj kaj dolaroj –
je plenbanko de nuklea milito.
Je nomo de miliardoj da dolaroj
reklamas la solaj mortvendistoj
neŭtronbombon kiel humanan armilon
de superprofito:
trezoroj ja restos,
nur homoj disfalos je ŝlimo,
homoj ekzistas terure multegaj,
stratoj plenas de senlaboruloj,
stratoj kriadas pacon, pacon, pacon,
stratoj ardas de ruĝaj flagoj,
sur stratoj fermentas revolucio!
„Fantomo rondiras en Eŭropo –
la fantom' de komunismo"[2]).

Fantomo rondiras en la mondo –
la fantom' de reala socialismo.

Pro timo antaŭ realajo
mobilizas la solaj mortovendistoj
partian elefanton[3])
je militelefanto.

La kiraspiedoj de la militelefanto ramas
en tulipkampojn de Eŭropo,
en rozvalojn de Eŭropo,
sur vitmontojn de Eŭropo
nukleajn eksplodkapojn,
raketplenigante la Malnovan Mondon
je militoscenejo de la Nova Mondo
por danci armilodancon
de atoma jarcento,
por meriti la lastan „Oskar'on"
de la homa historio . . .

Kaj la malavaran tervizaĝon malbeligas
novaj raketvarioloj,
en arbarharojn de l' Tero rampas
novaj tankopedikoj,
en akvo-okulojn de l' Tero plonĝas
novaj atomŝarkoj,
super la frunto de l' Tero eklumas
mortokulaj artaj astroj.

Milionon da dolaroj en minuto . . .

La teron tremigas
marŝoj de militemuloj.

3
Homoj funebras
mortintojn
de l' Dua mondmilito.
Generaloj prognozas
mortontojn
de l' Tria mondmilito.

Armilojn oni mezuras
je dolaroj.
Armeojn oni mezuras
je militistoj.
Militojn oni mezuras
je mortintoj.

Kiam sur la viva korpo de l' Tero
disfendas la firmamenton
kuna eksplodflamo
de mikromondoj,
pli hela ol mil sunoj,
flamo, kies brilo fotis en Hiroŝimo
sur ŝtonon de hejma ŝtuparo
figuron de homo sidanta,
la flamo, per kies frapondo
ĉio frakasebla jetiĝas
kun rapido de kuglo por frakasi
ĉion frakaseblan,
la flamo, en kiu ondo de nukleo-splitoj
traas ĉelnukleojn de ekzistuloj
kvazaŭ eterna neekzisto,
kio do restos el
respekto antaŭ la vivo?

Kio do restos el ĉio viva, kiam
la mortmalsana imperiismo,
esperante eviti la morton
per mortigo,
pendigas al krino de hazardo
en kosmon
la Damoklan glavon
de stelmilitoj,
por je la nomo de „vivgravaj interesoj"
gilotini la Teron
simile al
homa kapo?

La Tero, survizaĝe
mortomasko
de atomcindro.

La historio memoras
mortintojn
de l' Unua mondmilito.
Homoj funebras
mortintojn
de l' Dua mondmilito.
Generaloj prognozas
mortontojn
de l' Tria mondmilito.
Kiam pleniĝos mezurujo de la morto?
Kiam pleniĝos mezurujo de la vivo?
Tiktakas kiel prokrasta fuzeo
metronomo
de la sorto de l' mondo.

4
Homoj ne volas morti.

Milionon da dolaroj en minuto
pulsas la morto
en ŝtalvejnoj de militmoleĥo.
Kvar-miliard-foje en sekundo
pulsas
la homa koro.

La homa koro
kontraŭ armila ŝtalo.
La homa prudento
kontraŭ senprudenteco de milito.

La homoj ne volas morti.
La hom-armilo
kontraŭ armiloj
estas senarma mano.

Homoj venas
sur vojojn,
stratojn,
placojn,
homoj etendas
unu al alia manon.

Reciproke mantenante
ĉirkaŭas homoj
per fragila ĉeno de l' vivaj korpoj
startoplacojn de mortoraketoj.
Reciproke mantenante
kunligas homoj
centojn da kilometroj longajn
defendoliniojn de l' paco.

Daŭrigo sur paĝo 14

# Sekva celo: Duonigo de la strategiaj nukleaj armiloj

Post la subskriboj el 1987-12-08 sub la kontrakto inter Sovetunio kaj Usono pri la likvidado de iliaj elteraj raketoj kun atingodistanco de 500 ĝis 5 500 km, nun sekvu plua, pli granda paŝo: Ambaŭ flankoj atingis la principan interkonsenton duonigi siajn strategiajn nuklearmilajn potencialojn sub strikta plenumo de la ABM-kontrakto.

**Kio estas strategiaj ofensivaj armiloj?**

Temas pri tiaj nukleaj armilsistemoj – konsistantaj el portadrimedoj (raketoj aŭ avioj) kaj nukleaj ŝarĝaĵoj (unu aŭ pluraj eksplodkapoj sur raketoj aŭ bomboj) –, kiuj kapablas trafi kaj detrui vivnecesajn centrojn kaj aliajn celojn sur la teritorio de la kontraŭulo. Ili konsistigas pli ol naŭ dekonojn de la nukleaj potencialoj en Sovetunio kaj Usono.

**Kion signifas 50-procenta reduktado?**

Jam en Rejkjavik, oktobro 1987, estiĝis inter Sovetunio kaj Usono la principa interkonsento pri la celo redukti la strategiajn ofensivajn armilojn je 50 procentoj. Pluaj elementoj de estonta kontrakto estis difinitaj dum la Ĝenevaj intertraktadoj, kiel diskutitaj partoj de komuna malneto. Kiel rekoneblas el la Komuna Pinta Deklaro de Vaŝingtono, tio koncernas inter alie interkonsentojn pri

- la superaj limoj por la portadrimedoj de strategiaj ofensivaj armiloj (ne pli ol 1 600 por flanko) kaj por eksplodkapoj (6 000);
- la kalkulbazoj por la pezaj bombavioj kaj por la nukleaj armiloj transportataj per ili;
- la reduktado de la tuta ĵetopezo (laŭokaze ankaŭ sub la nomo: ŝarĝokapablo) de la interkontinentaj raketoj kaj de la balistikaj raketoj de Sovetunio instalitaj sur submarŝipoj, je la duono de la ekzistanta nivelo.

Antaŭ la renkonto en Vaŝingtono, nesolvitaj estis la problemoj rezultintaj el la neceso garantii la strategian stabilecon dum la 50-procenta reduktado. Kiel montras la supre cititaj nombroj, la nukleaj potencialoj de ambaŭ grandpotencoj havas diversajn strukturojn:
Flanke de Sovetunio, ĉirkaŭ 60 procentoj de la eksplodkapoj konsistas el elteraj (interkontinentaj) raketoj, sed flanke de Usono, iom pli ol la duono de ĉiuj eksplodkapoj estas elmaraj raketoj troviĝantaj sur submarŝipoj.
El tiuj alispecaj strukturoj rezultas diversaj starpunktoj pri la demando, kiel realigi la celitan duonigon de la strategiaj ofensivaj armiloj. Solvo de tiu problemo ŝajnas videbla post la intertraktado en Vaŝingtono. En la tie estiĝinta komuna instrukcio por la sovetia kaj amerika delegacioj en Ĝenevo estis fiksita la jeno:
Enkadre de la tuta nivelo de 6 000 eksplodkapoj, la supera limo por la sumo el eksplodkapoj sur interkontinentaj kaj balistikaj submarŝipaj raketoj estas 4 900 po flanko.

**Kian rolon ludas la ABM-kontrakto?**

La nomo ABM-kontrakto estas la mallongigo por la sovetia-usona kontrakto pri la limigo de kontraŭraketaj defendosistemoj, subskribita en 1972-05-26 en Moskvo. Kaj laŭspirite kaj laŭlitere, tiu kontrakto, laŭtempe ne limigita, kontraŭstaras la evoluigon, elprovadon kaj lokigon de elkosmaj armilsistemoj, planitaj per la SDI-projekto de Usono.
La komisio transdonita el Vaŝingtono al la delegacioj en Ĝenevo nun postulas ellabori interkonsenton, kiu devontigos ambaŭ flankojn tiel:

1. Resti en la limoj de la ABM-kontrakto en la formo subskribita en 1972 ankaŭ rilate al esploroj, evoluigoj kaj laŭnecesaj elprovoj.
2. Ne forlasi la ABM-kontrakton dum la paso de interkonsentita tempa intervalo.

Plej malfrue tri jarojn antaŭ la fino de la interkonsentita limdato por la neforlaso de la kontrakto, nepre okazu intensivaj intertraktadoj pri la strategia stabileco. Post tiu tempa intervalo, ĉiu flanko havu la rajton mem decidi pri la plua agado, se ĝi ne alie estos interkonsentita.

*El „Informationen" de la Packonsilantaro en GDR, n-ro 1/88. Tradukis: Michael Behr*

---

Daŭrigo de paĝo 13

Reciproke mantenante
portas homoj
vivtorĉon
ekbruligitan de la suno
en praa Olimpo.

Homoj defendas
LA HEJMON.

Vidante laboristan manon
tenantan ruĝan flagon,
la junulan manon
tenantan pacoafiŝon,
la junulinan manon
tenantan floron,
la manon de militinvalido
tenantan radseĝon,
la manon de ekleziulo
tenantan rozarion,
la patrinan manon
tenantan la manon de sia infano,
krias militemuloj:
„La mano de Moskvo!"

La mano sur butono de nuklea milito
la militemuloj devas pensi
pri „la mano de Moskvo":
La cindro de Hitler frapas
armilojn
de imperiismo.

La cindro de Hiroŝima frapetas
la koron de l' homaro.

Homoj ne volas morti.

Pacmarŝoj kontraŭ militmarŝoj.

La Tero tremegas
de kontraŭmarŝoj.

5
Kiu kulpas, ke
la homa koro situas
maldekstre?
Kiu kulpas, ke
la koro de l' homaro situas
maldekstre?
Kun pensanta koro,
per vivoforto de kunligitaj manoj
defendas homoj
la unuan homrajton –
rajton
por vivi.

Granda opozicio
de l' Tero de l' homoj
al militodio Marso.

La mondo unuiĝas
por pacmarŝoj.

La mondo estas nedividebla.

La mondo kredas
vivan prudenton,
disfendita de mortoraketoj Eŭropo –
hejmlando de Sokrato,
Spinozo kaj Goeto.
Floradu tulipoj sur viaj tulipkampoj!
Odoru rozoj en viaj valoj de rozoj!
Maturiĝu vinberoj sur viaj vinmontoj!

Pacmarŝoj kontraŭ militmarŝoj.
Vivmarŝoj kontraŭ mortomarŝoj.

Kvar-miliard-foje en sekundo
pulsas
la koro de l' mondo.

La mondo estas plena de hejmoj.

La mondo –
pacfloro surbruste.

[1]) monopolo – gr. monos (sola) + poleo (vendi)
[2]) La unua frazo de „La manifesto de komunista partio".
[3]) Elefanto estas la emblemo de la Respublikana Partio de USA.

*El la estona Jaan Ojalo*

# AIDS – ĉu artefarita?

Je la 4a de julio 1984 la hinda ĵurnalo „Patriot" publikigis timigan raporton, laŭ kiu iuj supozas, ke la kaŭzo de AIDS estas viruso, kiu estas artefarita en la laboratorioj de usona esplora instituto pri bakteriologia militado Fort Detrick, Maryland. La redaktisto klarigis, ke tiuj informoj devenas de konata usona sciencisto kaj antropologo. La sciencisto esprimis sian timon, ke tiu malsano post nelonge povas esti danĝera por Hindio. Li devas resti anonima. Pro la diskonatigo de tiu vivminaca sekreto li endanĝeriĝis.
Je tempo, kiam la hororego de ĉi tiu nekuracebla malsano ankoraŭ ne estis konata, „Patriot" raportis, ke la Monda Organizo pri Sano rigardas AIDS-on kiel plej grandan minacon por la homaro.
Ekde sia apero tiu artikolo kuŝas sur mia skribotablo. Ĉu represi ĝin en „Newsletter"? Mi decidis ne fari tion. Kredis, ke ĝi tuj estus malkonfirmata. Krome mi pensis, ke aliaj fontoj malpli atakeblaj diskonigus ĝin.
Tiel ja estis. La numero de la 26a de oktobro 1986 de la brita revuo „Sunday Express" anoncis per granda fraptitolo ekskluzivan raporton: „Ŝoka novaĵo: AIDS devenas de laboratorioj."
La frontpaĝa raporto tekstis, ke la viruso estis kreata per eksperimentoj, kiuj katastrofe malsukcesis. Plie oni konstatis, ke oni kaŝis la sekreton per granda kamuflado.
La revuo „Sunday Express" citis la britan eksperton d-ro John Seale, kiu indikis pri siaj konkludoj de artefariteco de la AIDS-viruso, aperintaj jam aŭguste pasintjare en la fakrevuo „Royal Society of Medicine Journal". Li klarigis, ke lia raporto renkontis „malvarmegan silenton" ĉe iuj kolegoj, kio vekis lian atenton. Ankaŭ la redaktisto de la revuo laŭ eldiroj de d-ro Seale opiniis, ke ŝajne estis „interkonsentita silentado". Plue tekstas en „Sunday Express", ke d-ro Robert Strecker, specialisto el Glendale (Kalifornio), esprimis la konvinkon, ke la viruso estas „genetike farita".
Kiel trian eksperton la revuo nomas prof. Seagal, la iaman estron de la bakteriologia instituto en Berlino (GDR). Ĝi skribas: „Niaj malkovrantoj eltrovis, ke du oficistoj de la usona ambasadorejo antaŭ du semajnoj vizitis prof. Seagal hejme kaj pridemandis lin dum duhora interparolo, kion li scias kaj pensas, kiuj estas la fontoj de liaj informoj kaj kion li planas fari per ili." La profesoro diris al la raportistoj, ke „unu sin nomis historiisto, la alia konsulo. Sed mi estas certa, ke ili laboras por CIA. La penso maltrankviligas ilin, ke la kamuflado pri la deveno de AIDS povas malkaŝiĝi." Li diris al ili, ke estas konata al li eksperimentoj per malliberuloj de longjaraj prizonpunoj. Ili sin libervole anoncis pro promeso de liberiĝo post plenumo de la testoj. Tio okazis en Fort Detrick, la sidejo de la Medicina esplora ĉefstabo de usona armeo. Tutcerte la sciencistoj ne konis la dimension de sia terura kreaĵo – la AIDS-viruso.
Malkonfirmoj baldaŭ aperis. Sed la brita ĵurnalo „Sunday Telegraph" sin mem mistifikis. Ĝi skribis, ke la rusoj inventis la rakonton por kalumnii la usonanojn kaj memorigis, ke la artikolo jam estis aperinta en „Literaturnaja gazeta". Tekstis, ke la sovetia revuo citas raporton en la revuo „Patriot", kaj ke tiu raporto en tiu revuo ne ekzistas!
Kaj d-ro Seals kaj d-ro Strecker supozas, ke la viruso estas genetike farita kadre de civila kontraŭkancera esplorado. Prof. Seagal nomas la teorion, laŭ kiu la viruso devenas de la verdaj simioj en Afriko, „ridindan kaj el scienca starpunkto nekredeblan". Certe la debato daŭros. La koncernaj sciencistoj estas firmaj konatigi ĉiujn detalojn en la fakrevuoj.

## Pruvoj

Kiuj pruvoj ekzistas por nefakulo? La unuaj kazoj konatiĝis en Novjorko, kaj estas nerifuzita fakto, ke oni laboris en Fort Detrick pri imunologia infektoŝirmo. En la numero de la 26a de oktobro 1986 la brita ĵurnalo „Guardian" skribas, ke 1986 estas faritaj eldiroj antaŭ vaŝingtona mastruma komisiono, laŭ kiuj estas eble „en la sekvaj kvin aŭ dek jaroj elfari novan infektan mikroorganismon, kiu estas diferenca al ĉiuj konataj malsanigaj organismoj. Estas aparte grave, ke ĝi povus malfunkciigi ĉiujn imunologiajn kaj terapeŭtikajn ecojn, kiuj signifas nian relativan liberecon de infektaj malsanoj." Tiu priskribo konvenas al AIDS.
Je la 24a de septembro 1986 la ĵurnalo „Daily Telegraph" raportis el Vaŝingtono: „El usona laboratorio pri bakteriologia militado antaŭ 5 jaroj iom da malfortiga viruso malaperis kaj neniam retroviĝis." La kvanto sufiĉas por infekti tutan mondon, tion deklaris medioprotekta grupo hieraŭ dum procesado antaŭ Vaŝingtona tribunalo pri ĉesigo de esplorado pri biologiaj armiloj.
En 1968 la pacbiblioteko „J. D. Bernal" estis organizanta konferencon pri danĝeroj de esplorado pri biologiaj armiloj. Tiam Ritchie Calder deklaris, ke en la deponejoj troviĝas ankaŭ armiloj, kiuj kaŭzas genetikajn ŝanĝojn. Krome li informis, ke la mortiga bacilo estas strikte sekreta. Konspira silentado kamuflas la bakteriajn armilojn, ĉar iliaj efikoj estas tiom terurigaj. Post la prelego li deklaris en la brita ĵurnalo „Daily Mirror": „Ie en la mondo estas bredata bacilo, kontraŭ kiu ni ne havas naturajn kontraŭfortojn kaj kontraŭ kiu ne ekzistas sekura ŝirmo."
Tiu priskribo konvenas al AIDS.
En la brita revuo „Observer" de la 30a de junio 1986 estas citata el artikolo de la revuo „Journal of General Microbiology", kies aŭtoroj estas W. D. Lawton el Fort Detrick, R. C. Morris kaj T. W. Burrows de la brita mikrobiologia esplorejo sur Porton. Alineo tekstas: „Per ŝanĝoj en la genetiko de unuopaj specoj mikrobiologoj volas krei unikan specon kun la plej mortiga kombinaĵo de ecoj." Ankaŭ tiu priskribo konvenas ĝuste al AIDS. En la artikolo oni skribas, ke tiutempe oni okupiĝas laŭ registaraj informoj en Porton nur pri utiligo de rezultoj de la esploroj defendocele, dum en Fort Detrick oni koncentriĝas ekskluzive pri evoluo de mikrobiologiaj armiloj por ofensivo.
Dum la milito en okupita Ĉinio la japanoj esploris pri bakteria militado. Iuj el la krimuloj estis kaptitaj de Sovetia Armeo, laŭorde prijuĝitaj kaj kondamnitaj, aliaj ricevis imunecon de Usono kaj estis portataj al Fort Detrick por tie labori.
En 1969, post kiam la AIDS-viruso jam estis libera, oni komencis traktadojn por konvencio pri malpermeso de biologiaj armiloj, kiu validiĝis en 1972. Dum la unua kontrola konferenco oni raportis, ke la konvencio estas ratifikita de 80 ŝtatoj. Tamen la konvencio enhavas neniujn devigojn pri malpermeso de esplorado aŭ pri verpruvo.
Antaŭ nelonge s-ino Nichola Sims, aŭ-

Daŭrigo sur paĝo 16

FIDEL CASTRO RUZ

## Venki la ŝuldiĝon al eksterlando kaj ĝiajn kaŭzojn

# Paco kaj evoluo – nedisigeble ligitaj

*Tiu ĉi artikolo bazas sur la parolado de Fidel Castro Ruz dum la malferma kunsido de la 6-a Ministra Renkonto de la Grupo de la 77 okazinta la 20-an de aprilo 1987 en Havano.*
*La Ministra Renkonto okazis en preparo por la 7-a sesio de la Konferenco de Unuiĝintaj Nacioj por Komerco kaj Evoluo (UNCTAD VII – Ĝenevo, 9-a ĝis 13-a de julio 1987).*
*Ni publikigas fragmentojn el la parolado de prezidento Fidel Castro.*
*Jam de jarcentoj la subevoluo estas akompanata de ekonomia kaj sociala krizo. Neniam antaŭe la landoj de la Tria Mondo estis konfrontitaj kun tiom da negativaj faktoroj minacantaj la nudan ekzistadon. Neniam antaŭe ilia evoluo estis tiom malhelpata fare de la maljusta, malnoviĝinta ekonomia ordo reganta en la mondo.*

La landoj de la Tria Mondo portas la ĉefan ŝarĝon de la kapitalisma ekonomia krizo en la okdekaj jaroj, kaj de post tiam ili suferas tragikan ekonomian evoluon. La prezindekso de krudmaterialoj malaltiĝis al unu el la plej malaltaj valoroj de ĉiuj epokoj.
La komerckondiĉoj daŭre malboniĝadis kaj la deficito en la pagobilanco de kelkaj landoj ne eksportantaj nafton nur tial ne grave malpliiĝis, ĉar oni rezignis je gravaj importoj por la evoluo, produktado kaj konsumado. Intertempe la gajnoj de la landoj eksportantaj nafton rapide ŝanĝiĝis al kreskanta deficito. Tiamaniere la ŝarĝo de la ŝuldiĝo al eksterlando fariĝis la plej grava problemo de niaj popoloj delonge suferantaj kaj ekspluatataj.
Pli kaj pli klare aperas la paradoksaĵoj, kiuj formiĝis en la monda ekonomio kaj kiuj klare pruvas la absurdecon kaj neraciecon de la nuntempa internacia ekonomia ordo.
Dum tiuj krizaj jaroj la plej potenca kapitalisma lando havanta la plej grandajn posedaĵojn de ĉiuj epokoj vivas kiel parazito per la ŝparitaĵoj de la cetera mondo, kiu siaflanke estis devigata financi la senprecedencan komercan deficiton de tiu potenco kaj krom tio pagi la vetarmadon unikan en la historio.
La rezultoj de la krizo kaj la negativa ekonomia politiko de la riĉaj kapitalismaj landoj kondukis la mondon en dilemon, por kiu ne videblas solvo. Kaj nun la landoj de la Tria Mondo – t.e. la landoj ekonomie malplej evoluintaj kaj plej malriĉaj – estu la pagantoj por signifa parto de tiuj konsekvencoj, kvankam ili portas neniun historian respondecon por tiu krizo.
Ni estas atestantoj de senprecedenca protektisma politiko flanke de la evoluintaj kapitalismaj landoj, kiu detruas la tutan multflankan sistemon, kiu estiĝis dum la postmilita epoko kaj signife plifaciligis la liberaliĝon de la monda komerco. Kaj ĉio ĉi okazas dum epoko, kiam niaj landoj ĉefe devas pligrandigi siajn eksportojn kaj kiam la politiko de kunlaboro estas nepre necesa en mondo, kies unu parto dependas de la alia.
Niaj landoj havantaj subevoluintan ekonomion – el historia vidpunkto la moralaj kaj materiaj kreditoroj de evoluinta kapitalisma mondo, por kiu ni dum jarcentoj estis kolonioj kaj liveris sklavojn – kiel pretendataj ŝuldantoj kaj oferoj de komerco senindulga kaj ne samrajta denove fariĝis la financantoj de tiu evoluinta, riĉa mondo.

### Malordo kaj anarkio ekzistadas plu en la internacia kapitalisma valutsistemo

Malordo kaj anarkio regadas plu en la internacia kapitalisma valutsistemo. La programoj por la reguligo de la sistemo – dum la lastaj jaroj diversflanke efektivigitaj – malsukcesis. Usono plu manipuladas la dolaran kurzon propra-interese, senskrupule profitante de la rolo de la dolaro en la monda ekonomio, tute ne okupiĝante pri la neeviteblaj sekvoj, kiujn tiuj faroj kaŭzas por la cetera mondo.
Surbaze de la tro alte taksata dolaro la Tria Mondo suferas je la kreskanta pagodevo kalkulita per dolaroj.
Pro la senvalorigo de la dolaro la valoro de niaj dolaraj valutrezervoj malkreskis, same la prezoj de la varoj aĉetitaj kontraŭ dolaroj malaltiĝis kaj plikostiĝis la importoj el okcidenta Eŭropo kaj Japanio. Temas kvazaŭ pri ezopa fablo, en kiu ĉio havas sian bonon kaj sian malbonon, nur por ni ĉio estas malbona.
Kvankam en la kapitalismaj landoj la nominala interezo malaltiĝis, la reala interezo restas alta, ĉar dume ankaŭ la inflacio malpliiĝis. Eĉ se la efiko de tiu redukto estas pozitiva por la evolulandoj rilate la pagadon de iliaj ŝuldoj, ĝi tamen esence neniiĝis pro la malaltiĝantaj prezoj por krudmaterialoj, pro la prezdumpingo kaj pro la protektis-

---

Daŭrigo de paĝo 15

torino de libro pri biologia malarmado, skribis: „. . . la fakto estas ofte riproĉita, ke la Konvencio neniel limigas eĉ ofensivan esploradon pri biologia militado." Rilate al vastaj timoj ŝi klarigis, ke „supersukceso ĉe la malsanigiloj kiel rimedo de biologia aŭ pertoksa militado estas proksima kaj povas igi la posedanton de tiu malsanigilo, malatenti la Konvencion". Konekse estas citata d-ro Robert K. Mikulak de la usona ofico pri malarmado kaj armadkontrolo: „Ekzistas neniu rajtigo por sekretaj militaj esploroj pri tiu demando en iu lando." Tamen ĝis nun ekzistas nek inspektadoj nek verpruvoj.
Vide al tiuj indikoj la laiko supozeble kontestas la penson, ke la fuĝo de AIDS-viruso estas la rezulto de katastrofa eraro en civilaj esploradoj. Laŭ mi oni konkludos, ke tio estas la rezulto de esploradoj pri bakteria militado, kaj oni serĉos la kulpulojn en Usono.
La sciencistoj ne povis supozi, ke ili iniciatas nune nekuraceblan malsanon, kiu povas mortigi kaj certe mortigos milionojn da homoj aparte en la tria mondo, kie vivas plejparto de la mondloĝantaro. Neniam estis pli grave ol nun, ke la ŝtatoj malatentas siajn diferencojn, koncentras ĉiujn siajn povojn kaj rimedojn por tutmonda batalo kontraŭ tiu terura danĝero kaj ĉesigas la hororojn de bakteria esplorado por militaj celoj.

*Gordon Schaffer*

*El „Friedenskurier", Helsinki (1–3/87)*
*trad. M. Lennartz*

maj faroj de la evoluintaj kapitalismaj landoj.
Kontraŭe al la situacio en la evoluintaj landoj, en kiuj regas la merkata ekonomio, en la landoj de la Tria Mondo la inflacio kreskas – spite al la efektivigo de korektadaj programoj. Inter 1983 kaj 1985 la inflacia indekso por tiuj landoj plialtiĝis de 65,1 procentoj al 152,4 procentoj.

### La ŝuldiĝo de la Tria Mondo al eksterlando

Temo kaŭzinta multe da maltrankvilo jam en 1983 estis la mezuro de la ŝuldiĝo de la Tria Mondo al eksterlando kaj la kreskanta deficito je rimedoj por pagi tiujn ŝuldojn suferita de niaj landoj. De post tiam la situacio drame malboniĝis. Kio antaŭ kelkaj jaroj estis konsiderata katastrofa prognozo, tio nun fariĝis amara realo. La nekapablo repagi la ŝuldojn, tiutempe konsiderata malproksima eblo, hodiaŭ fariĝis nediskutebla fakto.
Inter 1983 kaj 1986 la ŝuldoj kreskis de 871 miliardoj da dolaroj al pli ol biliono, samtempe la ĉiujaraj repagoj altiĝis de 88,767 miliardoj da dolaroj al pli ol 118 miliardoj. La ŝuldoŝarĝo ekstreme pligrandiĝis, kaj se por momento ni forgesas la terurajn realaĵojn kaj sonĝas pri tio, ke okazus prokrastigo por la pago de la baza ŝuldo, ke la intereza normo restus sur la nuntempa nivelo de 6 procentoj, ke la interezo restus limigita je 10 procentoj de la eksportenspezoj kaj ke tiuj eksportoj siaflanke dum la sekvontaj 20 jaroj havus la senprecedencan kreskon de 10 procentoj kaj la ŝuldosumo ne kreskus eĉ je unu pfenigo, tiukaze la landoj de la Tria Mondo fine de tiu periodo estus pagintaj sumon pli grandan ol la nuntempa ŝuldsumo kaj samtempe ŝuldantaj proksimume la saman sumon kiel hodiaŭ. Tio signifas, ke la ŝuldoj eĉ en la sonĝo ne estus repageblaj.
Se surbaze de la strebado pagi la ŝuldojn en kelkaj kazoj aperis pozitivaj komercbilancoj, tiam tio okazis koste de la limigo de niaj eksportoj je minimumo. La prezoj de niaj eksportproduktoj dum la lastaj jaroj grave malkreskis kaj nia aliro al la merkatoj, sur kiuj ni vendis tiujn produktojn, estas blokata de fortaj protektismaj baroj flanke de la samaj organizaĵoj, kiuj postulas de ni ĝisdatan kaj ordan nuligon de niaj devoj. Ju pli ni pagas, des pli ni ŝuldiĝas, ĉar oni forrabas niajn mizerajn havaĵojn pere de valutmanipuladoj interkonsentitaj inter la kapitalismaj grandpotencoj kaj ĉar la bankoj de la transnaciaj konzernoj rifuzas doni al ni novajn kreditojn ĝuste tiam, kiam ni pleje bezonas ilin aŭ ili donas ilin je kondiĉoj kompareblaj kun mezepoka uzurado.

Malgraŭ anoncitaj ŝanĝoj, pretekste direktataj al moderigo de la sinteno de la Internacia Valutfonduso aŭ la Monda Banko, tiuj imperiismaj financinstitucioj dum la lastaj kvar jaroj entreprenis reguligajn paŝojn por certigi la pagadon de la ŝuldoj flanke de la ekonomie subevoluintaj landoj per ĉiuj rimedoj kaj ne atentante aliajn konsiderojn.
Ne plu sufiĉas simple transŝuldigi niajn pagojn, ĉar tiel ni baros nian estontecon. Ne plu temas pri la elrabado de financaj havaĵoj, pri kiuj ni ne disponas. Hodiaŭ temas pri tio, ke ankaŭ niaj entreprenoj, niaj landoj, niaj industrioj kaj minejoj estu forrabataj – ĉio ĉi fariĝus eksterlanda propraĵo. Ni perdus la kontrolon super la ekonomio de niaj landoj, kaj grandegaj enspezoj de la



Foto: Zentralbild

transnaciaj konzernoj anstataŭus la interezpagojn de niaj ŝuldoj. Kaj ĉio ĉi estas cinike kaŝata per la aserto, ke eblus repagi la ŝuldojn kaj samtempe certigi la evoluon. La „kapitaligo de la ŝuldoj" estas elokventa pruvo por tio, kion povas permesi al si tiuj absolute senskrupulaj kreditoroj; ili donis al ni senvalorigitajn valutojn por poste gajni per la samaj trovalorigitaj valutoj; ili laŭplaĉe manipulas la prezojn de niaj produktoj kaj baras la aliron al siaj merkatoj; ili ekspluatas nin per ĉiuj disponeblaj rimedoj, kaj nun ili eĉ volas rekte transpreni nian nacian riĉaĵon.

### Tri faktoroj eksterordinare negativaj por niaj landoj karakterizas la internacian komercon

Meze de tiu senprecedenca krizo la internacia komerco – temo delonge debatata ĉe UNCTAD – hodiaŭ estas karakterizita de tri faktoroj eksterordinare negativaj por niaj landoj: la kolapso de la prezoj por krudmaterialoj, la intensiĝo de la malsamrajtaj interŝanĝrilatoj kaj la plifortiĝanta protektismo. Dum la lastaj jaroj la prezoj por krudmaterialoj – ĝis hodiaŭ du trionoj de la eksportenspezoj de la Tria Mondo – komplete kolapsis – ekonomia katastrofo por la granda plimulto de landoj dependantaj de ili. De 1980 ĝis 1986 la reala prezindekso por krudmaterialoj – laŭ taksoj de la Monda Banko – malpliiĝis je 30 procentoj kaj atingis sian plej malaltan markon de post la krizo de la tridekaj jaroj.
Fine de 1985 la malaltiĝo de la prezoj por krudmaterialoj sole en tiu jaro kondukis laŭtakse al forfluo de 65 miliardoj da dolaroj el la malriĉiĝinta kaj ŝuldiĝinta Tria Mondo en la evoluintajn kapitalismajn landojn; tio estis kvarono de la kreskokvoto de tiuj landoj en la koncerna jaro.
En tiu katastrofa situacio, dum periodo, kiam eksportenspezoj estas urĝe bezonataj por la kontraŭbatalado de la krizo, rolon ludas evidente la malpliiĝinta postulateco malvaste ligita kun la ceda politiko de Usono. Samtempe okazas daŭra strebado regi la vendadon de krudmaterialoj, inkluzive de ilia eksporto, fare de la transnaciaj entreprenoj. Ili regas la surmerkatigon de la plej multaj krudmaterialoj je 80 procentoj, en kelkaj kazoj ĝis 90 procentoj.

### La Triamondaj Landoj laŭvere estas kreditoroj

La situacion de la subita malkresko de la krudmaterialaj prezoj pli malbonigas la drasta malpliiĝo de la aĉetpovo de tiuj eksportvaroj, ĉar plialtiĝis la prezoj de pretaj produktoj. Tiu situacio kondukas al la kontraŭnatura aperaĵo konata per la esprimo malsamrajtaj interŝanĝrilatoj, kiu jam per si mem pruvas, konsiderante tion, kion oni forprenis de la Triamondaj landoj en tiuj kondiĉoj, ke ili estas la veraj kreditoroj. En 1983, kiam ni raportis en la VII-a pintkonferenco de la movado de la nealiancitoj, ni nomis plurajn ekzemplojn por ilustri la efikojn de la malsamrajtaj interŝanĝrilatoj en la periodo de 1959 ĝis 1982. Permesu al mi montri per la samaj ekzemploj, aktualigitaj per pli novaj nombroj, kiom alarme la situacio malboniĝis dum la lastaj kvin jaroj.
– En 1959 por la vendenspezoj por 24 tunoj da sukero estis eble aĉeti traktoron kun povo de 60 ĈV. Fine de 1982 por la aĉeto de la sama traktoro estis necesaj 115 tunoj da sukero kaj hodiaŭ, en 1987, oni bezonas 133 tunojn.
– En 1959 por la vendenspezoj por 6 tunoj da juto estis eble aĉeti ŝarĝaŭtomobilon por 7 aŭ 8 tunoj. Fine de 1982 por la aĉeto de la sama aŭto oni

devis liveri 26 tunojn da juto kaj hodiaŭ, en 1987, por tio estas necesaj preskaŭ 54 tunoj.
– En 1959 per la vendenspezoj por unu tuno da kupra drato estis eble aĉeti 39 rentgenajn valvojn por medicinaj celoj. Fine de 1982 por unu tuno de la sama materialo oni ricevis nur tri rentgenajn valvojn kaj en 1987 per tio ne estas aĉetebla eĉ unu valvo.
Antaŭ nelonge la Internacia Valutfonduso mem taksis, ke la Tria Mondo en 1986 suferis malgajnojn de 100 miliardoj da dolaroj pro malsamrajtaj interŝanĝrilatoj.
La varoj eksportataj fare de la evoluantaj landoj estas produktataj ofte sen maŝinoj en 12- resp. 14horaj laborskipoj de viroj, virinoj, maljunuloj kaj infanoj, kiuj laboras por mizeraj salajroj, kiuj ricevas neniun medicinan zorgadon aŭ senlaborulan subtenon, kies vivdaŭro estas malpli ol 40jara kaj kiuj havas neniujn kleriĝeblecojn kaj neniun esperon. Per tiuj varoj oni negocas sur la alia flanko kontraŭ alte evoluitaj industriaj produktoj kaj altaj gajnoj kaj salajroj. Sekve el la altaj prezoj aplikataj kontraŭ ni estas financataj la profitoj de la entreprenoj, altaj salajroj, impostoj, subteno por senlaboruloj, pensiaj fondusoj, socialaj elspezoj, reklamoj kaj parte eĉ militaj elspezoj.

## Senbrida daŭrigo de la protektismo

Aliflanke la protektismo senbride daŭras. Laŭ takso de UN ĉ. 50 procentoj de ĉiuj eksportoj el latinamerikaj landoj estas diversmaniere restriktataj en Usono, Eŭropa Komunumo kaj Japanio. Inter 1980 kaj 1985 Usono kaj Eŭropa Komunumo elspezis po ĉ. 60 miliardojn da dolaroj por subvencii kaj teni stabilajn la prezojn por agraraj produktoj; Japanio inter 1980 kaj 1985 elspezis ĉ. 51 miliardojn da dolaroj por la sama celo. Vasta sortimento da eksportvaroj, ekz. teksaĵoj, ŝuoj, ŝtalo, dommastrumaj aparatoj kaj granda nombro da agrikulturaj produktoj staras vidalvide al la ne trapenetrebla remparo da protektismaj komercbaroj.
Tragika ekzemplo por la protektismo kaj por la influo de la transnaciaj konzernoj kontraŭ la sorto de multaj eksportantaj landoj kaj por la maniero doni subvenciojn estas la sukero. En 1981 Usono importis 5 milionojn da tunoj da sukero, en 1986 malpli ol 1,5 milionojn da tunoj. Tiun subitan blokadon de la Usona merkato kaŭzis malgranda nombro da monopoloj, kiuj anstataŭas la sukeron per artefaritaj dolĉigaĵoj ne konsiderante eĉ por momento la katastrofajn efikojn de tiu faro sur la tradiciajn sukerliverantojn. Eŭropa Komunumo siaflanke – estinta grava importanto de sukero – fariĝis signifa eksportanto kaj postulas la rajton vendi sur la monda merkato 5 milionojn da tunoj. Tiamaniere ĝi senskrupule kontribuas al la fiasko de nova konvencio pri sukero kaj ĉio ĉi okazas per subvencioj por iliaj senefikaj produktantoj kaj per starigo de rigidaj protektismaj baroj.
Kemiaj produktoj minacis anstataŭi aron da varoj – kiel jam teksaĵfibrojn, gumon kaj aliajn –, pro kio ruiniĝas la koncernaj eksportlandoj. Tio montras la maljustecon de la ekzistanta internacia ekonomia ordo. Evoluinta lando aŭ grupo da tiaj landoj subite faras decidon, kiu por milionoj da homoj signifas malsatadon. Tio estas simple malhumana kaj neakceptebla. Ni devas batali por la instalo de internacia ordo, kiu regulas la enkondukon de anstataŭaj produktoj, validigas leĝojn, fiksas minimuman tempoperiodon por la novaranĝo aŭ por ŝanĝoj en la eksportstrukturo fare de la koncernataj landoj kaj kiu certigas la kunlaboron necesan por tio.
En 1985 pli ol tri kvaronoj de la tutmonda loĝantaro vivis en subevoluintaj landoj. La loĝantaro de la Tria Mondo ĝis la jaro 2025 kreskos laŭtakse al 6,779 miliardoj – t.e. 83,1 procentoj de la tutmonda loĝantaro. Tio signifas, ke niaj landoj en la sekvontaj 40 jaroj – t.e. periodo malpli longa ol homa vivo – devos majstri la gigantan taskon nutri, vesti, klerigi ĉiujare averaĝe preskaŭ 80 milionojn da homoj pli kaj certigi al ili laboron, loĝejon kaj medicinan prizorgadon. Ĉu niaj malriĉiĝintaj, ŝuldiĝintaj kaj elrabitaj landoj entute kapablos alfronti tiun defion?
Jam la nuntempo estas pli ol tragika, por ne paroli pri la estonteco. La ekonomia krizo, en la evolulandoj pliintensiĝanta pro la sufokanta ŝuldoŝarĝo kaj la elrabado rezultanta el la malsamrajtaj interŝanĝrilatoj, kaŭzas katastrofajn socialajn efikojn en la Tria Mondo: pli ol miliardo da malsatantoj, 185 milionoj da subnutrataj infanoj, pli ol 500 milionoj da senlaboruloj aŭ subdungitoj, 857 milionoj da analfabetoj kaj mortokvanto de infanoj okoble pli granda ol en la evoluintaj landoj. Tiu kaj multaj aliaj nombroj montras, ke la ekonomia krizo trudita al ni signifas pli kaj pli da malsatado, malriĉeco, senklereco, malsano kaj morto por la granda plimulto de la viroj, virinoj kaj infanoj de la Tria Mondo.
Inter 1981 kaj 1986 la nombro da tiuj landoj, kiuj estas eŭfemisme nomataj malplej evoluintaj landoj, kreskis de 31 al 40. Ilia perspektivo fariĝis pli kaj pli dubinda, do ili bezonas verajn solvojn eĉ pli urĝe.

## Neceso de komuna agado de la evolulandoj

En la lastaj jaroj oni starigis sennombrajn teoriojn, kiel ni superu la krizon sen ŝanĝi eĉ minimume la maljustan internacian ekonomian ordon, de kiu ni suferas.
La Tria Mondo ne povas simple atendi eksterajn impulsojn el la evoluintaj kapitalismaj landoj por superi la seriozan ekonomian kaj socialan krizon, en kiu ĝi troviĝas. Hodiaŭ internacia kunlaboro estas pli necesa ol iam antaŭe; sed nia rezoluteco same kiel niaj konsekvencaj komunaj aktivecoj estas ŝlosilo kaj espero por la ŝanĝiĝo de la nuntempa sufoka situacio.
De kie povas veni la rimedoj bezonataj de la Tria Mondo por sia evoluo? Unuavice ili devas eskapi el la giganta kapitaltransigo en la evoluintajn kapitalismajn landojn, kiun ni realigas per la ŝuldrepago kaj per la enorma malboniĝo de la interŝanĝrilatoj trudataj al ni. Tio postulas ne nur la plenan likvidon de eksterlanda ŝuldo – post jarcentoj da sklaveco, koloniismo kaj novkoloniismo jam pluroble pagita –, sed ankaŭ la instalon de nova internacia ekonomia ordo, por kiu UN voĉdonis preskaŭ unuanime. Eĉ se la ŝuldoj estus morgaŭ likviditaj, la situacio restus la sama aŭ eĉ pli malboniĝus dum mallonga tempo. Estas necese forigi ne nur la ŝuldojn, sed iliajn bazojn kaj ĉefajn kaŭzojn – la malsamrajtajn interŝanĝrilatojn, protektismon, prezdumpingon kaj la financan kaj valutan manipuladojn senhalte efikantajn sur nin.

## La ŝuldoj ne estus repageblaj eĉ en sonĝo

La evoluinta kapitalisma mondo havas historian kaj moralan ŝuldon al tiuj landoj, kiuj estas ekonomie postrestintaj. Niaj ŝvito kaj sango produktis la riĉecon, per kiu estis financata ilia evoluo. Ili estas respondecaj por nia ekonomia subevoluo, kaj tio estas ŝuldo, kiu devas esti likvidota. Sed internacia kunlaboro en la batalo kontraŭ subevoluo ne estas devo nur de la iamaj koloniigintoj. Ĝi estas ankaŭ la etika kaj solidara devo de ĉiuj evoluintaj landoj, ĉu kapitalismaj aŭ socialismaj. Temas eĉ pri devo, kiun havas la landoj de la Tria Mondo kun relative pli alta evolunivelo kompare kun la malplej evoluintaj landoj.
Ankaŭ la sud-suda kunlaboro estas ebleco por kontraŭbatali la subevoluon. Kubo estas malgranda evolulando, kaj tamen 2 000 kubaj kuracistoj kaj medicina personaro – tio estas pli granda nombro ol tiu fiksita de la Monda Sanorganizo (WHO) – laboras senkoste en amikaj landoj. Miloj da kubaj specialistoj kaj teknikistoj senpage aktivas eksterlande sur la terenoj de la klerigo, en aliaj servadaj sferoj kaj en la ekonomio, kaj pli ol 22 000 junaj homoj el evolulandoj senkoste studas en nia lando.

# JOHANNES R. BECHER (1892–1958)

**Ĉi-jare ni rememoras la 30-an datrevenon de la morto de Johannes R. Becher, iama unua prezidanto de Kulturligo de GDR. Johannes R. Becher apartenis al la plej eminentaj defendantoj de la socialisma nacia kulturo en Germanio. Dum la jaroj 1933 ĝis 1945 li vivis en ekzilejo kaj enviciĝis inter la plej responskonsciaj germanaj intelektuloj, gardantaj la humanajn kaj progresivajn tradiciojn de la germana popolo dum la „nokto de faŝismo" aliance kun antifaŝistoj per sia sincera sinteno. La multspeca verkaro de Becher esprimas lian profundan amon al la homo, lian humanisman pensmanieron kaj lian engaĝon por paco. La sekvantaj poemoj nin admonu:**

## Laŭdo al paco

Laŭdante
La pacon
Mi turnas min
Kontraŭ la minaco
De l' paco.
En kiu ajn formo,

Sciante,
Ke la nura laŭdado
De l' paco
Ne sufiĉas por ĝi
Al sia paco . . .

*Trad. M. Goldenbogen*

## Koro de l' mondo

Mondvaste batas kor'
Batas kiel marondoj.
En ties ritmo jen
Koro, la kor' de l' mondo.

Mondvaste batas kor'.
Frapas kiel horloĝoj.
En ties taktoj jen
Koro, la kor' de l' mondo.

Mondvaste batas kor',
Ĉie en la homkoroj.
En ĉiu koro mem
Koro, la kor' de l' mondo.

Ekhaltos nia kor',
Batos en la marondoj,
En horloĝoj ĉie
Koro, la kor' de l' mondo.

Ekhaltos nia kor'
Batas en la korritmo,
en sennombraj koroj.
Koro, la kor' de l' mondo.

*Trad. Hans-J. Borgwardt*

## Homoj, ni fariĝu homoj!

Se printempe nia kor'
Saltas al ĉielo,
Zumas en ni kiel ĥor'
Post la noktmalhelo:
Paco, paco nun estiĝu
Por ke homoj rehomiĝu!

Eksonas la krieg',
Ke tremadas montoj.
Estas fajra infereg',
Levas sin la ondoj:
Se surtere pac' ne estos,
Kiuj el ni vivaj restos?

Vi, signitaj de l' sufer
Pro la mortfalantoj,
Kaj junuloj sur la ter',
Estu ekvokantaj:
Paco, paco nun estiĝu!
Homoj, ni fariĝu homoj!

*Trad. M. Goldenbogen*

---

Niaj landoj povas realigi teknologian interŝanĝon kaj amplekse kunlabori sur agrikultura tereno – oni pensu nur pri novaj semoj, novaj bestorasoj kaj agrikulturaj metodoj – same kiel en la industria prilaboro kaj en sferoj tiel decidaj kiel la sanitaraj aferoj kaj la popolklerigo. Ni povas ankaŭ subteni la komercadon per favoraj kondiĉoj kaj eĉ evoluigi kaj kunigi ekonomiajn rimedojn.
Sed kie troviĝas la preskaŭ neelĉerpeblaj rezervoj en la batalo kontraŭ la subevoluo – rezervoj, kiuj ebligus likvidi ŝuldojn sen ruinigi la kreditorajn bankojn, ĉesigi la malsamrajtajn interŝanĝrilatojn, enkonduki la novan internacian ekonomian ordon eĉ sen la plej bagatelaj oferoj aŭ altigoj de impostoj por la civitanoj de la evoluintaj kapitalismaj landoj kaj eĉ likvidi la historian ŝuldon al la Tria Mondo?

**Tiuj rezervoj estas la militelspezoj.**

Por tiaj sensencaj, mortigaj celoj oni elspezadas ĉiujare bilionon da dolaroj, kaj ĉe la nuna rapideco tiuj kostoj en la sekvontaj 13 jaroj plialtiĝos al pli ol 17 bilionoj da dolaroj. Kiel do iu povus aserti, ke ne ekzistus rimedoj por pli granda ekonomia justeco en la mondo? Sufiĉus anstataŭi la neracion per elementa racieco; sufiĉus iom da etiko kaj konscio pri respondeco.

**Tial ni plurfoje konstatis, ke paco kaj evoluo estas nedisigeble ligitaj.**

Se la grandaj militpotencoj de la evoluintaj landoj sukcesus eviti la minacantan nuklean katastrofon – kiu kompreneble trafus nin ĉiujn –, estus esperebla ankaŭ la deturno de alia katastrofo – tiu de la malsato, malsano, mizero kaj manko je loĝejoj, laboro kaj la plej elementaj vivkondiĉoj – de ĉiuj aferoj, de kiuj jam nun suferas centoj da milionoj da infanoj, junuloj, viroj, virinoj kaj maljunuloj de tiuj landoj.
Ĉiu havas la rajton je paco kaj agrabla kaj digna vivo. Sed tio ne simple falos en nian sinon. Kiel ĉiuj grandaj atingoj de la homaro tio postulas nian unuecon, niajn klopodojn kaj necedemon. Ni reprezentas la grandegan plimulton de la homaro, kaj nia justa afero povas trovi la subtenon de vastaj partoj de la tutmonda publiko inkluzive la popolojn de tiuj ekonomiaj potencoj, kiuj hodiaŭ elrabadas nin. La evoluinta kapitalisma mondo hodiaŭ suferas de grandega senlaboreco, signifa neelĉerpo de industriaj kapacitoj kaj pluaj socialaj kaj ekonomiaj malbonoj, kiuj povus konsiderinde malpliiĝi, se la Tria Mondo povus pligrandigi sian aĉetpovon en sufiĉa mezuro.
Ne estus malfacile pruvi, ke sen la solvo de la problemoj de la Tria Mondo ne povas establiĝi daŭra kaj stabila evoluo de la monda ekonomio.

**Estas evidenta la aserto, ke sen paco ne ekzistas evoluo, sed estas same evidente, ke sen evoluo por ok dekonoj de la tutmonda loĝantaro ne povas ekzisti paco.**

Konsekvence batalo por nia evoluo signifas batalon por la paco kaj por la bonfarto de ĉiuj popoloj de la mondo. Tial nia slogano devas esti batali senlace por niaj justaj kaj noblaj postuloj.

*El: „Neue Perspektiven" 5/87*
*Trad.: Hans-Peter Bartos*

Werner Grimm

# La situacio de UNICEF en la sistemo de UNO

Antaŭ pli ol 40 jaroj, je la 11-a de decembro 1946, la Plena Kunsido de UNO decidis (rezolucio 57 [I]) krei „United Nation International Childrens Emergency Fund" (UNICEF).

Komence la helporganizo por la infanoj havis la taskon, helpi forigi la suferojn kaŭze de la 2-a mondmilito kaj antaŭ ĉio helpi la infanojn kaj junulojn, kiuj plej multe devis suferi pro la sekvoj de la faŝisma fimilito.

En la jaro 1950 per la rezolucio 417 (V), 1950-12-01, la mandato de UNICEF unue estis daŭrigita je pluaj tri jaroj kaj per la rezolucio 802 (VIII), 1953-10-06, UNO decidis doni al UNICEF statuson de konstanta institucio, kiu agas laŭ senpera kunlaboro kun aliaj programoj de UNO kaj UNO-specialaj organizoj. Ekde tiam UNICEF antaŭ ĉio okupiĝas pri la bezonoj de la infanoj kaj patrinoj en la landoj de Afriko, Azio kaj Latina Ameriko, kiuj, kiel oni scias, plej multe suferas pro la sekvoj de kolonia subpremo dum jarcentoj kaj imperiisma ekspluatado dum jardekoj. Tiel evoluis intima kunagado kun la monda organizo por saneco (WHO), kun la organizo de UNO por edukado, scienco kaj kulturo (UNESCO), kun la organizo por nutrado kaj agronomio de UNO (FAO) kaj krome kun multe pli ol cent neŝtataj internaciaj organizoj.

Ekde la komenco de la 60-aj jaroj UNICEF ne plu nur estis helporganizo humana en propra senco, kvankam tiel grava tiu flanko de la agado de UNICEF ankaŭ estis kaj estos. La kuna agado de UNICEF kun la evoluantaj landoj jam tiam estis rekonata kiel parto de la ĝenerala evoluo de tiuj landoj. Tiu konvinko plifortiĝis en la sekvaj jaroj kaj interne de la sistemo de UNO kaj ĉe la registaroj. UNICEF hodiaŭ ĝenerale estas agnostita, kaj efike laboranta organizo por evoluo, kies celo estas la plibonigo de la vivkondiĉoj de la infanoj.

UNICEF en la kadro de UNO havas duonaŭtonoman statuson, kaj estas responsa al la Ekonomia kaj Sociala Konsilio (ECOSOC) kaj al la Plena Kunsido de UNO. Plej supera organo de UNICEF estas la Ekzekutiva Konsilio, al kiu apartenas reprezentantoj de 41 ŝtatoj, elektitaj de ECOSOC. La Ekzekutiva Konsilio ĉiujare kunvenas, decidas pri la ĉefaj direktoj de la agado de UNICEF kaj konfirmas la programojn por la unuopaj landoj kaj la financrimedojn necesajn por tio.

Nuntempe UNICEF realigas programojn en 118 landoj de Afriko, Azio kaj Latina Ameriko kaj la Orienta regiono de Mediteraneo en kiuj loĝas entute 1,38 miliardoj da infanoj. El ili 522 milionoj vivas en landoj kun alta mortkvoto da suĉinfanoj de pli ol 100 mortoj en la unua vivjaro el 1 000 vive naskitaj infanoj. (Afriko: 42 landoj kun 192 milionoj da infanoj/Azio: 33 landoj kun 152 milionoj da infanoj/Proksima Oriento kaj Norda Afriko: 13 landoj kun 86 milionoj da infanoj.)

Prioritata tasko de UNICEF estas, helpi la registarojn de la evoluantaj landoj laŭ ties deziro, plibonigi la vivkondiĉojn de iliaj infanoj. Ĉe tio estas karakterizaj tri ĉefaj manieroj de kuna laboro:

1-e Subteno de la planado kaj la formado de la servoj por la infanoj kaj
2-e liverado de materialoj kaj ekipaĵoj por tiuj servoj, kaj
3-e disponigo de rimedoj por la instruo de personaro, kiu estas bezonata por la laboro kun la infanoj kaj por ili inkluzive de instruistoj, sciencistoj pri nutrado, medicinistaj helpantoj, komisiitoj por higieno, socialhelpantoj kaj gvidantoj de grupoj.[1])

UNICEF kaj la landoj, subtenataj de ĝi, kiel partneroj laboras man' en mano ĉe la realigo de la konfirmitaj programoj. Sur la bazo de zorgaj studoj ĉiu registaro decidas pri siaj ĉefaj bezonoj, cirkonstancoj kaj prioritatoj. UNICEF kiel speciala konsilanto kaj reprezentanto de la infanoj garantias subtenon ĉe la planado kaj realigado de la reciproke interkonsentitaj projektoj. Ĉeftaskoj ĉe la agado de UNICEF nuntempe estas la plibonigo de la sanitara prizorgo por la infanoj, t.e. malaltigo de mortantaj suĉinfanoj, plibonigo de la higieno, imunizo de ĉiuj infanoj kontraŭ la ses plej danĝeraj infanmalsanecoj, kreado de sanitaraj centroj k.a. Pluaj ĉefaj taskoj estas la antaŭlerneja edukado, la kreo kaj evoluigo de eduka kaj instrua sistemoj, la edukado de por tiuj celoj naciaj kadroj kaj la disponigo de por tiuj celoj bezonataj materialaj ekipaĵoj. UNICEF same realigas ampleksan akvoprogramon kun la celo, disponigi en ĉiu vilaĝo puton kun pura akvo. Tio estas decida por la plibonigo de la higienaj kondiĉoj por la suĉinfanoj kaj la infanetoj same kiel por la efika helpo por la virinoj.

Ekde la „Internacia Tago de la Infano 1979" UNICEF ĉiujare je la 11-a de decembro publicas „Raporton pri la situacio de la infanoj en la mondo". Tiu raporto enhavas multe da statistikoj kaj studoj. Sed tio estas multe pli ol konstato de la situacio de la infanoj en la mondo. UNICEF per ĝi volas kontribui al ŝanĝo de la vivsituacioj de la infanoj kaj patrinoj. Tiuj raportoj pliprofundigas la komprenon de la cirkonstancoj kaj kondiĉoj, sub kiuj ankoraŭ hodiaŭ suferas la infanoj en la evoluantaj landoj. Krome tiuj raportoj montras, ke efikaj plibonigoj de la vivkondiĉoj de la infanoj en malavantaĝaj situacioj eblas ankaŭ sub plej malfacilaj kondiĉoj. La ĉi-jara raporto konekse al la 40-jara jubileo de UNICEF (1986-12-11) entenas rigardon pri la sukcesoj en la pasintaj kvar jardekoj: Antaŭ 40 jaroj ankoraŭ tute ne temis pri la infanoj en tergloba rilato ĉe la monda publiko. Malsat- kaj aliaj katastrofoj en „malproksimaj landoj" apenaŭ estis percepteblaj. Hodiaŭ plidensiĝis la komunikaj retoj; la scio pri la elementaj fizikaj kaj psikaj bezonoj de la infanoj kreskis. En la bilanco por tri evoluaj dekadoj la atingitaj progresoj estas evidentaj:

- En preskaŭ ĉiuj evoluantaj landoj povis esti reduktita la nombro de mortantaj infanoj je duono.
- La vivodaŭro altiĝis meze je pli ol 30 % – de 46 al 61 jaroj.
- La nombro de la infanoj, vizitantaj bazan lernejon, kreskis de ĉ. 50 % en la jaro 1946 al 95 %, la nombro de adoltoj, sciantaj legi kaj skribi, de 55 % en la jaro 1950 al 72 %.
- De 1970 ĝis 1980 la provizado kun trinkakvo grave pliboniĝis. La urba loĝantaro hodiaŭ je 86 % povas uzi

puran akvon, en la jaro 1976 nur 65 %; en la kamparanaj regionoj la nombro altiĝis de 13 al 44 %[2]).

En la lastaj 40 jaroj rilate al la vivstato de la infanoj okazis pli da progresoj ol en jarcentoj antaŭe! Des pli neakceptebla estas la fakto, ke en niaj tagoj, fine de la 20-a jarcento, ankoraŭ ĉiusemajne 280 000 da infanoj mortas, kvankam tio estus evitebla, t.e. ĉiusemajne okazas, „nerimarkite" de la monda popolo, katastrofo, kies viktimoj ĉiutage estas 40 000 da infanoj. Tio en nur unu jaro estas tiom da infanoj, kiom vivas hodiaŭ en aĝo ĝis 5 jaroj en Anglio, Francio, Hispanio, Italio kaj en Federacia Respubliko Germanio: 15 milionoj da infanoj; almenaŭ tiom suferas pro senkuraceblaj damaĝoj pro nekonvena nutrado kaj malsanoj. Pluaj 5 milionoj da infanoj mortas pro mankanta imunizado kontraŭ la ses plej danĝeraj infanmalsanoj: tetano, morbilo, poliomjelito, tuberkulozo, kokluŝo kaj difterito. T.e., tiuj infanoj ne mortas pro katastrofoj kiel malsekeco aŭ tertremoj, sed pro la ĉiama minaco de infektado kaj subnutrado. UNICEF ĉi-rilate parolas pri la „silenta mizero". Katastrofan situacion kiel ekzemple la stato post la disbato de la krima Pol-Pot-reĝimo en Kamboĝo aŭ la situacio dum la sekeco en la landoj de la Zahelzono aŭ ĉe aliaj teruraj naturkatastrofoj atentas la tuta mondo. Pri ili la medioj detale raportas. Jen UNICEF parolas pri la „laŭta mizero". La „silenta mizero" ankoraŭ tro malmulte estas atentata. Ĝi ja konstante ekzistas, sed por la okuloj de la televidaj aŭ filmkameroj malfacile rekonebla, por la ĵurnalistoj malfacile priskribebla. Fakto tamen estas, ke en la „silenta mizero" ĉiusemajne mortas 280 000 da infanoj, multe pli ol per ĉiuj katastrofoj, pri kiuj oni scias.

Estas la merito de UNICEF kaj de ĝia ekzekutiva direktoro Jamen P. Grant, ke precipe ekde 1979, la Internacia Jaro de l' Infano, ĉiujare en la Raporto pri la situacio de la infanoj en la mondo" tiu fakto, tiu problemo estas publicata. Tiel ankaŭ la raporto de 1987 kulminas en la insista apelo: „Estas vere tempo, ke la morala volo de la homaro uzas la teknikajn eblecojn, por fine fini la ĉiutagan kaj tial ‚kutiman' katastrofon de miloj da infanoj." UNICEF per sia agado en nuntempe 118 evoluantaj landoj pruvas, ke hodiaŭ estas disponeblaj simplaj kaj malmultekostaj metodoj, ekonomie atingeblaj por ĉiuj, kiuj almenaŭ povus savi la duonon el tiuj infanoj ...

La agadon de UNICEF ankaŭ plene subtenas la Germana Demokratia Respubliko. Tiel la registaro de GDR tuj post sia membriĝo al UNO en 1974 memkompreneble deklaris sian pretecon, ankaŭ subteni la agadon de la helporganizo de UNO kaj kunlabori aktive en UNICEF. Ekde tiam la registaro de GDR ĉiujare pagas ampleksan financan kotizon al UNICEF, kiu en la jaro 1986, okaze de la 40-a jubileo de tiu organizo estis plialtigita je la 2,7-oblo. La vendado de UNICEF-salutkartoj, kiun partoprenas ekde jaroj GDR, kaj kies profito estas same por UNICEF, el la sama kaŭzo estis plialtigita en 1986 je la 2,5-oblo. Krom tio nia Nacia Komitato de UNICEF kune kun la Solidareckomitato de GDR subtenas aldonajn programojn de UNICEF en landoj de Afriko, Azio kaj Latina Ameriko per liveradoj de medikamentoj, injektajoj, medicinaj ekipaĵoj, ekipaĵoj por lernejoj kaj lernmaterialoj kaj urĝe bezonataj varoj por infanoj. La solidareckomitato de GDR por tio disponigas al la Nacia Komitato de UNICEF ĉiujare milionojn da markoj. En la jaro 1986 ekzemple sekvaj kromaj liveroj okazis:

**PR Kamboĝo** medikamentoj kaj injektaĵoj en valoro de pli ol 507 000 da markoj,

**DR Afganistano** medikamentoj kaj injektaĵoj en valoro de 177 827 da markoj,

**PR Angolio** medikamentoj kaj injektaĵoj en valoro de pli ol 200 000 da markoj,

**Etiopio** medikamentoj por 23 medicinaj centroj en la lando en kuna valoro de pli ol 380 000 da markoj,

**PR Laoso** transpreno de la instruadaj kostoj por 5 laosaj junuloj, kiuj en GDR fariĝos profesiuloj por la UNICEF-presejo en Vientiane – po jaro 60 000 da markoj.

La Germana Demokratia Respubliko subtenas per multflankaj agadoj ankaŭ la kampanjon, iniciatitan de UNICEF, kontraŭ la morbilo, kiuj ankoraŭ ĉiujare postulas pli ol 2 milionoj da viktimoj, infanoj en evoluantaj landoj. Nia Nacia Komitato de UNICEF kaj la Solidareckomitato de GDR speciale helpas la infanojn en afrikaj landoj.

Krom la multlanda helpo por la infanoj en evoluantaj landoj per UNICEF GDR amplekse ankaŭ subtenas la strečojn de UNICEF per duflankaj helpagadoj por plibonigi la sorton de infanoj. Grava parto el la mono, pagita al la Solidareckonto de GDR estas uzata por bezonoj de infanoj en Afriko, Azio kaj Latina Ameriko. Por tiu nobla celo la Solidareckonto en la lastaj jaroj disponigis ĉiujare meze pli ol 40 milionoj da markoj. Tio estas evidenta atesto de la profunda preteco por solidareco de la civitanoj de nia lando.

Nuntempe ĉiujare multe pli ol 100 milionoj da infanoj naskiĝas. Kia estos ilia sorto? Ĉu amo en la familio? Ĉu sekura vivo en la socio? Ĉu feliĉa kaj senzorga infaneco? Ĉu estonteco en paco? Tiel en la nuna streĉa situacio en la mondo insiste demandas homoj en ĉiuj kontinentoj, sendepende de iliaj mondkonceptoj kaj religiaj konceptoj. Ĉiu infano rajtas, ke tiuj ĉi demandoj ricevu pozitivajn respondojn. UNO deklaris koncerne la rajtojn de la infano:

„La homaro al la infano ŝuldas la plej bonan, kion ĝi kapablas doni."

„Ĝi ŝuldas al la 1,4 miliardoj da infanoj, kiuj nun vivas sur nia Tero, ke fine – je la sojlo de la jaro 2000 – ĉie estu kreataj kondiĉoj, sub kiuj ili povas evolui en saneco, nature, en paco kaj dece – korpe, spirite, anime, morale kaj sociale." Ĉe la solvo de tiuj taskoj UNICEF aktive kaj efike kontribuas, plenumante la mandaton, donitan de la Plena Kunsido de UNO.

**Notoj**

[1]) 40 jaroj en nombroj/elspezoj kaj faroj de 1947–1984

[2]) James P. Grant „Raporto pri la situacio de la infanoj en la mondo 1987"

*El „UNO-bilanco" 1986/87, Berlin*
*tradukis: L. Schödl*

---

## Ranko Risojević **Bosniaj elegioj**

*Eld. Komunuma organizo de Esperanto-junularo, Banja Luka, Jugoslavio, 1986, trad. Vesna Skaljer-Race, ilustr. Omer Berber. 46 paĝoj*

En malgranda, belaspekta kaj riĉe ilustrita libreto prezentas sin Bosnio, „unu el ses jugoslaviaj respublikoj, tiu kunkreskinta kun Hercegovino, tie kie ĉefurbas Sarajevo", kiel klarigas Spomenka Štimec enkonduke.

Entute dek sep elegiaj poemoj pentras iom melankolian bildon de tiu kulture kaj tradicie riĉa kaj komplika lando. Ili ne simple donas informojn, sed la impresoj de la aŭtoro kaj la etoso de paca sopiro vekas en la legantoj senton pri la ligiteco de la homo al la forta naturo, pri tio ke homaj valoroj realiĝas nur kiel parto de naturaj valoroj: „Se el arbo eliras homo/se li el foliaro aperas,/kun li vi nenion plu havas, dio."

Krome la poeto Ranko Risojević komprenas siajn poemojn kiel rezulto de la Bosnia kulturo. Li ne nur dediĉis la unuopajn elegiojn al Bosniaj verkistoj, pentristoj, komponisto, revoluciulo, al urboj kaj la rivero Vrbas, sed ties heredaĵo eĉ forte influas la tonon de la koncerna poemo. Ĉio ĉi klare senteblas ankaŭ en la trafa lingvaĵo de la tradukinto.

Apartan mencion meritas Omer Berber kiu riĉigis la poemaron per nekutimaj artaj ilustraĵoj plifortigante la impresojn pri la poemoj aŭ donante propran interpreton de la versoj.

*Ulrich Becker*

D-ro Helmut Tautz

# La Monda Jardeko de Kultura Evoluo kaj Esperanto

*D-ro Helmut Tautz estas sekretario de la Nacia Komitato de GDR pri la Jardeko de la Kultura Evoluo. Li krome estas membro de la prezidio de la UNESKO-Komisiono de GDR kaj gvidas ties kulturan sekcion. D-ro Tautz bone komprenas Esperanton kaj jam duoje faris esperantlingvan prelegon dum la Internaciaj Foiraj Esperantistaj Renkontiĝoj (IFER) 1987 kaj 1988 en Leipzig. Ĉi-tiun prelegon li prezentis dum IFER '88, kies kadra temo estis „La scienc-teknika revolucio kaj la homo".*

La ĉi-jara esperantista renkontiĝo IFER havas moton, kiu fine de nia dudeka jarcento estas treege aktuala kaj grava: „La homo kaj la scienc-teknika revolucio". La diskutado pri tiu temo, la konsideroj, informoj kaj stimuloj de esperantistoj de diversaj landoj estas por mi kiel funkciulo de la UNESCO-Komisiono de GDR de aparte granda intereso.
La kaŭzo estas, kiel vi certe scias, ke la Unuiĝintaj Nacioj kaj UNESCO deklaris la tempon inter 1988 ĝis 1997 „Monda jardeko de la kultura evoluo". Ĉi tiu monda jardeko estis solene inaŭgurita januare en Parizo por la internacia publiko per mesaĝo de la Ĝenerala Sekretario de UNO, Pérez de Cuéllar, kaj per parolado de la Ĝenerala Direktoro de UNESCO, Federico Mayor.
En Germana Demokratia Respubliko la monda jardeko estis oficiale malfermita la duan de februaro 1988 per la konstituo de la Nacia Komitato de GDR por la monda jardeko de la kultura evoluo. La Ĝenerala Sekretario de la Centra Komitato de la Socialisma Unuiĝinta Partio de Germanio kaj Prezidanto de la Ŝtata Konsilantaro de GDR, Erich Honecker, transprenis la altan protekton pri la kontribuo de GDR por la realigo de la monda jardeko. Prezidanto de la Nacia Komitato estas la Ministro pri Kulturo, Doktoro Hans-Joachim Hoffmann. Kaj mi havas la honoron agadi kiel Sekretario de la Nacia Komitato.
Ĉar ni ĉiuj ankoraŭ troviĝas ĉe la komenco de la monda jardeko kaj ties celoj kaj gvidideoj certe ankoraŭ ne estas konataj ĝenerale, permesu al mi, ke mi unue informu vin pri la ideoj kiuj inspiris UNESCO-n ĉe la iniciatigo de la monda jardeko. Tio ŝajnas al mi celkonforma ankaŭ, por prilumi la internacian kampon, en kiu vi hodiaŭ traktas la temon „La homo kaj la scienc-teknika revolucio".
Dum la kvar jardekoj post la dua mondmilito la rapideco de la ekonomia, scienca kaj teknika evoluo en la mondo fariĝis ĉiam pli rapida. En la plej multaj ŝtatoj la plej gravaj taskoj estis unuavice la rekonstruado kaj la kontentigo de la elementaj bezonoj de la homoj. Kaj pro tio okazis pli kaj pli ofte, ke oni vidis la ŝlosilon por la progreso en la evoluo de la socio precipe sur la bazo de la kvanta kreskado kaj pliboniĝo de la materiaj vivkondiĉoj. Samtempe ĉiam pligrandiĝis la abismo rilate la evolunivelon inter la industriaj ŝtatoj kaj la evolulandoj kiuj estis ŝarĝitaj per la fatala heredaĵo de la koloniismo. Tutmondaj problemoj de la homaro kiel militoj, minaco de la homa medio, ekscesa ekspluato de krudmaterialoj kaj energio, malsato, malriĉeco, analfabetismo kaj malsanoj ĝis nun ne povis esti solvitaj kaj fariĝas ĉiam pli kaj pli akutaj de jaro al jaro.
Konsiderante la rapidegan evoluon de la produktivaj fortoj dum la proceso de la scienc-teknika revolucio – ni parolas pri la nuklea-kosma epoko – ni hodiaŭ havas la situacion, ke la unuan fojon en la historio la homaro posedas en la mano sur unu flanko la kondiĉojn kaj rimedojn por la certigo de paca estonteco kaj solvo de siaj tutmondaj problemoj, kaj sur la alia flanko la teknikajn kaj materiajn rimedojn por memdetruado.
Ne estas mia temo nun trakti la politikan koncepton kaj la proponojn kaj klopodojn de Soveta Unio kaj de la aliaj socialismaj ŝtatoj por la solvo de ĉi tiu sortodecida demando de la homaro. Vi ĉiuj tre bone konas tion. Tamen mi ŝatus atentigi, ke ekde la sepdekaj jaroj multo estas farita en la kadro de UNESCO por analizi la evolutendencojn en la hodiaŭa mondo kaj konkludi en tio interkonsenteblajn paŝojn por la internacia komunumo. Ŝlosilan rolon ĉirilate havas la Monda Konferenco de UNESCO pri kulturpolitiko en la jaro 1982 en Meksiko. Dum tiu jaro kunvenis registaraj delegitaroj el 126 membroŝtatoj kaj reprezentantoj de pli ol 80 internaciaj organizaĵoj por interŝanĝi pripensojn pri bazaj demandoj de la kulturo. Ili konkludis, ke estas urĝe necese klarigi, ke la homo estas la elira punkto kaj la portanto de ĉiu ajn evoluo kaj ankaŭ ties celo. La celo de la evoluo do estas la homo, sub certigitaj materiaj vivkondiĉoj kaj kun alta nivelo de klereco kaj kulturo, kun homdignaj idealoj kaj valorkonceptoj. La celo ne estas memstariĝanta scienc-teknika, teknokrata aŭ pure ekonomia evoluproceso. Tio al mi ŝajnas tre esenca: La homo devas esti aktiva formanto de la scienc-teknika revolucio kaj ne devas fariĝi ties viktimo.
Tio validas por ĉiuj socioj – en la socialismaj ŝtatoj ĉi tiu ekkono estas elirpunkto de la politiko kaj de la ĉiutaga socia praktiko.
En la „Deklaracio de Meksiko" oni ellaboris la kulturan dimension de la evoluo, tio signifas la neceson plifortigi la kontribuon de la kulturo en la evolustrategioj kaj evoluprocesoj de la mondo. Oni ankaŭ interkonsentis pri difino de la kulturo, kiu tre proksimas al la larĝa kaj ampleksa kulturnocio de nia socialisma kulturpolitiko. Ekzemple oni formulas, ke „kulturo en sia ampleksa signifo devas esti rigardata la tuteco de la spiritaj kaj materiaj de la mense kaj emocie distingeblaj karakterizaĵoj, kiuj determinas socion aŭ socian grupon. Ĝi ampleksas krom la artoj kaj literaturo la vivomanierojn, la bazajn homajn rajtojn, la valorsistemojn, la tradiciojn kaj konvinkojn".
La Deklaracio de Meksiko finiĝas per jena alvoko:
„En mondo skuata de konfliktoj, kiuj minacas la kulturajn valorojn de la civilizo, la membroŝtatoj kaj la Sekretariato de la Organizaĵo de Unuiĝintaj Nacioj por Edukado, Scienco kaj Kulturo devas multobligi siajn klopodojn por konservi ĉi tiujn valorojn kaj por pliprofundigi sian agadon en la servo de la evoluo de la homaro. Daŭra paco devas esti certigata por certigi la ekzistadon de la homa kulturo ..."
Elirante de ĉi tiuj pripensoj la monda konferenco proponis, ke oni proklamu la mondan jardekon de kultura evoluo sub la protekto de Unuiĝintaj Nacioj kaj de UNESCO.
Por tiu monda jardeko oni formulis kvar grandajn celojn:
Konsidero de la kultura dimensio de la evoluo.
Substreko kaj riĉigo de la kultura identeco.
Pliampleksigo de la partopreno en la kultura vivo.
Akcelado de la internacia kultura kunlaboro.

Oni alvokis por partopreni en la monda jardeko ĉiujn membroŝtatojn de Unuiĝintaj Nacioj kaj UNESCO, la internaciajn organizaĵojn kaj ĉiujn interesitajn elstarajn personojn, artistojn kaj kulturkreantojn, sciencistojn kaj edukistojn, kuracistojn kaj ĵurnalistojn, teknikistojn kaj ekonomojn.
Kongrue al la celo de la monda jardeko oni orientadas al interdisciplina kunlaboro. Oni volas aparte subteni tiajn projektojn, kiuj montras la integriĝon de la kulturo en la diversaj vivsferoj kiel scienco kaj kulturo, klerigado kaj kulturo, komunikado kaj kulturo, sanaferoj kaj kulturo, ekonomio kaj kulturo.
Laŭ nia kompreno la internaciaj neŝtataj organizaĵoj estas aparte kapablaj ludi gravan rolon ĉe la realigo de la celoj de la monda jardeko de kultura evoluo. Pro tio mi eksciis kun granda intereso, ke jam meze de decembro de la pasinta jaro en la sidejo de UNESCO en Parizo estis renkontiĝo de intelektuloj por la monda jardeko de la kultura evoluo, kiu okazis je la iniciato de la Monda Packonsilantaro kunlabore kun UNESCO. Ĉi tiun renkontiĝon ankaŭ partoprenis sinjorino Despinay de Universala Esperanto-Asocio.
Esperantistoj estas multiplikantoj. Ili estas profunde interesitaj je paco, malstreĉiĝo kaj internacia kunlaboro. Kaj sendube ekzistas multaj temoj, kiel hodiaŭ la homo kaj la scienc-teknika revolucio, kiuj estas taŭgaj por aranĝoj de naciaj kaj internaciaj esperantistaj organizaĵoj kaj rigardeblaj kiel kontribuo por la monda jardeko de la kultura evoluo. La Nacia Komitato de GDR por tiu monda jardeko ĉiam estas preta akcepti proponojn kaj ideojn kaj laŭ siaj fortoj kunagadi ĉe ilia realigo.
Inspirita de via interesa diskuttemo de IFER 1988 mi sekvis per mia hodiaŭa (eble tro longa) kontribuo duoblan celon: Mi volis stimuli la ĉi tie kunvenintajn esperantistojn de nia lando al pripensado pri eventuala kontribuo pri la jardeko kaj certigi al niaj gastoj el eksterlando, ke la ideo de la monda jardeko vivas en nia lando. Kaj mi volas peti ilin post ilia reveno en siajn landojn, ke ili eventuale, se eble, aktiviĝu en siaj Esperanto-asocioj rilate al la Naciaj Komitatoj por la monda jardeko kaj en siaj UNESCO-Komisionoj. Ĉar ili disponas pri fakscio kaj spertoj kun neelĉerpeblaj eblecoj de via eterne juna popolliga komunikilo Esperanto, kiu eniras la duan jarcenton. Ĉiu kapo kaj ĉiu koro estas bezonataj!
Se vi konsentus kun mi dum la sekva jaro ni certe restos en konversacia kontakto kaj eble povus fari, eble modestan, kontribuon por la sukcesigo de la ideo de la monda jardeko de la kultura evoluo, kiu celas la bonfarton de ĉiuj venontaj generacioj de la homa gento.

Bernard Golden

# Ĉu Zamenhof estis pola okulisto?

En **Internationale Plansprachen – eine Einführung** (1985) la aŭtoro, Detlev Blanke, karakterizas Esperanton kiel la projekton „der polnische Augenarzt . . ." (de la pola okulisto). Nu, ĉu Zamenhof vere estis pola okulisto? La demando havas du partojn kaj du malsamajn respondojn. Okulisto? Jes! Pola? Ne!
Pri la profesio de Zamenhof ne ekzistas eĉ ombro da dubo. Jam estis publikigitaj transskriboj de kurstitoloj kaj notoj de la medicina fakultato de la Universitato de Moskvo, kaj ekzistas fotografaĵo de la kuracista diplomo, kiun Zamenhof ricevis de la Universitato de Varsovio en 1885. Estas sciate, ankaŭ, ke li specialistiĝis pri okulmedicino en varsovia hospitalo kaj vienaj klinikoj, antaŭ ol komenci sian okulistan praktikadon en Varsovio fine de 1886.
Nun venas la tikla punkto. Ĉu eblas dokumenti la apartenecon de Zamenhof al la pola gento? Kial tiom da aŭtoroj insistas pri lia poleco? Nu, ne ĉiuj faras tion. Estas interese kompari kelkajn citaĵojn el germanlingvaj libroj pri planlingvoj – se la verkinto degnas diri ion pri la deveno de la aŭtoro de Esperanto. Ekzemplo de ĉi-speca mankhava priskribo troviĝas en parolado de aŭstriano, d-ro Leopold Grimme, publikigita en **Esperanto Unterwegs** (1984): „ein junger, damals noch unbekannter Mediziner" (juna tiam ankoraŭ nekonata medicinisto). En ankoraŭ unu propaganda publikigaĵo eldonita en Aŭstrio, **Warum Esperanto?** (1981), aperas artikolo de svislandano, d-ro Arthur Baur, kiu priskribas Zamenhof jene: „ein armer Student in Polen" (malriĉa studento en Pollando). El tio eblas konkludi nur, ke Zamenhof estis pollandano, ne polo. Novan informon kontribuas Alessandro Bausani en **Geheim- und Universalsprachen** (1970); li priskribas Esperanton kiel la verkon „eines polnischen Augenarztes jüdischer Herkunft" (de pola okulisto de juda deveno). En **Der Kampf gegen Babel oder Das Abenteuer der Universalsprachen** (1969), Paulo Rónai klarigas, ke Zamenhof „war der Sohn eines armen jüdischen Lehrers" (estis la filo de malriĉa juda instruisto). Nun malaperas la poleco de Zamenhof kaj li restas nur judo. Reliefigas tiun identigon la brita sociologo Peter G. Forster en **The Esperanto Movement** (1982); Zamenhof estis la plej aĝa filo en juda familio en la urbo Bjalistoko, kiu situis en la iama teritorio de Pollando. Post la dispartigo, tiu regiono fariĝis en 1807 administra unuo de Rusujo. Estas evidente, do, ke Zamenhof naskiĝis judo (fotografaĵo de la originala naskiĝatesto pruvas tion). Kiel loĝanto de la urbo Bjalistoko kaj poste Varsovio, li fariĝis pollandano sed oficiale estis regato de la cara registaro de la Rusa Imperio. Por ke ne estu iu ajn demando pri la genta aparteneco de Zamenhof, oni legu la publikigitajn transskribojn kaj tradukojn de oficialaj ruslingvaj dokumentoj kaj leteroj, identigantaj Zamenhof kiel judon.
Sed la plej konvinka negado de poleco venas de Zamenhof mem. En letero sendita al la Loka Kongresa Komitato en Krakovo la 14-an de februaro 1912, Zamenhof skribis: „. . . ne nomu min ‚polo' por ke oni ne diru, ke mi – por akcepti honorojn – metis sur min maskon de popolo, al kiu mi ne apartenas . . . laŭ mia deveno mi alkalkulas min al la gento **hebrea**."
Kial, do, oni senĉese insistas, ke Zamenhof estis polo? Mi ne povas trovi alian kialon ol tiun ĉi: ĝi estas artifiko por kaŝi la veron, por prisilenti lian judecon. Ne temas pri imagita aŭ hazarda agado. En la Enkonduko de **La Kaŝita Vivo de Zamenhof** de N. Z. Maimon, Prof. Waringhien tuŝas ĝuste tiun demandon, menciante ekzemplojn de cenzurado de faktoj pri la genta origino de Zamenhof en publikigaĵoj, ekzemple la **Enciklopedio de Esperanto**. Antaŭ nelonge mi ricevis leteron de la redaktoro de Esperanto-revuo de landa organizaĵo, kiu informis min, ke li **intence** ne parolas pri „la juda okulkuracisto" aŭ „la juddevena aŭtoro de Esperanto", kaj kiam li instruas Esperanton, li tute forlasas la fakton, ke Zamenhof naskiĝis judo. Bonŝance kaj saĝe Zamenhof inkludis en sia **Proverbaro** jenan diraĵon: „Eĉ el sub la tero aperas la vero." Estas, do, nerefutebla la konkludo, ke Zamenhof estis juda, ne pola, okulisto.

Februaro 1988

*Bernard GOLDEN*
*Damjanich u. 1/C, I. 8.*
*H - 8200 Veszprém*
*Hungario*

# Produktivaj impulsoj el produktiva verkaro

## Pensoj okaze de la 90-a naskiĝtago de Bertolt Brecht


Foto: Zentralbild

Hodiaŭ (la 10-an de februaro) antaŭ 90 jaroj naskiĝis en Augsburg Bertolt Brecht. Lin, kiu devenis el sekuraj ekonomiaj vivcirkonstancoj, elŝiris el la burĝa pensmaniero kaj burĝa vivmedio la okazintaĵoj de la jarcento. Li estis atestanto de du neniigaj mondmilitoj, kaŭzitaj de la germana imperiismo; li estis atestanto de preparoj por tria milito fare de la usona imperiismo. Sed li estis ankaŭ samtempulo de la Granda Socialisma Oktobra Revolucio en Rusujo, kiu per la „Dekreto pri la paco" alportis al la homaro historian mesaĝon. En Berlin, kie dum la jaroj de la weimar-a respubliko amasiĝis la politike-sociaj kaj ankaŭ artismaj kontraŭdiroj, Brecht ekkomprenis, ke la artisto ne povas stari ekster la klasoj kaj ĝiaj bataloj, sed devas preni partion, por doni al sia arto direkton kaj forton. Li aliĝis al la artista avangardo, kiu aliancigis kun la batalanta laborista klaso kaj ties partio.

Ĉio, kion Brecht ekde tiam skribis en poemoj, verkis por radioelsendaĵoj kaj filmoj, estis stampita de tiu ĉi partieco por la laboristaro kaj ĝia lukto por pli bona vivo. Ĉiam pli forte montriĝis kiel dominanta tendenco lia engaĝo kontraŭ milito kaj por la paco.

La 90-a naskiĝtago de Brecht okazas en tiu jardeko, en kiu komenciĝis mondvaste disvastiĝi kaj venki la ekkono, ke la homaro povas nur aŭ komune transvivi aŭ komune perei. En la tuta lasta decida jardeko de lia vivo turniĝis liaj pensoj ĉirkaŭ tiu ĉi centra problemo: paco – milito. Pli sencodone ne eblis per vortoj bildigi la averton kontraŭ tria, per atomarmiloj gvidota milito, ol jena sentenco, per kiu Brecht finis sian „Malferman leteron al la germanaj artistoj kaj verkistoj" en septembro 1951: „La granda Kartago trifoje militis. Ĝi estis ankoraŭ potenca post la unua milito, ankoraŭ loĝebla post la dua. Ĝi ne plu estis trovebla post la tria."

Brecht subtenis la batalon por la paco kaj per ideoj kaj koncerne la organizadon. Li estis membro de la Germana Packonsilantaro kaj de la Monda Packonsilantaro. Jam en la 50-aj jaroj li komprenis, ke la tuta homaro estas implikata en tiujn problemojn: „La milionoj da homoj en ĉiuj kvin kontinentoj devas esti informotaj pri la enorma danĝero." Li havis neniujn iluziojn pri la daŭro, la kontraŭdiroj, la dumtempaj malsukcesoj de tiu ĉi pacbatalo. Sed lia baza sinteno restis: „Kaj tamen nenio konvinkos min pri tio, ke estas senŝance, helpi al la racio kontraŭ ĝiaj malamikoj." Fine de la 80-aj jaroj, tri jardekoj post la morto de Brecht, montriĝis lia alvoko kiel fruktodona: „Ni diru ĉiam denove tion, kion ni jam milfoje diris, por ke tio ne estu dirita unufoje tro malmulte! Lasu nin ripeti la avertojn eĉ se ili jam estas kvazaŭ cindro en nia buŝo!"

En tiu konekso la demando de alianciĝo ricevis grandan signifon por Brecht. En la 50-aj jaroj, kiam furiozis la „malvarma milito", li estis preta rigardi kiel aliancanojn en la batalo kontraŭ la atoma morto „eĉ la spirite plej malvastajn / en kiuj la paco loĝas". El la reala situacio li deduktis la postulon pri paca kunekzistado kiel unusola alternativo, li bonvenigis la politikan dialogon kaj la konkuradon inter diversaj politikaj-ekonomiaj sistemoj. Li neniam dubis, ke la socialismo estas la ĉefa forto en la batalo por la monda paco kaj ke ties sekureco dependas de la forto de la socialismo.

La rezultojn de tiu ĉi pripensado kaj prognozado Brecht resumis en la jaro 1955, kiam li en Moskvo ricevis la Lenin-Pac-premion, en jena ekkono: „La paco estas la alfo kaj omego de ĉiu homama agado, de ĉiu produktado, de ĉiuj artoj, inkluzive de la arto vivi."

Komence de tiu ĉi jaro UNESKO proklamis la „Mondan Dekadon por Kultura Evoluigo" (1988–1997). Ĝi celas al la subteno de la internacia kunlaboro sur kultura kampo. La verkaro de Bertolt Brecht ŝajnas speciale taŭga por servi al tia celo ĉar lia arta koncepto estas en plena harmonio kun la plia intenco de la Dekado, nome stimuli la eblecojn por la pli vasta partopreno de la homoj en la kultura vivo.

*Ernst Schumacher*

*El „Berliner Zeitung" (10. 2. 1988) tradukis Renate kaj Dieter Berndt*

---

Recenzo

## JARLIBRO 1985

*Eldonis Esperanta Ŝak-Ligo Internacia – EŜLI redaktis D-ro Jaromir Canibal, Ĉeĥoslovakio, 30 paĝoj.*

Post dek jaroj denove aperis Jarlibro, kiun ĉiuj membroj de EŜLI jam de multaj jaroj atendis. Certe ĝi estas ne nur interesa por la ŝakludantoj, sed por ĉiuj, kiuj interesiĝas pri tiu ĉi ludo. Verŝajne inter la esperantistoj troviĝas ankoraŭ multaj ŝakistoj, kiuj scias nur malmulte pri EŜLI, same kiel inter la ŝakludantoj certe multaj ne scias, ke per Esperanto ili povas ankoraŭ pli multflanke okupiĝi pri sia ŝatokupo. Do, ni informu ilin!

Kion enhavas la Jarlibro? Oni trovas en ĝi la Statuton de EŜLI, Regularon de turniroj kaj la Historion de EŜLI (1976 ĝis 1986), kiu respegulas ĉion interesan, kio okazis inter la esperantistoj-ŝakistoj en la unuopaj jaroj. Sekvas Historio de Monda Pokalo, de Teamturniroj, de Esperantista Ŝakfestivalo en Targovište/Bulgario, kaj de Keres Memorturniro, ĉio kun detalaj informoj kaj rezultoj. Ne mankas adreslistoj de la estraro, de turnirgvidantoj kaj de la landaj perantoj. Ĉu vi scias, ke EŜLI havas perantojn en 31 landoj? Jen ni ankaŭ legas, ke en GDR EŜLI havas 22 membrojn, sed certe ekzistas pli multaj esperantistoj, kiuj samtempe interesiĝas pri ŝako. Ili turnu sin al nia peranto: Alfred Knapp, Domagkstr. 7, Bad Berka, 5302.

Kvankam la kajero ampleksas nur 30 paĝojn, la enhavo estas interesa kaj informriĉa. La lingvo estas bona. Sed ni devas riproĉi al la redaktisto la malĝustan uzon de landnomo Orienta Germanio anstataŭ GDR. Tio estas nepardonebla eraro (aŭ intenco), kiun oni nepre devas estonte eviti.

Ni esperu, ke la venonta Jarlibro aperos pli frue ol post dek jaroj. La esperantistoj-ŝakistoj bonvenigus tion.

*Dieter Berndt*

# Centjariĝo de la rumana filozofo kaj poeto EUGENIU SPERANTIA (1888–1972)

Naskiĝinta en Bukureŝto antaŭ cent jaroj, Eugeniu Sperantia (elp. eŭĝenju speranca) sekvis filozofiajn studojn en la universitato de la rumana ĉefurbo. Li doktoriĝis en 1912 per la tezo **Apriorismul pragmatic** („pragmatisma apriorismo"). Ekde 1921 li estis docento, post dek jaroj – profesoro pri la jura filozofio kaj sociologio en la Jura Fakultato de Oradea (elp. oradja) kaj Cluj (elp. kluj'), en Transilvanio.

Liaj filozofiaj kaj sociologiaj verkoj konsistas el **Legile şi formele gîndirii ca proiecţiuni ale proprietăţilor vieţii** („Leĝoj kaj formoj de la pensado kiel projekcioj de la propraĵoj de la vivo", 1934), **Definiţia şi condiţiile ştiinţei** („Difino kaj kondiĉoj de la scienco", 1936), **La Métaphysique implicite dans les postulats de toute pensée possible** („Implicita metafiziko en la postulatoj de ĉiu ajn ebla pensado", 1937), **Introducere în sociologie** („Enkonduko en la sociologion", 1938–39), **Système de métaphysique implicite dans les postulats de toute connaissance possible** (1943), **Introducere în filozofia dreptului** („Enkonduko en la juran filozofion", 1944) k.a. En la studo **Remarques sur les propositions interrogatives. Projet d'une „Logique du problème"** („Rimarkoj pri la interogativaj propozicioj. Projekto de «Logiko de la problemo», 1936), komunikajo por la Unua internacia kongreso de scienca filozofio, Sorbono, Parizo (1935), li skizis pionire la projekton de interogativa logiko, scienca kampo disvolviĝanta lastatempe sub la nomo e r o t e m a t i k o (angl. **erotetics**), pere de verkoj de la sveda Lennart Åqvist, finna Jaakko Hintikka kaj multaj aliaj filozofoj kaj logikistoj nuntempaj (C. L. Hamblin, D. Harrah, L. Apostel, T. Kubiński, J. A. Petrov).

Kiel poeto, Sperantia apartenis al la simbolisma rondo **Viaţa nouă** („Nova vivo"), gvidita de la elstara filologo Ovid Densusianu (1873–1938), la estro de la lingvistika skolo en Bukureŝto. La literatura verko de la poeto konsistas el kelke da versvolumoj: **Zvonuri din necunoscut** („Reeĥoj el nekonatajo", 1921), **Pasul umbrelor şi al veşniciei** („Paŝo de la ombroj kaj de la eterneco", 1930), **Sus** („Supren", 1939), la antologia **Versuri** („Versoj", 1966), kaj eseoj, kolektitaj en **Frumosul ca înaltă suferinţă** („Belo kiel alta sufero", 1921), **Papillons de Schumann. Despre principiul unic al vieţii, dramei şi frumosului** („. . . Pri la unika principo de la vivo, dramo kaj belo", 1934), **Iniţiere în poetică** („Enkonduko en la poetikon", 1968).

El liaj poeziaj verkoj, okaze de la centjariĝo, ni publikigas sube du poeziajojn, esperantigitaj de Constantin Dominte. **Sed tamen . . .** („Şi totuşi . . .") estas poezia repliko al la dogmema raciismo, kvazaŭ substrekante, ke la homa naturo ne estas ekskluzive racia – kvankam la racio regas la homan spiriton –, sed ankaŭ senta; la subteksta poezia ideo estas, ke la ekziston oni povas demonstri ankaŭ per la sufero. **Krucmilito** („Cruciadă"), subtile kontraŭmilita poeziajo, enhavas altvaloran humanisman mesaĝon, emfazante la egalecon de ĉiuj homoj, spite rasojn kaj religiojn, antaŭ la komuna historia destino. *C. D.*

## SED TAMEN . . .

**„. . . ergo sum"**

La pluvo malsana ploretas kaj nigrajn stratetojn regalas,
Frapante malvarmajn fenestrojn, per flustro de seka foli',
Kaj tiam – neniel sciate – al polvo putreska mi falas.
. . . Tristetas vespere la ĉambro por ĉiam lasita de mi.

La flor' ekvivanta tra vitroj rigardas kaj min jam atendas,
Roman' kun folio faldita aspiras je l' tuta traleg',
La bronza Apollo, sur soklo, al pordo rigardon alsendas,
Kaj via letero, surtable, atendas min veni por leg'.

Seĝego meditas ĉe l' fajro, piano pripensas poemon,
La lum' de l' kameno luliĝas sur florornamita tapet',
Virinon ekŝajnas kurteno, konzolo ekŝajnas triremon,
La raŭka resono horloĝa ekritmas nun kvazaŭ sonet'.

Mi vidas sur vando bildetojn, memoron servantajn eterne,
La sofon, sur kiu min ofte inspiris anĝela reveg',
Nur min jam ne vidas mi ie, sed tamen min sentas interne,
Kaj via letero, surtable, atendas min veni por leg'.

## KRUCMILITO

Printempa vento. Sunsubiro ĉehorizonte pale mutas.
La aro de l' krucistoj lasas la varmajn bordojn de Bosfor'.
La uraganon preludante, en la aer' polvnuboj ludas,
Kaj pintoj de l' lancar' fajreras, banataj de l' krepuska or'.

Gotfred', Rajmond', Robert' la Flandra kaj batalantoj monde famaj,
Sinjoroj agrojn forvendintaj kaj la ogivajn fortikajojn
Kun servutuloj frakasintaj katenon pezan, liberamaj,
Kaj ĉiuj portas, alkudrite, krucsignon grandan sur vestajoj.

Ĉiuj decidis liberigi la teron palestinan sanktan,
Puŝitaj de l' batalsopiro kaj bigotisma la impuls',
Kiel, sub Konstanten' la Granda, kristanleĝaron protektanta,
Armeo venkis la paganojn sub la protekto de la kruc'.

Sed for, sur minaret' ebenon gvatanta ege kun atento,
Maltrankvilece, muezino rigardas longe, en silent',
Kaj ekvidinte polvon, lancojn alveni el la Okcidento,
Altigas frunton li, kaj preĝas, al sama sanga firmament'.

*Elrumanigitaj de C. D.*

Detlev Blanke

# Socipolitikaj influoj kaj la Internacia Lingvo – ĉu socisistemaj kaj politikaj-ideologiaj diferencoj reflektiĝas en Esperanto aŭ kreas lingvo-variantojn?

La temon necesus trakti pli detale ol eblas en la spacaj limigoj de ĉi tiu studo. Kaj ne mankus problemoj diversmaniere prezenteblaj. Pro tio multo devas resti nur resuma.

1. La tuta problemo de la internacia lingva komunikado kaj ties optimumigo, kion esploras la tre juna kaj hezite evoluanta scienca disciplino interlingvistiko, unuavice havas sociopolitikan karakteron. Tio koncernas ankaŭ la internacian pozicion aŭ perspektivon de difinita etnolingvo, ekzemple de la angla, aŭ de planlingvo kiel Esperanto.

Pro tio la sukceso aŭ malsukceso de internacia lingvo altgrade dependas de la ĉefa direkto de la internacia politika evoluo. Sen vera internacia malstreĉiĝo, funkcianta paca kunekzistado kaj brido de la militdanĝero efika malkonstruo de la lingva bariero ne estas imagebla.

Ju pli demokrataj principoj determinos la internaciajn rilatojn des pli kreskos la ŝancoj konscie kaj laŭplane antaŭenigi sendiskriminacian internacian lingvan komunikadon. La 11a tezo de Karl Marx pri la germana filozofio de Ludwig Feuerbach (Fojerbaĥ) tekstas: „La filozofoj nur malsame interpretis la mondon, sed necesas ŝanĝi ĝin."[1]) Parafrazante ĉi tiun faman tezon por la monda mapo de internaciaj lingvaj rilatoj, oni povus diri: „La lingvistoj nur malsame interpretis la mondan lingvan problemon, sed necesas solvi ĝin." Ke la faktoro de konscieco en lingvaj kaj lingvopolitikaj aferoj kreskas, pruvas la rezultoj de la lingvo-planado, al kiuj ankaŭ apartenas la fenomeno de funkcianta planlingvo[2]). Socipolitikaj konceptoj multe pli ol lingvistikaj konsideroj influis la plej multajn aŭtorojn de planlingvaj sistemoj[3]). Proponoj de reformita germana (ekz. „Weltdeutsch" de Adalbert Baumann 1915), aŭ de leksike simpligita angla kiel „Basic English" (C. K. Ogden 1930) fakte nur celis internacie plifortigi la pozicion de la germana aŭ de la angla kaj pro tio esence estis lingvoimperiisme orientitaj.

Aliaj sistemoj kiel Occidental-Interlingue (Edgar de Wahl 1922) kaj Interlingua (Alexander Gode 1951) baziĝas sur la eliteca eŭropocentrisma koncepto, ke la lingva formo plej adekvata al la moderna pensado estas la romanaj lingvoj. Pro tio similaj sistemoj imitas ĉi tiujn lingvojn. Ludoviko Zamenhof antaŭ 100 jaroj ne unuavice volis solvi lingvistikan problemon sed socipolitikan, nome disponigi instrumenton por reduktado de interetnaj konfliktoj, laŭ li – erare – unuavice kondiĉitaj pro diverslingveco.

2. La lingvo kiel signo-sistemo estas produkto de la socio kaj baza instrumento, sen kiu la homa socio ne povus funkcii. Lingvo nur realiĝas pere de socia apliko.

Analizante kaj klasifikante la preskaŭ 1 000 provojn konstrui internacian komprenilon, de la mezepoko ĝis la nuntempo, oni povas imagi aron da evoluŝtupoj, kiujn povas trapasi sistemo de la projekta stadio ĝis lingviĝo.

La plej multaj sistemoj restis sen iu ajn apliko kaj apenaŭ atingis la stadion de publikiĝo. „Latino sine flexione" (Peano 1903), Volapuko (Schleyer 1879), Ido (Beaufront/Couturat 1907), Occidental-Interlingue (de Wahl 1922) kaj Interlingua (Gode 1951), do 6 sistemoj, troviĝis sur la vojo al lingviĝo: 1. publikiĝo, 2. eldono de gazeteto, 3. relative forta propagando de la sistemo kaj internacia koresponda uzo, 4. certaj organizaj formoj de la unuaj adeptoj, 5. eldono de literaturo traduka kaj iom originala, 6. aperas kelkaj periodaĵoj, 7. certa aplikado por fakaj celoj, 8. certa instruado en privataj kursoj, 9. unuaj internaciaj aranĝoj. Sed ili ne plene lingviĝis. Pro tio tiujn sistemojn mi nomas duonplanlingvoj, „semiplanlingvoj". Sole Esperanto trairis almenaŭ pluajn 9 ŝtupojn: 10. pli forta scienc-teknika kaj alifaka apliko, 11. evoluintaj kaj disbranĉiĝintaj naciaj kaj internaciaj organizaĵoj, 12. ampleksa beletro (traduka kaj originala), 13. relative disvastigita instruado (parte en ŝtataj lernejoj), 14. grandaj mondaj Kongresoj, 15. radiofonio, 16. klaraj sociaj kaj politikaj-ideologiaj diferenciĝoj en la lingvo-komunumo kaj releflektiĝo en la lingvo, 17. memstara junulara movado kun propra strukturo, 18. certa apliko kiel familia lingvo.

La unuaj adeptoj de Esperanto, fine de la 19a jarcento, eble povas esti nomataj burĝaj humanistoj, demokratoj, pacifistoj. Komence de la 20a jarcento socialdemokrataj intelektuloj kaj laboristoj ekformis novan komponenton en la parolantaro. Post la unua mondmilito aldoniĝis komunistoj, anarkiistoj kaj aliaj grupoj. Tiel dum la dudekaj kaj tridekaj jaroj aktivadis tre dinamika laborista Esperanto-movado[4]).

Nuntempe la parolantaro de la Internacia Lingvo pli malpli reflektas la spiritan, kulturan, filozofian kaj politiko-ideologian buntecon de la nuna mondo, kun siaj ĉefaj komponentoj, la du grandaj sociordaj sistemoj.

Ĉu ĉi tiu diverseco reflektiĝas en Esperanto?

Provante respondi tiun demandon, mi ligos miajn eksplikojn al fenomenoj observeblaj en mia gepatra lingvo, la germana. Kial?

La germana lingvo – aŭ eble la germana*j* lingvo*j*? – estas parolata(j) en ŝtatoj kun malsamaj politikaj-ekonomiaj sistemoj. En Aŭstrio, Federacia Respubliko Germanio kaj Svisio la lingvo servas al komunikaj celoj ligitaj unuavice al kapitalisma socio, kiu forte diferencas kun la socialisma socio en Germana Demokratia Respubliko. Tiuj diferencoj ekevoluis lige al fondo de la du sendependaj germanaj ŝtatoj, en la jaro 1949. Mi limigos miajn rimarkojn al la germana en ĉi tiuj du ŝtatoj, ĉar la ŝanĝiĝoj kaj diferenciĝoj principe estas similtipaj en Esperanto. Oni certagrade povas ĝeneraligi la ekzemplojn por la du ĉefaj mondaj sociaj sistemoj. Kaj pro tio la Esperanto-ekvivalentoj estas realaj.

3. La temo estas sufiĉe komplika pro tio, ĉar la menciotaj

lingvaj faktoj ne estas nur simple konstateblaj sed ankaŭ dependas i.a. de ideologiaj interpretoj, prijuĝoj, semantikaj kaj filozofiaj aspektoj, ofte ĉiuj ligitaj inter si aŭ miksitaj.
La plej movebla kaj ŝanĝiĝanta ebeno de la lingvo estas la leksiko. Relative stabila estas la fonologia kaj gramatika, iom malpli la stila ebenoj. Pro tio la vortoj *(paco, pacbatalo)* aŭ vortgrupoj *(paca kunekzistado)* reflektas la politikajn-ideologiajn diferencojn. Oni povas distingi kelkajn klasojn da sistemdependaj aŭ ideologie influitaj vortoj aŭ vortgrupoj.
3.1. Necesas substreki, ke ene de nacio aŭ ŝtato ekzistas klasaj kaj ideologiaj diferenciĝoj. Kvankam oni ne povas paroli pri klasaj variantoj de nacia lingvo, tamen eblas distingi leksikajn specifaĵojn de la laborista klaso disde la burĝa. En la laborista Esperanto-movado ankaŭ ekaperis specifaj esprimoj: *ruĝulo, klasfrato, klasbatalo, Internacio, sennaciismo, Lantiismo* (doktrino de Lanti), *kvinjarplano, soveto.* En kelkaj laboristmovadaj Esperanto-materialoj anstataŭ *„kaj"* oni trovas *k* (eĉ hodiaŭ en PIV). Lanti iniciatis la pliampleksigon de la korelativa matrikso per *ali-: aliu, alia, alio, alies, aliom, alie, aliam, alial, aliel.* Li trovis imitantojn, sed nuntempe apenaŭ plu.
3.2. Depende de la origino de nova teknika fenomeno, invento aŭ scienca akiraĵo en la germana kaj same en Esperanto oni certatempe trovas sinonimojn. Povas poste okazi interegaliĝoj aŭ sencnuanciĝoj
(de = ISO-mallongigo por „germana", eo = Esperanto).

| de | | eo |
|---|---|---|
| GDR | FRG | |
| – Sputnik | Satellit | sputniko – satelito |
| – Kosmonaut | Astronaut | kosmonaŭto – astronaŭto |

3.3. Pro la ŝanĝiĝinta kaj disevoluinta socia realaĵo en la germana lingvaĵo parolata en GDR, troviĝas multaj vortoj ne ekzistantaj en la „federacia varianto".

| de (GDR) | eo |
|---|---|
| – Volkssolidarität | – popola solidareco (= organizaĵo) |
| – Landwirtschaftliche Produktionsgenossenschaft | – agrikultura kooperativo |
| – Konfliktkommission | – konflikta komisiono (socia tribunalo) |
| – Zielprämie | – celpremio |
| – Industriepreisreform | – reformo de industriaj prezoj |
| – Volkseigentum | – popolproprietaĵo |

Relative malmultaj rusismoj enpenetris en la germanan de GDR, ekz.:

| | |
|---|---|
| Sowjet, Bolschewik | soveto, bolŝevisto |
| Kolchos | kolĥozo (ĉiuj en PIV) |

Rektaj paŭsaĵoj el la rusa estas i.a.
– *Volkswirtschaftsplan – narodnochozjajstvennyj plan*
*popolekonomia plano*
– *Kulturhaus – dom kultury*
*kulturdomo*
– *Brigadetagebuch – dnevnik brigady*
*brigada taglibro (registrilo de la laborrezultoj de la brigadanoj)*
Ne ĉiuj similtipaj vortoj sen klarigoj estas kompreneblaj. Same ekster Jugoslavio multaj terminoj de la *„memadministrado"* (Samoupravljanje) restas nekomprenataj. Pro tio laŭdindas la apero de serbokroata-esperanta terminaro pri tiu temo[5]).
3.4. En la germana lingva varianto de FRG ekzistas multaj vortoj por kiuj nur tie ekzistas la nocio, sed mankas en GDR, ekz.

| de (FRG) | eo |
|---|---|
| – Bundesland | – federacia lando |
| – Sozialwohnung | – sociala loĝejo (malmultekosta, donita de sociala oficejo por helpbezonaj personoj) |
| – freie Marktwirtschaft | – liberkonkurenca ekonomio |
| – Lohn-Preis-Spirale | – salajro-prezo-spiralo |

3.5. Ekzistas en ambaŭ lingvaj variantoj multiĝantaj vortoj samaj sed kun malsamaj signifoj:

| eo | de | |
|---|---|---|
| | GDR | FRG |
| aktivisto | *Aktivist:* laborulo distingita pro elstaraj laborrezultoj | *Aktivist:* agema homo |
| plano | *Plan:* 1. intenco 2. skiza skemo 3. leĝo ekonomia (aŭ alia) direktivo | *Plan:* nur 1. + 2. de la GDR-signifoj |
| domlibro | *Hausbuch:* nur: kajero kun la personaj datumoj de loĝantoj kaj domvizitintoj | *Hausbuch:* eksmodiĝanta: libro ekzistanta ĉe multaj familioj kaj ofte legita |

Krome, vortoj kiel *demokratio, libereco, solidareco, internaciismo* havas aliajn signifokomponentojn en GDR ol en FRG. Diversideologiaj esperantistoj, diskutante pri kaj per tiuj nocioj, do devas fiksi siajn starpunktojn kaj unue difini la noviojn.
En tiu klaso ankaŭ ekzistas multaj vortoj, kiuj en FRG apartenas al la tavolo de la komuna lingvo, sed estas en GDR kaj komunlingvaj kaj marksismaj terminoj, do fakvortoj: socialismo, kapitalo, varo, ideologio, ekspluati.
Aliloke mi iom analizis la Plenan Ilustritan Vortaron laŭ tiuj vidpunktoj[6]) kaj trovis aron da ekzemploj, ke oni ne sufiĉe registris la faktan lingvouzon, kiu estas karakterizata de diversideologiaj influoj.
Ekz. ĉe „materio" (PIV 676) mankas la filozofia difino „Kozako" estas laŭ Plena Vortaro (265) „1. nomada rabisto, 2. Dum la cara tempo, kavaleria soldato, rekrutita en la popoloj el la sudorienta parto de Rusujo. 3. Malmolkora, kruela homo. Kaj en PIV (575) restas 3. Kruda, malmolkora homo. Nu – pseŭdodifino tute ne akceptebla por la pace agrikulturantaj nuntempaj kozakoj ĉe la Donrivero en Soveta Unio.
3.6. Ideologi-dependaj pritaksoj per lingvaj rimedoj:
Depende de la politika-ideologia pozicio parolanto de la germana en GDR aŭ FRG – kaj tio same validas por Esperanto – havas pri samaj aferoj malsaman pritaksan aŭ emocian rilaton, respektive nomas la saman nocion, konscie aŭ nekonscie, eŭfemisme respektive erarige.
3.6.1. Por samaj nocioj estas uzataj samaj vortoj. Sed ili estas malsamvalore konceptataj. Ekz. la *Pariza Komunumo, ruĝa, ruĝulo, komunisto,* estas en socialisma kompreno pozitive akceptataj, sed en nesocialisma kompreno ofte kun negativa, eĉ insulta signifoj.
3.6.2. Por samaj nocioj estas uzataj malsamaj esprimoj cele al eŭfemisma prezento. Ekz. la ŝajne de britaj koloniistoj inventita institucio *koncentrejo* per la vortkorpo mem nenion esprimis pri la krueleco de la afero, kiu pleje misfamiĝis pere de

la germana faŝismo. En PIV (p. 541) oni trovas eŭfemisman difinon: *„Barakaro, en kiu homoj estas koncentritaj, aŭ por faciligi ilian proviantadon, aŭ por amaspunadi ilin."* Aliaj diverspritaksaj sinonimoj estas:

| de | | eo |
|---|---|---|
| GDR | FRG | |
| Faschismus | National-sozialismus | faŝismo – nacisocialismo (naziismo) |
| Lohnarbeiter | Arbeitnehmer | dungito – laborprenanto |
| Kapitalist | Arbeitgeber | kapitalisto – labordonanto |
| Hochrüstung | Nachrüstung | superarmado – postarmado |

Aŭ la usona *Strategi-Defend-Iniciato*, SDI, (Monato 6/86, p. 5) nomiĝas en GDR foje *Astromilita Programo* (GDR-Paco 1985, p. 7), *Sternenkriegsprogramm*.

3.6.3. Ne malofte, depende de iom ekstremaj vidpunktoj, oni anstataŭas oficialajn nomojn per aliaj kun malŝata komponento:

| de | | eo |
|---|---|---|
| GDR | FRG | |
| – Generalsekretär der Partei | Parteichef | – Ĝenerala Sekretario de la partio – partiĉefo |
| – das Zentral-komitee der KPdSU | der Kreml | – Centra Komitato de KPSU – Kremlo |
| – sozialistische Länder | Ostblock, Satel-litenstaaten Moskaus | – socialismaj landoj – orienta bloko, satelitaj ŝtatoj de Moskvo |

Aŭ oni resumas socialismon kaj faŝismon, intence misgvide, sub „totalitarismo".

En la Esperanta gazeto „Horizonto" 64 (4/86) mi trovis jenajn esprimojn, kiuj prilumas la problemon: *ĝisostaj sovetiistoj, sovetia bloko, blokaj landoj – demokrataj landoj* (la „blokaj" estas la socialismaj), *ĝenerala instrukcio de Moskvo, sovetiismaj komplotintoj*, kaj simile.

3.7. Kiel pluajn diferencojn en la germanaj lingvovariantoj de GDR kaj FRG oni povas mencii, la en GDR multe malpli grandan influon de la angla, de subkulturaj ĵargonoj, de la reklamo-lingvo. La lingvaĵo de la amasmedioj en FRG estas pli bunta.

4. Jen kelkaj ekzemploj, certe nesufiĉaj, sed espereble iom prilumantaj la problemon. Restas la demando, ĉu vere paroli pri du germanaj lingvoj? Ĉu la ankaŭ en Esperanto montritaj diferencoj kreas lingvovariantojn?

Ne ignorante la montritajn diferencojn kaj evoluproblemojn, oni parolas nur pri **unu** germana lingvo, ĉar

- La malsama parto de la leksiko estas relative malgranda.
- Al la lingvo ankaŭ apartenas la lingva pasinteco, la heredaĵo.
- Ekzistas fortaj amasmediaj, personaj kaj aliaj kontaktoj inter la parolantoj de la germana lingvo, tiel ke la variantoj kaj diferencoj principe restas reciproke komprenataj kaj reciproke influas unu la alian, pli forte, cetere, de FRG al GDR.

La saman oni povas principe apliki al Esperanto: la plimultiĝantaj kontaktoj, skribaj kaj parolaj, inter diversstarpunktaj parolantoj de Esperanto, daŭre certigas egaliĝon de la komprena nivelo. La neceso kaj preteco kompreni la lingvaĵon de la alia komunika partnero, kiu eble prezentas alian vidpunkton, estas *grava elemento por reciproka interkompreniĝo nelingva helpe al plifortigo de reciproka konfido, helpe al forigo de miskomprenoj, helpe al la sekurigo de la paco sur la mondo.* Al tio sendube kontribuas la lingve nuancriĉa kaj komunikpotenca Esperanto.

**Notoj**

1) Laŭ Karl Marx/Friedrich Engels. Ausgewählte Werke in sechs Bänden. Band I, Berlin: Dietz 1977, p. 200

2) Kp. Blanke, D.: Pri la laŭplana influado je la lingvoevoluo fare de la homo. En: Paco, GDR-eldono, Berlin 1981, p. 23–31

3) Pri la tuta problemaro de planlingvoj kp. Blanke, D.: Internationale Plansprachen. Eine Einführung. Berlin, Akademie-Verlag 1985

4) Kp. Blanke, D.: Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado, Budapest: Hungara Esperanto-Asocio, 1978 [2-a eldono 1986]

5) Strugar, N./Sekelj, A.: Leksikon društvenopolitičke i samapravne terminologije. Srpskohrvatski-Esperanto. Zagreb: Internacia Kultura Centro, 1983

6) Kp. Blanke, D.: Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto. En „der esperantist", n-ro 44 (1970)

Mi krome utiligis:

- Kleine Enzyklopädie Deutsche Sprache. Leipzig: Bibliographisches Institut, 1983
- Lerchner, G.: Zur Spezifik der Gebrauchsweise der deutschen Sprache in der DDR und ihrer gesellschaftlichen Determination. En: Deutsch als Fremdsprache, Leipzig, 11 (1974), n-ro 5, p. 259 ĝis 265.

(La teksto estis prezentita kadre de la internacia simpozio „Socilingvistikaj aspektoj de la Internacia Lingvo – kun aparta konsidero pri la lingva diverseco en la mondo", 5.–7. 8. 1986, Tokio. La referaĵo aperis en la Plena Raporto de la simpozio ĉe Japana Esperanto-Instituto, Tokio, 1987, p. 170–174)

---

**Oleg Guraŝ**

# Tion oni ne forgesu!

„La nuklea armilo endanĝerigas nian mondon" – tio estis la devizo por ekspozicio en Moskvo, kies aranĝintoj estis la japana socia-religia organizo Soka Gakkai Internacia, la Sovetia Packomitato kaj la UNO-departemento por malarmado kaj publika informado.

Pro la terura nuklea ardo ŝrumpitaj ŝuoj, fandiĝintaj vitraj kaj ceramikaj ujoj, moneroj, horloĝoj – tiuj ĉi ekspoziciaj objektoj estis atestantoj de la nuklea neniigo de Hiroshima kaj Nagasaki. Multaj fotoj kaj diagramoj avertas pri tio, kion nuklea katastrofo povas rezultigi por la mondo.

La stando „La nuklea armilo hodiaŭ" informas pri la pereiga danĝero kiu ŝvebas super la homaro. 50 000 nukleaj eksplodŝargoj estas amasigitaj sur la planedo, ilia taksita detonacia forto entute superas la detruforton de la Hiroshima-bombo 1 000 000-foje. Tio estas 13 miliardoj tunoj da trinitrotolueno, t.e. 3 tunoj por ĉiu terloĝanto, inkluzive suĉinfanojn. La detonacia forto de tiu amasigita nuklea potencialo sumiĝas je 20 000 megatunoj, kvankam por la neniigo de nia planedo sufiĉus nur 400 megatunoj. En Hiroshima pereis ĉirkaŭ 200 000 homoj. La tuttera nuklearmila provizo sufiĉus por mortigi 200 miliardojn da homoj, t.e. pli ol 40-foje la nunan loĝantaron de la mondo. La homa frenezo vere ne konas limojn!

Multaj Moskvanoj respondis demandojn de certa demandolisto. Ĉi tie unu respondo: Tanja Masurina, 14-jara lernantino. „Kiam mi venis al tiu ĉi ekspozicio kaj vidis fotojn el tiuj jaroj, mi preskaŭ ploris. Neniam mi vidis tiajn terurajn fotojn. Mi ĉion rakontos al miaj samlernejanoj. Pleje afekciis min la foto de pereinta en fajro knabo. Tion oni ne forgesu!" La japana organizo Soka Gakkai donacis tiun ĉi ekspozicion al la Sovetia Packomitato.

*El: „La 20a jarcento kaj la paco", Moskva, 9/1987). Trad. Ulrich Becker*

Canko Murgin

# Embrio de Totala Katastrofo Minacanta la Homaron

Tiu temo jam estas nek abstrakta, nek superflua. Hieraŭ ĝi estis nekonata. Ties materialoj kuŝis en paperoj de antaŭ 120 jaroj. Nun ili fariĝis aktualaj pro la Esperiga Steleto, kiu ekbrilis sur la socia firmamento de homaro en formo de Kontrakto inter Usono kaj USSR por Senarmigado (la 8-an de Decembro 1987) per malmunto kaj neniigo de mez- kaj et-distancaj misiloj kune kun ties tuta municio.

Okazas ne malofte en la historio, ke dum longa tempodaŭro iu Nova Pens-s(ad)o aŭ Nova Sent(ad)o ĉu de poeto, ĉu de filozofo aŭ faka sciencisto restas sen atento, neglektata fare de vasta publiko; restas sen kuraĝigo, ignorata fare de fajne postulemaj fakuloj; restas ne nur sen subteno, sed fariĝas objekto de malpermeso, persekuto kaj inkvizicio fare de aristokrate burokrateca administracio. Ordinare oni konsideras la Novon – en nia kazo la Novan Pensadon – malnecesa, provoke nekutima, nekredeble senbrida, absolute fantazia... nekontrolebla, ne havanta analogon. Koncize la Nova Pensado en komenco estas hereza, ĉar la tradiciulo restas antaŭ ĝi senpova por kompreni ĝin kaj senfara por apliki ĝin.

La tradicie pensanta homo ne toleras penson ekster la jam kutima normo kaj li rapidas por transformi ĝin al „blanka makulo", al „ŝtonigita estaĵo". Tamen tiu, eĉ en tia stata formo efikas, brilas per nevidebla lumo kaj pacience atendas la baton de sia horo, atendas sian realiĝon. Kaj kiam tiu horo de metamorfozo – el regno de ombroj al regno de reala vivo – alvenas, tiam – nur tiam – la Nova Pensado fariĝas interesa, tre ŝatata, preferata; estas alloga, potence kaptiva kaj instigas necedeme al **perestrojko**[1] (restrukturigo) de la socio kun gravaj sekvoj al plibonigo por la vivo de homaj individuoj, de etnoj kaj nacioj – de la tuta homaro.

Frue aŭ malfrue la Nova Pensado atingas la koron de homaro. Tiam de Cindrulino ĝi fariĝas Or-knabino. Kaj tio, kio estis nerimarkita aŭ persekutata, subite fariĝis evidenta kaj klara, pli ol necesa, fariĝis baza principo kaj ĉefkriterio pri Vero, Bono, Belo en la ampleksa, komplika kaj antagonisma vivo de la nuntempa mondo.

Tra sia longa historio la homaro renkontis plurajn kazojn pri apero de Nova Pensado (Ideo, Sento, Idealo) eĉ ekde praantikva epoko. Tute certe ni – la esperantistaro – devas lerni diligente, studi profunde kaj esplori pli detale **tiujn kazojn de Nova Pensado, ĉar ĉiu el ili apartenas al unu kaj sama „Familio", kiu perfektiĝas en ĉiu sia nova generacio.** Ĉiu vere Nova Pensado estas nur ŝtuparo al pli alta nivelo de disvolvo. La Nova Pensado kontribuas al kresko, vastigo kaj pliampleksiĝo de humanisma tendenco. Kaj se la reganta kasto de ekonomie dominanta soci-klaso spitas kontraŭ la Novo kaj malpermesas enradikiĝon de nature aperinta sociprogreso – tiam la koncerna civilizo, pro diversaj kaŭzoj, finfine... pereas. La egiptajn hieroglifojn de antaŭ 5 000 jaroj oni sukcesis legi kaj kompreni apenaŭ ekde 1820-aj jaroj. Iom poste, en mezo de la XIX-a jarcento fakuloj eksukcesis en lego kaj kompreno de kojnoskribo el Mezopotamio, samaĝa al egiptaj hieroglifoj. Ofte oni ne povas traduki parton de tiuj tekstoj, tial oni anstataŭas ilin per tripunkto (...). Estas trovitaj tekstoj praantikvaj ĝis nun netradukitaj. La priparolitaj tripunktoj kaj la netradukitaj tekstoj estas Eterna Monumento pri Malcedemo de iamaj sklav-posedantoj.

Tio estis iam. Jen tie, jen aliloke pereis civilizoj en apartaj regionoj, en apartaj ŝtatoj. En nia epoko Totala Katastrofo minacas ne unu regionon, ne unu ŝtaton, sed la tutan homaron per ekstermo. La iniciatoro pri nuligo de tiu minaco estas Miĥail Sergeeviĉ Gorbaĉov, Ĝenerala Sekretario de KPSU (ekde 1985). Per la Nova Pensado li gajnis la koron kaj menson de ĉiu honesta homo kaj altigis la batalon por Kunekzisto en Amikeco kaj Kunlaboro je ŝtata (Prezidenta, Registara) nivelo. Fine de 1987, iu usona gazeto lin honoris per titolo „Gardanto de la Flamo" t.e. Nova Prometeo kaj alia usona gazeto („Time") lin proklamis „Persono Numero 1 de Jaro 1987"[2]. Venis similaj rekonoj por M. S. Gorbaĉov ankaŭ el Jugoslavio, Hispanio k.a. Tiu spontana, publika rekono – en internacia skalo – pro liaj meritoj en iniciatemo kaj insista klopodo al senarmigado, al solvo de ardantaj problemoj nur laŭ paca maniero, nur per pacienca traktado inter partneroj.

El praktika vidpunkto la radikojn de nuntempa Nova Pensado oni devas serĉi en 1940, kiam prof. Rudolf Peierls[3], el Universitato de Birminghamo (Anglio) por unua fojo en la mondo elkalkulis la mason kritikan[4] de uranio – 235 aŭ eble en 1945, kiam Usono eksplodigis la unuan atoman bombon aŭ eble en periodo 1949–1953, kiam Sovetio rompis la monopolon de Usono pri posedo de atoma kaj nuklea armiloj. Tamen el teoria vidpunkto oni devas serĉi la radikojn de nuntempa Nova Pensado (pri perestrojko t.e. pri restrukturigo de la socia homar-vivo) en la tempospaco inter la du mondmilitoj (1918–1939). Kiam sciencisto V. I. Vernadski (1863 ĝis 1945) avertis en 1922, ke la homaro baldaŭ havos je sia dispono la atoman energion[5], kiu estu por Bono, sed ne por amas-murdoj kaj detruo. Preskaŭ tiutempe la verkisto Andreo Belij (1880 ĝis 1934) antaŭdiris la atoman bombon[6].

Kaj tamen ŝajnas al mi, ke oni devas pluen retro-iri al la dua duono de la XIX-a jarcento. Tiam, antaŭ pli ol jarcento, la fajranta fantazio de F. M. Dostojevskij (1821–1881) lanĉis akran HAKILON, kiu sputnike cirkulis ĉirkaŭ la Tero, minacante la homaron per ekstermo[7]. Jen simbolo pri naskiĝo de Astra Milito. Preskaŭ samtempe la rusa revolucia demokrato kaj verkisto Nikolao Gavriloviĉ Ĉerniŝevski (1828–1889), dum sia longa punlabora ekzilo en Siberio, verkis prognozon pri homardisvolvo en du „orientaj" fabeloj („Direktilon al Direktisto" kaj „Aŭgur-Signo pri Sango"). Ili estas verkitaj en periodo 1868–1870, kiu estas limigita per fondo de internacia Ligo por Paco kaj Libero (1867, Ĝenevo), de la unua eldono de „La Kapitalo", ĉef-verko de Karlo Marks, de unu flanko kaj per eksplodoj de Franca-Germana Milito (1870–1871) kaj de Pariza Komuno (1871), de alia flanko. Aleksandro Ivanoviĉ Ĥercen (1812 ĝis 1870) konfirmas aperon de simptomoj pri gravaj soci-ŝanĝoj en tiu periodo (1868–1870). Finante la novelon „Doktoro, la Mortanta kaj la Mortintoj" (1869) li kun rajto konstatis: „Aperis novaj kaj fortoj kaj homoj."[8]

En siaj du „orientaj" fabeloj Ĉerniŝevski konturis la teorie eblan „Totalan Katastrofon", minacantan la homaron per

kompleta ekstermo pro invento de „giganta bombo" (nun: super-bombo, amas-mortigilo), per kiu la atakanta lando atingas plenan ekstermon de malamikaj armeo kaj loĝantaro, kaj sinkrone, per tiu sama eksplodo ĝi neniigas ankaŭ siajn armeon kaj nacion... Tiu belliteratura fantazia konstruaĵo (el pensoj, bildoj kaj principoj) estas nun – en nia epoko – tute reala, tute konkreta pro ambaŭflanka posedo de atoma kaj nuklea armiloj (bomboj). Tamen la humanisme avertaj fabeloj de Ĉerniŝevski iam ŝajnis al legantaro tute nekredeblaj, arbitre elpensitaj, tial oni malatentis ilin, eĉ la fakuloj ignoris kaj forgesis ilin spite la teorie eblan „Totalan Katastrofon", tie esprimitan. Jen Ĉerniŝevski-prognozo:

Ĉerniŝevski kredigas, ke tiutempe (1868 ĝis 1870) iu Abu Ĝafar[9] el nerusa nacio, aŭguristo el la „kasto" de sentaŭguloj estis devigita fare de Ĉiela Super-Forto anonci al sia gento aŭtentan profetaĵon, kiun li tralegis en la „Libro de Destino". Kaj Abu Ĝafar diskonigadis, ke estas grupo de homoj, kiuj posedas kaj sekrete gardas plan-desegnaĵojn, elpensitajn de homo kromnomata Libro-Vorant'[10]. Laŭ tiuj planoj oni jam konstruis tri gigantajn bombojn kaj krome konstruos Mirindan Ĉiopovan Maŝinon. Kvankam temas – en komenco – pri formalaĵoj, mi menciu: en 1945 Usono (nerusa lando) fabrikis precize tri bombojn. La unuan oni eksplodigis esplorcele apud aerodromo de Almogordo en ŝtato Nov-Meksiko (Usono). Per la ceteraj du estis atakitaj Ĥiroŝimo kaj Nagasako en Japanio (la 6-an kaj 9-an de aŭgusto 1945).

Ĉiu, menciita en la fabeloj, giganta bombo havas kapaciton de „cent milionoj da pudoj". Unu pudo = 16,3 kg. Sekve la kapacito de fabele giganta bombo estas (16,3-oble 100 000 000 =) 1 630 000 000 da (pulvor-) kg. La sama kapacito en tunoj estas (1 630 000 000 : 1 000 =) 1 630 000 (pulvor-) tunoj kaj en mega-tunoj estas (1 630 000 : 1 000 =) 1 630 (pulvor-) mega-tunoj. Plue estas necese transformi la kapaciton el pulvoro al kapacito en trinitrotolueno, per kiu oni mezuras la kapaciton de atomaj kaj hidrogenaj bomboj. Sed eĉ sen tiu lasta kalkulo, ĝenerale oni povas konkludi, ke ĉiu el la tri bomboj (de Ĉerniŝevski) estas pli potenca (en detruo kaj mortigoj) ne nur ol la atoma bombo de 1945, sed ankaŭ ol nuntempaj hidrogenaj super-bomboj.

Krome, Ĉerniŝevski pentras la bildon de detruo kaj ekstermo en atakota loko (per giganta fabel-bombo). Ĉirkaŭ la centro de eksplodo je radiuso de „centoj" (200–900) da vojo/horoj etendiĝas la bombita areo. La „centoj" povus havi minimuman valoron – 200 kaj maksimuman – 900. La mezo de tiuj ekstremaj „centoj" estas (200 + 900 =) 1 100 : 2 = 550. Unu „vojo/horo" estas 5 km. Tial la minimuma radiuso de bombita areo estas (3,14-(200-oble 5 =) 1 000 km kaj la kvadraturo de tiu areo estas (3,14-oble 1 000$^2$ =) 3,14 milionoj da km$^2$. La meza radiuso (de tiu sama bombita areo) estas (550-oble 5 =) 2 750 km. La kvadraturo de tiu areo kun meza radiuso estas (3,14-oble 2 750$^2$ =) 23,75 milionoj da km$^2$. Evidente, kalkulo pri maksimuma radiuso kaj pri maksime bombita areo de unu kaj sama giganta bombo estas superflua, ĉar la tuta kalkulado ĉi tie estas proksimuma.

La giganta bombo estas lanĉota per tre potenca katapulto. Flugante al malamiko tiu bombo sin levas je alteco de mil verstoj t.e. 1 066 km. Post atingo de tiu alteco la giganta bombo falas vertikale, kvazaŭ el ĉielo, sur la kapon de malamikaro. Ekde punkto de eksplodo je mezdistanca radiuso – 2 750 km ĉiuj homoj estas ekstermitaj. La tuta vasta regiono estas senhomigita. Je minimumdistanca radiuso – 1 000 km ne nur la homoj pereis, sed krome estas detruitaj ĉiuj urboj, vilaĝoj kaj unuopaj domoj en kamparo kaj montaro. Detruitaj estas ankaŭ la montoj, montaroj kaj montoĉenoj. Per ties ruinoj estas plenigitaj rivervaloj, lagoj kaj maroj, kaj la ebenaĵoj estas kovritaj per ruinoj el rokoj, ŝtonoj kaj ŝtonetoj el bombe diserigitaj montaroj. La bombita vastega regiono estas senhomigita ŝton-dezerto, nek loĝebla nek kultivebla. Funebro kaj detruo brakumis ne nur la bombitan malamikan landon, sed ankaŭ ties najbar-landojn, inkluzive la landon de super-memfida militarisma atakanto mem.

Ĉerniŝevski kreas por sia legantaro devige pripensindan situacion. Li celas veki la menson, vigligi la koron de sia kunfrato laŭ deveno al Novaj Penso kaj Sento, al alte humanisma moralo, al adoro de la Vivo. Nun, en nia epoko, nur frenezulo povus aspiri al plena venko kontraŭ sia „sanga" malamiko, ĉar la atakanta lando pereigos ankaŭ sin mem per la sama tiu unua eksplodo. Ŝajne ne estas bezonata multe da tempo, por ke ĉiu aparta homa individuo, por ke ĉiuj nacio kaj etno povu kompreni kaj firme decidi, ke vera solvo estas ne minaco kaj konfrontado, sed kunekzisto kaj kunlaboro, ne terorismo kaj sabotado, sed amikeco kaj dialogo. Fakte la pacdefendantoj devas multe klopodi en tiu direkto. Efektive, la militaristoj ĉie estas et-nombra kamarilo, sed ili estas kosiderinda potenco, reganta plejparte en grandaj kaj disvolvitaj landoj. Ili posedas instinktan spertοn por regi, militi, rabi, ekstermi. Ili esperas ne al amasa subteno fare de la popoloj, sed al Infera Armilaro por plena venko sur la vojo al monda regado.

La tezo pri redukto de armiloj, pri politika malstreĉiteco, pri reciproka sekureco sen timo, pri amikeco kaj respekto inter la nacioj, pri kunekzisto en mondo sen atak-armiloj, sen militoj, sen altrudo, sen aroganteco; pri mondo disvolviĝanta en demokratio kaj glasno[11], pri mondo, postulanta de ni insistan varbadon por sukcesigi la epokon de Nova Pensado por la tuta homaro.

La homara pacproblemo estas malnovega, eĉ praantikva. Pripensu: la unua ribelego de sklavoj kontraŭ la ŝtato de sklav-posedantoj okazis en Egipto, en la XVIII-a jarcento (ĉirkaŭ la jaro 1750) antaŭ la nova erao. La unua skriba packontrakto estis farita en la XV-a jarcento antaŭ la nova erao. Tamen la unuaj pacorganizoj estas reletive novaj, fonditaj komence de la XIX-a jarcento, post Napoleon-militoj (en Bostono – 1810, en Nov-Jorko – 1815, en Londono – 1816, en Ĝenevo – 1830[12] k.a.

En daŭro de pli ol unu jarcento (1815 ĝis 1917) la organizita pacifisma movado ekzistis en miniatura skalo kaj estis jen utopia, jen provizora instrumento en la manoj de ŝovinistoj – plejparte dum militoj – aŭ ĝi estis objekto de persekuto fare de naciaj kaj alilandaj militarismaj rondoj. Krome, pro internaj bataloj por altrudo de propra frakcia platformo la pacifistoj senĉese bremsadis sin mem. La Granda Oktobra Socialisma Revolucio (1917) altigis la pacdefendon al ŝtata nivelo. La faŝismaj reĝimoj en Italio (ekde 1922), en Germanio (1933) kaj militarismo en Japanio unuiĝis en „Pakto kontraŭ Kominterno" (1936), kaj aplikis arogan agresemon preskaŭ senĉese, sed atingis – en certa senco – la funebran destinon (malvenkon kaj pereon) de Roma Imperio en la V-a jarcento (jaro 476), post la nova erao.

Ĉerniŝevski ne estis la unusola verkisto de Rusio en la XIX-a jarcento, kiu okupiĝis kun prognozo pri disvolvo de la tekniko. Antaŭ li, alia rusa verkisto kaj poeto – A. S. Puŝkin (1799–1837), versante la romanon „Eŭgeno Onegin", pri la vivo de rusa popolo en la 1820-aj jaroj, iufoje lia verva fantazio petole pentris bildon pri la estonteco de vojoj en Rusio kun densa reto de modernegaj ŝoseoj, kun gigantaj feropontoj super bolantaj akvaroj, kun tuneloj sub riveroj kaj maroj[13], kun bufedo je ĉiu haltejo. El tiu bildo de estonteco radias optimismo kaj prospero, humanismo kaj progreso.

Ĉerniŝevski mem du fojojn okupiĝis pri teknikaj problemoj. Unuan fojon en 1849, kiam li klopodis pri invento de „perpetum mobile"[14], t.e. pri „eterna movigilo", eventuale funkcianta per Tera gravito. Kiam tiu maŝino estas inventota, laŭ prognozo de Ĉerniŝevski malaperos proletoj, malriĉuloj, et-burĝoj, ĉar al ĉiu el ili estas garantiota konstanta enspezo de meza burĝo. Post 20 jaroj Ĉerniŝevski elektis alian planon. En sia

prognozo de 1868–1870 li jam traktas ne progreson, sed regreson, la inversan flankon de progreso kaj kondukas siajn legantojn al apokalipsa punkto en la vivo de homaro, al tereno de eventuala Totala Katastrofo pro eksplodo de infere potenca amasmortigilo – la giganta fabel-bombo; al sakstrato, barita transverse ne per Muro videbla, sed per Abismo nevidebla, kies aperturo faŭkas por engluti la tutan homaron per unu fojo. Por sugesti realismon pri tiu prognozo Ĉerniŝevski donas konkretajn parametrojn, por ke la leganto povu elkalkuli la amplekson de bombita regiono, la detruon kaj la super-enormajn perdojn de homoj k.a.

Tamen la verkisto Ĉerniŝevski instruas, edukas, edifas apenaŭ rimarkeble, sed trafe kaj ŝpareme, laŭ facile kaptebla maniero – per aforismoj: „La popoloj tremos" pro tiuj bomboj. „Ho, ve al tiu lando sur kiun (falos) tiu bombo!" „Kaj ĝis kiam ne ekregos la Vero inter la homoj, nenio povos al ili helpi."

Ĉerniŝevski okupiĝis kun la strategio pri savo de la homaro el milito per amasmortigiloj. Tiam tio ne estis superflua, kvankam similas al ĥimero de Don Kiĥoto. Nun ĝi estas nobla konduto de granda demokrato, de socialisto, komunisto kaj de ekstrema respublikano[15], de tutmonda pacdefendanto el nia epoko. La popolamaso ne konis tiujn fabelojn, la fakuloj ignoris ilin. Nun ili estas io pli ol realismaj noveloj, ĉar la nuntempa mumilittekniko pruvas, ke la homaro staras antaŭ sia suicido, se ĝi ne sukcesos malebligi la Trian Mondmiliton.

Oni ne konas la diversajn etapojn kaj epizodojn de tiu batalo, ĉar mankas sistema kaj kompleta „Historio pri Porpacaj Penso kaj Movado". Bedaŭrinde, mankas ampleksaj verkoj en Lingvo Internacia pri historio, esenco kaj rolo de pacifisma, pacdefenda kaj kontraŭmilita movadoj. Krom tio, mankas tiaj verkoj ankaŭ pri la porpacaj penso kaj agado de neŭtrala kaj laborista Esperanto-movadoj kaj pri la paclaboro, farita de esperantistaj pacifistoj, pacdefendantoj kaj militrezistantoj ekster la vicoj de organizita Esperanto-movado. Kaj tamen ekzistas tre koncizaj kontribuoj en Esperanto pri pacifisma movado, de Anna T. Nilsson[16]; pri esperantista pacmovado, de Detlev Blanke[17]. Iom pli feliĉa en tiu rilato estas la Mondpaca Esperantista Movado (MEM), kiu eldonis tri modestajn inform-broŝurojn (1968, 1978, en Prago kaj 1983, en Budapeŝto)[18]. Krome, pri la historio de MEM aperis enkonduka ĉapitro[19] kaj biografioj pri Rudolf Burda[20], la unua Prezidanto de MEM, pri deko da aliaj elstaraj MEM-aktivuloj[21] k.a.

Multaj poetoj kaj verkistoj traktass en sia Esperanto-verkaro la problemojn de pacismo, pacdefendo kaj kontraŭmilitarismo, sed ties originaloj restas daŭre kaj draste nekonataj aŭ nur supraĵe komprenataj pro manko de gvidilo „Historio pri Esperanta Belliteraturo". Krome, mankas „Antologio ‚Kolombo'", kun poezio kaj prozo por paco, kontraŭ la milito. Tre utilega estus ankaŭ „Antologio pri Porpaca Publicistiko". Estas sufiĉe da tiaj kontribuoj, jam ekde la Komenco (1887).

Laŭdindaj estas la specialaj eldonoj de bulgara kaj hungara Esperanto-eldonejoj por la Internacia Jaro de Paco – 1986: en la libro „Mia Verda Pado", (Sofio, 1986) Ĥristo Gorov (Ĥrima) rakontas propran sperton pri siaj Esperantaj agado kaj verkado ekde 1925, do jam pli ol 60 jarojn. Lia sperto estas ege valora. Poeto kaj verkisto, laŭ Puŝkin-maniero – per rapideco de eĥo – li bele kaj precize spegulas multajn momentojn el la esperantistaj bataladoj por paco, por malstreĉiĝo, kontraŭ la militarismo, kontraŭ la bremsantoj de socia progresado. El la du verkoj „Mia Porpaca Agado" kaj „Internacia Jaro de Paco" (1986, Sofio) oni povas konkrete juĝi pri la packlopodoj de ties aŭtoro – Nikola Aleksiev. Mi volus nur iom aldoni: tiel li laboradis ekde 1929. En sia ĉarma kolekto „Beletraj Eseoj" (1987, Sofio), Georgi Iliev Miĥalkov traktas kompetente diversajn temojn el la originala esperantista belliteraturo kaj evidentigas sian ŝaton al la pacproblemoj, senmilitismo, socia progresado. La libro „Vojaĝimpresoj pri Japanio" (1987, Budapeŝto), de Vasja Cvetkova estas ampleksa bildo pri pacdefenda kunlaboro konkreta inter japanaj kaj bulgaraj esperantistoj.

Vigliga freŝeco blovas el verkoj de Fritz Wollenberg[22], presitaj en la lastjaraj numeroj de „Paco" (1985–1987), landaj eldonoj de MEM-Sekcio en GDR. Altnivelajn kontribuojn por paco, kontraŭ la Totala Katastrofo oni povas legi en „Paco", internacia organo de MEM, redaktata de Violin Oljanov; en „Internacia Ĵurnalisto", redaktata de Ivan Keremidĉiev; en „Esperanto", organo de UEA, redaktata de Mark Fettes[23].

Julio Baghy, esperantista poeto kaj novelisto-romanisto, sed konsiderinda ankaŭ en Esperanta publicistiko (ĵurnalismo), konis la suferojn kaj la perdojn pro la Unua Mondmilito. Komparante ilin kun tiuj en komenco (1939–1941) de la Dua Mondmilito, li kvazaŭ „vidis" la venantan – el milita nebulozo – Totalan Katastrofon kaj rekomendis sian Novan Mondkoncepton por malebligo de la militoj. En sia kulmina artikolo „Mondevoluo kaj Lingvo Neŭtrala"[24], verkita en Budapeŝto (1941.01.31), Julio Baghy eksplikas, ke la vivcelo de homaro ne estas la milito. Li konsideras la militon jam malkonvena por solvo de la internaciaj problemoj: „Postmilitaj periodoj de prospero kaj progreso instruas nin, ke la celo de la Vivo ne estas la milito. Jen la sola konsolo en la batalo por ekzisto. Milito ja estas kruela rimedo por renversi ion malnovan kaj atingi ion novan" (p. 5).

Julio Baghy kondamnas la avidan strebon de faŝismaj landoj (Germanio, Italio) por aneksi vivterenojn en Eŭropo kaj samtempe pledas por perfektigo de naciaj kaj internaciaj soci-formoj: „La celo de la homa vivo komuna entenas klopodon al pli perfektaj formoj sociaj kaj internaciaj. La batalo daŭras senĉese jen per pacaj, jen per armilaj rimedoj. Ĉiufoje la bataltereno pli kaj pli vaste etendiĝas. La hodiaŭa stato de la mondo montras, ke la Tero malgrandiĝas koncerne distancojn, interesojn. Nenio ol la nuna milito pruvas, ke paroli pri vivtereno kaj apartaj interesoj de unuopaj nacioj estas ioma anakronismo" (p. 5). Evidente, Julio Baghy insistas pri rekonstruo de la tuta mondo, por ke oni povu por ĉiam forigi la militon.

Ne ekzistas dubo, ke Julio Baghy konis la netolereblajn negativaĵojn de sia epoko kaj aparte – tiujn de la Dua Mondmilito (temas pri la momento – 1941.01.31 – kiam li verkis sian artikolon) kaj li konkrete pledas kaj konsilas pri principa reorganizo de socia kaj internacia vivo por preventi la militon: „Foliumante la Historion oni konstatas, ke la antikva principo ‚se vi volas pacon, preparu vin por milito' ĉiam rezultigis nur – militon" (p. 5). Kaj Julio Baghy faras tute konkretan proponon por inverse ŝanĝi la antikvan principon pri la prepar-laboroj por paco: „Kompreneble **la nova mondkoncepto** ankoraŭ **embrie vivas** en la utero de la estonto, sed ĝi jam vivas, evoluas kaj eble baldaŭ, **post la nuna milita periodo aperos por postuli vivorajton por si.** Sed la kristaliĝo de tiu n o v a m o n d k o n c e p t o bezonas daŭran pacan periodon por efiki kaj realigi ĉion, kio nun utopie skiziĝas antaŭ ni tra la nebuleca ĥaoso. La kristaligan periodon de **la nova mondkoncepto** (ĉar alimaniere la mondkoncepto neniam povos fariĝi ĝenerale akceptita) la **aliformita** (substreko de J. B.) apĥrincipo antikva ‚se vi **ne volas** militon, preparu vin por paco'" (p. 5).

Komence de 1941 Julio Baghy jam firme sciis, ke la ideo pri Mondo sen Militoj, sen Armiloj, sen Minacoj ne plu estas teoria supozo. Julio Baghy energie konfirmas, ke tiu nova Mondo ekzistas jam reale en stadio de vivipova embrio . . . kaj disvolviĝas. Krom tio, Julio Baghy solide konis, ke ĝi naskiĝos post la Dua Mondmilito, sed ne tuj, ĉar ĝi bezonas embrian periodon de kresko kaj perfektiĝo ĝis difinita grado. Fakte tiu periodo de embriaj kresko kaj maturiĝo daŭris 40 jarojn (1945–1985).

Julio Baghy konis profunde la diversajn

Daŭrigo sur paĝo 32

# Kvin poemoj pri la paco de Erich Fried

Pri la aŭtoro: Erich Fried naskiĝis la 6-an de majo 1921 en Vieno, fuĝis 1938 al Londono. 1944 aperis lia unua poemkolekto. Kunlaboro en antifaŝistaj gazetoj, 1960 apero de lia romano „Soldato kaj junulino". Ekde mezo de la sesdekaj jaroj en rapida sekvo pliaj romanoj kaj prozvolumoj, maldekstra aŭtoro, kontraŭ milito, por defendo de demokratio, kontraŭ faŝismo, nuntempe la plej sukcesa lirikisto en FRG, vivas en Londono, skribas germane.

## Bonaj kialoj

Ĉar ili pri la manĝo
en la hinduja restoracio
ĉe la stratangulo
simple diras:
Ĝi bongustis
kiel neniam antaŭe.

Ĉar ili raportas post junia semajnfino:
la ebloj por kunveturo
en la sennombraj aŭtoj
kaj la naĝado kaj kurado arbare
estis
kiel neniam antaŭe.

Kaj ankaŭ
ĉar ili klarigas al sia patrino
kiam ili denove enamiĝis:
ĉi-foje estas
kiel neniam antaŭe.

Tial mi volas, ke miaj infanoj –
kaj ne nur miaj –
vivu
kaj ne mortu
kiel neniam antaŭe.

## Paroli

Al la homoj
paroli pri la paco
kaj ĉe tio pensi pri vi.
Paroli pri la futuro
kaj ĉe tio je vi pensi.
Paroli pri la rajto je vivo
kaj ĉe tio pensi pri vi.
Paroli pri la timo de la kunhomoj
kaj ĉe tio je vi pensi –
ĉu tio estas hipokrita
aŭ finfine la vero?

## Konfuzo

Ami sin
en tempo
en kiu homoj mortigas homojn
per pli kaj pli bonaj armiloj
kaj lasas malsatmorti homojn.
Kaj scii
ke oni povas fari eton kontraŭ tio
kaj provi
ne fariĝi indiferenta.
Kaj tamen ami sin.

Ami sin
kaj lasi malsatmorti homojn.
Ami sin kaj scii
ke oni povas fari eton kontraŭ tio.
Ami sin
kaj provi ne fariĝi indiferenta.
Ami sin
kaj tempon post tempo
mortigi unu la alian.
Kaj tamen ami sin
per pli kaj pli bonaj armiloj.

## La vivantoj

Mi –
estis fuĝinto
en alia lando.

Vi
estis malsana
kaj oni eĉ ne akceptis vin.

Li
havis feliĉon
kaj estis vundita nur negrave.

Ŝi
estas vere, estis seksperfortita
sed tute sen damaĝaj sekvoj

Ĝi
tiam
ankoraŭ tute ne estis en la mondo.

Ni, vi kaj ili
la venontan fojon
ĉiuj devus morti.

## Interparolado kun transvivinto

Kion vi tiam faris
kion vi prefere ne farintus?
„Nenion"

Kion vi ne faris
kion vi devintus fari?
„Tion kaj ĉi tion
ĉi tiun kaj tiun:
kelkon"

Kial vi ne faris ĝin?
„Ĉar mi timis?"
Kial vi timis?
„Ĉar mi ne volis morti"

Ĉu aliaj mortis,
ĉar vi ne volis morti?
„Mi kredas
ke jes"

Ĉu vi ankoraŭ deziras diri ion
pri tio kion vi ne faris?
„Jes: Demandi vin
kion vi anstataŭ mi farintus?"

Tion mi ne scias
kaj pri vi mi ne povas juĝi.
Nur tion mi scias:
Morgaŭ neniu plu
vivos el ni
se ni hodiaŭ
denove nenion faros.

*(Elektita kaj tradukita*
*de Hans-Georg Kaiser*
*el Verlag Volk und Welt 86*
*„Die Umrisse meiner Liebe" de Erich Fried.*

Daŭrigo de paĝo 31

specojn de rilatoj inter homoj, soci-klasoj, nacioj, ŝtatoj. Surbaze de tiu realeco li faris konkretan analizon kaj konstruis prognozon, kiu nun estas aktuala. Ekde printempo de 1985 estis lanĉita la tuthomara instruo de la Nova Pensado kaj ĝi ekvivis, komencante sian funkcion por fundamenta rekonstruo de la internaciaj rilatoj kaj restrukturigo de la interna socia vivo en ŝtatoj, nacioj kaj etnoj – de la tuta homaro kaj de ĉiu aparta homa individuo.
Pri la kontribuo de d-ro Zamenhof mi ne intencas nun skribi, ĉar mi jam traktis detale lian preskaŭ kompletan mondkoncepton pri tiu temo en artikolo „L.-L. Zamenhof pri Perfektigo de la Homaro"[25].

## Notoj

[1] perestrojk'o, nova radiko kun substantiva signifo, el la rusa: perestrojka = restrukturigo, fundamenta rekonstruo, baza renovigo, sistema perfektigo.
[2] Balev, Milko: Aboco de la Nova Mondhistorio, p. 1, 8; Literaturen Front (semajna, bulgarlingva), XLIV, 2, (1988.01.07), Sofio, p. 8.
[3] Kutchariantz, Vladimir: La masse critique pour la sécurité, p. 7; Les Nouvelles de Moscou, (semajna), N-ro 51 (2 153), 20 décembre 1987.
[4] maso kritika = tiu minimuma kvanto (en kg) ekzemple de uranio – 235, ĉe kiu okazas ĉenreakcio tuj sekvata de atoma eksplodo.
[5] Gorbaĉov, M. S.: Elektitaj Paroladoj kaj Artikoloj, ruslingva, vol. 4, Moskvo. 1987, p. 391.
[6] Litvinov, V. M.: Je la Nomo de Arto, p. 34–59, Voprosi Literaturi, (ruslingva, monata), N-ro 6, (junio), 1987, Moskvo, p. 48.
[7] Adamoviĉ, A. M.: Milito kaj Belliteraturo – Problemoj de la Nova Pensado, p. 3–33, Voprosi Literaturi, (ruslingva, monata), N-ro 6 (junio) 1987, Moskvo, p. 32.
[8] Ĥercen, A. I.: Rakontoj kaj Noveloj, p. 478, Moskvo, 1987, ruslingva.
[9] Gafar, familia nomo tre verŝajne eltirita el la patra nomo GAVRivoviĉ de verkisto Ĉerniŝevski.
[10] En sia Aŭtobiografio N. G. Ĉerniŝevski, presita en Plena Verkaro de la verkisto, eldonita en Moskvo, 1939–1953, vol. I, p. 632 nomas sin mem Libro-Vorant', Libro-Manĝegant' = bibliofag, poĵiratelj knig.
[11] glasn'o, nova radiko kun substantiva signifo, el la rusa: glasnost = diskonigo, publikeco, publika kritiko.
[12] Nilsson, Anna T.: Datoj kaj Faktoj pri la Paca Movado, traduko el sveda originalo, Malmö, 1926, p. 7, 8, 14.
[13] Puŝkin, A. S.: Eŭgeno Onegin, romano en versoj, rigardu kiu ajn eldonon en rusa lingvo aŭ tradukon. Ekzistas ankaŭ traduko en Esperanto, farita de Nikolao Nekrasov, ĉapitro VII, strofo XXXIII.
[14] Skatov, N. N. (red.): Historio de Rusa Belliteraturo, en la dua duono de la XIX-a jarcento, p. 126, ruslingva, Moskvo, 1987.
[15] Noto 10: a) Plena Verkaro de N. G. Ĉerniŝevski, 1939–1953, vol. I, Moskvo, 1939, p. 121–122. b) Noto 14, p. 125.
[16] Noto 12, p. 7–47.
[17] Blanke, Detlev: a) Pacifismaj Motivoj en la Planlingva Movado, p. 11, Paco, XXXI, 3, majo–junio 1984, Sofio; b) Pacmovado kaj Esperanto-Movado, p. 3, Paco, XXXI, 4, julio–aŭgusto 1984, Sofio.
[18] a) Kio Estas MEM? (1953–1968), p. 28, (Prago) 1968; b) Koncize pri MEM, 1953–1978, p. 24, Prago, 1978; c) Mondpaca Esperantista Movado (MEM) 30 – Jara, red. Szilárd Balint, Budapeŝto, 1983.
[19] Murgin, Canko: Historio pri Mondpaca Esperantista Movado, Ĉapitro I, p. 28–33, Paco, organo de MEM-Sekcio en GDR, Berlino–Dresdeno, 1984; b) Embrio de MEM, p. 2–3, 14, Paco, oficiala organo de MEM, XXX, 2, marto–aprilo 1983, Sofio.
[20] Murgin, Canko: Rudolf Burda – Unua Prezidanto de MEM, p. 6, Paco, oficiala organo de MEM, XXXI, 2, marto–aprilo 1984, Sofio.

[fino p. 38]

## WILHELM HEINSE (1747–1803)

# FIORDIMONA

Nepre Vi rigardu ŝin! Impona figuro, ne trovebla aliloke; malgraŭ sensamo, tamen iom rifuzema. Ne ekzistas pli gaje kaj pli noble voluptama vizaĝo. Per okuloj de aglo ŝi ĉirkaŭrigardas kaj montras sorĉigajn, sed ne logantajn lipojn. La fiera kreskaĵo de ŝia svelta korpo el sub la roba vestaĵo ŝvelas tiel ekscitige, ke oni emus kolere forŝiri ĝin; kaj la mamoj elprenas sin varmege kaj lukse kiel sin levantaj printempaj sunoj. La vangoj kaj la mentono freŝe floras kaj formas la plej ravan ovalon, el kiu radias la lumo de la amo. O, kiel la brunaj bukloj die ŝvebas dum dancado, kiel la ĉiela rigardo naĝis laŭ muziko kaj movoj, kiel la belformaj gamboj per juneca forto sin levis kaj jen aperis jen malaperis kvazaŭ rapidaj fulmoj! Sed kial mi komencas tiun priskribon? Nur tiu viro ĝuas la plej altan feliĉon, kiu estas plektita per ŝiaj delikataj brakoj kiel vitoj la branĉon, kaj eĉ dio aŭ reĝo ne povas havi pluon.

Iom pli poste mi travivis tutan nokton kun ŝi, pli komforte kaj libere, en ŝia dormsaloneto, ĝis kiam la aŭroro kaj poste la suno ekradiigis ŝian belnudon, kaj mi tute ŝvebis en neĝenita plenĝuo de mia ekzisto per ĉiuj sensoj. Kiaj paroloj! Kiaj sensesprimoj! Kiel rapidegis la tempo; kia dolĉa ŝercado, kia ludado, kiaj kapricoj, infanecaj kaj ĉielaj! Ebrieta kaj avida mi forŝanceliĝis matene.

Certe iu klerulo pravis asertante, ke nur la morto restus, se ni forstrekus la volupton el nia vivo. Ŝi havas ĝuste tion, kion Sappho nomas la gracion de la inoj, la aminciton, kiu tiel ofte mankas ĉe la belulinoj kaj klerulinoj. Ŝi komprenas la arton amori, kaj konas la realajojn de tiu arto kun ĉiuj multfacetoj; ŝi estas virtuozo en ĝi, kompare kun aliulinoj ne konantaj eĉ la bazajn konojn.




Foto: Zentralbild

O, kiel ŝi karese alpremas sin, ŝi, la frukto delektanta min, el kiu mi suĉas per soifaj glutoj, – kaj poste, kiel ŝi tiranas miajn koron kaj menson sorĉante nevenkeble!

Pro ŝia dieco, ŝi ne bezonas la prudecon kiel aliuloj, sed ŝi preferas la tutnudecon.

Sed la kruelulino ne kontentas pri unu partnero, kaj eĉ ne provas tion; o, mi povus freneziĝi!

Iuvespere, promenante kun mi post gitarludo kaj kantado, dum mi karesis ŝin kaj plendis pro ĵaluzo, – ĉi-vespere ŝi diris:

„Estu ni sinceraj! . . . Se ino kun impona figuro kaj vivanta en riĉeco, estas plenkreskinta, – ŝi estus stulta, se ŝi prenus sur sin la jugon nedisigeblan de la edzeco. Sed diino ŝi restas, se ne edziniĝinta, reĝo de si mem, kaj povas elekti el inter la bravaj viroj iam ajn. Ŝi vivas en societo kun la plej prudentaj, plej belaj, plej spritaj, plej saĝaj; ŝi edukas la infanojn kun ĝojo, kiel propravolaj infanoj de la amo; ŝi plialtigas sin al la viro.

Kontraŭe, kiel edzino, kiel sklavino kaptita, ŝi nenion rajtas fari ekster leĝo kaj kutimoj, ŝi fine vidus sin malestimata eĉ de la sultano, por kiu ŝi oferis sin, sen ebleco montri al alia pli digna viro la altestimon per sincera maniero, ne nur per vortetoj kaj signetoj.

Kaj la ĵaluzo, minimume viaflanke, estas nenatura pasio kaj nur estiĝas el mizera malforto, el manko aŭ antaŭjuĝo. La fratoj kaj herooj, ĉiu valora kiel viro, travivu ĝojon en la komuna amo al bela ino. Ĉie en la vivo validas, ke la plej malgranda ĝuo kreskas per la partopreno de aliuloj kaj tiel eĉ atingas la plenon. Kial tio ne validu por la plej granda ĝuo? Kaj ĉu juna belulino ne kapablas amuzigi kelkajn virojn? Ĉu unu viro perdus ion, trinkante el la sama fonto kiel la alia, kiu tie sate trinkis? O vi povruloj, kiuj ne havas imagojn pri vivo kaj libero kaj grandeco de la karaktero! Tio estas la pura, vera plezurego, ke mi kiel tuteca persono, kiel mi vivas, kiel dia, unika, sendetruebla elemento, kiel sento kaj spirito, kiel guto en la oceano, – ke mi tiel rulas trans la maro de la estuloj, ĝuante ĉian perfektecon kaj ĝuata per ĉiuj perfektuloj, sen glui sur unu loko. Se io estas ĝuita, ĝi malaperu! Tio estas la plej ĝenerala leĝo de la naturo, per kio ĝi vivtenas sin vigla kaj eterna".

Poste mi restis kelkajn tutajn noktojn ĉe Fiordimona. Kelkfoje, dum la varmega vetero, ni senardigis nian volupttemon en la ĉarma lago de Clitunno. Ŝi naĝas kiel fiŝo, jam lerninte kaj ekzercinte tion – ĉiam nuda – ekde la infaneco. Tie ni vekis la cignojn, kiuj tie en grego vivas. Tiuj birdoj estas ŝiaj plej ŝatataj. Kie estas pli bela vivanta bildo de la volupto, se ili la kolojn interplektas kaj pro vivĝojo mallaŭte krietas . . .

*El la letera romano „Ardinghello"*
*Trad.:* KAZONOVA

---

## Kobayasi Takizi

# La 15a, marto, 1928

*El la japana lingvo tradukis Nukina Yositaka. Eldonis Japana Esperanta Librokooperativo, 1987, 112 paĝoj, 129 × 182*

La 15a de marto 1928: la tago de aresto de pli ol mil revoluciaj laboristoj, de komunistoj, en Japanio. Arestado, nervoziga atendado, kruela, bruta torturado fare de la politika polico, kaj ek al juĝa enketo kaj kortumo. Jen la etapoj de priskribita grupo de laboristoj, kiu servas kiel ekzemplo por multaj. Kvazaŭ dokumento, kaj tamen ekstreme premanta la koron de la leganto, la libro, verkita nur kvin monatojn post la titola dato, montras per kruda, nova, proleta realismo unu epizodon de la longa, malfacila vojo de Komunista Partio de Japanio (tiam ankoraŭ neleĝa), kies anoj malgraŭ timoj pro la turmentaj reagoj de la imperia regno fieras pri la fortiĝinta komunista movado, sentante sin membroj de la internacia proletaro kaj sur la ĝusta kaj justa vojo de la lukto kontraŭ sia malriĉa kaj senrajta laborista vivo.

Hodiaŭ ni scias ke multaj el la tiam arestitaj restis en prizono ĝis 1945. Kaj ni bone komprenas, nun retrorigardante, la konekson de la tiama sensukcesa agresema ekstera politiko, de la kreskiĝanta ekonomia krizo kaj de tiu ĉi reakcio de la japana imperiismo kontraŭ interna progresemo.

Cetere la tuta libreto bone respondas al la rakonto: kovrile dukolora desegnaĵo de renoma japana pentristo (Komatu Masuki. Skizo pri Otaru), klarigoj pri la pentristo kaj la verkaro de la tradukinto, komence de la libro fotografaĵo de la aŭtoro, post la rakonto traktato de Miyamoto Masao (Kobayasi Takizi, Liaj vivo, epoko kaj verkoj), kiu ankaŭ aldonis al la rakonto kelkajn klarigojn por nejapanoj, informoj pri la tradukinto kaj pri la propraj nomoj en la verko fine de la libro.

*Ulrich Becker*

Fritz Wollenberg

# Grava kontribuo al moderna Zamenhof-bildo

**Pri la klopodoj de Canko Murgin modernigi la Zamenhof-bildon laŭ la bezono de la internacia pacmovado**

*„Nur plena konscio pri la irota vojo donas al la marŝantoj sufiĉe da energio por kontraŭbatali ĉiujn malfacilaĵojn, kiuj troviĝas sur la vojo."*

L. L. Zamenhof, 1910[1]

## Rezulto de kontinua kaj necesa laboro

De post 1979 la funkciulo de la bulgara Esperanto-movado, iama prezidanto de MEM, Canko Murgin, kontinue publikigas rezultojn de sia prizamenhofa esplorlaboro.[2] En 1985 aperis en Sofio modeste aspekta 66-paĝa broŝuro, kiu unuigas 8 studojn de Murgin el la jaroj 1980–1984. La kontinueco de tiu ĉi laboro sur ne tre vaste kultivita tereno estas meritplena. Specialan gravecon ĝi akiras per la persiste alstrebata celo mobilizi ĉiun racian grajneton el la Zamenhof-ideologio por la aktuala batalo por paco kaj progreso. Murgin laŭsperte konanta la vastecon de la internacia pacmovado sin direktas al vasta diverstendenca publiko, al ĉiuj progresemaj, ĉiuj pacdefendaj kaj pacamaj esperantistoj de la mondo, kiujn li rigardas legitimajn heredantojn „ne nur de la Lingvo Internacia, sed ankaŭ de ĉiu racia grajneto el la Zamenhof-ideologio".[3] Miaopinie la entrepreno de Murgin meritas atenton kaj kunlaboron ankaŭ per kritika diskuto pri liaj esplorrezultoj. Mi rigardas lian kolekton de studoj kiel gravan diskutindan kontribuon al moderna scienca Zamenhof-biografio. Jes – ni jam disponas pri brilstilaj verkoj ekzemple de Privat, Boulton kaj Waringhien, ni disponas pri la ampleksa verko de Ito Kanzi. Ili kaj aliaj esplorantoj grave kontribuis al la evoluo de la zamenhofologio kiel respektinda parto de la esperantologio. Tamen la ideologion de Zamenhof ĉiu zamenhofologo pritraktis kaj pritraktas laŭ sia propra ideologio. Sekve ni nun travivas disputon pri la Zamenhof-bildo en la Esperanto-movado pro la diferencaj mondkonceptoj reprezentataj en nia mondvasta lingva komunumo.[4] La movado povas akcepti jenajn kontribuojn, kiuj surbaze de historiaj faktoj science ekzakte kaj konforme al la historiaj spertoj de la movado kaj de la tuta homara historio kritike aprezas vivon kaj verkon de la fondinto de Esperanto kaj partoprenas la difinon de ties kontribuo al la pliriĉiĝo de la homara scio kaj al socia progreso. Tiaj kontribuoj helpas al la movado trovi ĝustan orientiĝon en la hodiaŭa mondo. Murgin komprenas tiun bezonon. Li, aprezante kaj konsiderante la kontribuojn de la menciitaj zamenhofologoj, ĉeflinie nodiĝas al la verko de Ernest Drezen.[5] La neceson de novaj studoj li klarigas per „bezonoj de novaj generacioj, . . . reveno al ignoritaj faktoj" kaj „malkovro de novaj dokumentoj".[6]

Nehazarde li propravorte ricevis la instigon el GDR de la esperantistoj en Kulturligo. En 1979 li estis invitita al Internacia Seminario pri „Soci-politikaj aspektoj de la Esperanto-movado" en Bad Saarow ĉe Berlin por prelegi „Pri la ideologio de Zamenhof".[7] De post la komencoj de sia organizado en Kulturligo en 1965 la esperantistoj en GDR kultuaras tradiciojn el la historio de la Esperanto-movado. Unuavice pro la aktualeco la esplorado kaj priskribado de tradicioj de la Laborista Esperanto-movado estis instigataj. Sed ankaŭ ne mankis la kritika alproprigo de la Zamenhofa heredaĵo. Tion pruvas ofta apogo de aŭtoroj en la GDR-eldonoj de PACO kaj en „der esperantist" sur la Zamenhofa humanismo. Ofte oni argumentis per Zamenhof-citaĵoj. Ekzemple jam en 1966 Nikola Aleksiev indikis, ke „kune kun la lernado de la lingvo Esperanto estas kultivataj ankaŭ la noblaj ideoj kaj sentoj pri humanismo, strebado al fortikigo de la amikeco inter la homoj kaj triumfigo de l' eterna paco sur la tero" kaj ke „Portanto de tiaj ideoj kaj sincera kontraŭulo de la milito estis dum sia tuta vivo ankaŭ la aŭtoro de Esperanto mem, d-ro Zamenhof".[8] Simile aliaj funkciuloj kiel Rudi Graetz,[9] Nguyen Van Kinh,[10] kaj Detlev Blanke[11] esprimis sian opinion. Kelkfoje aŭtoroj argumentis per Zamenhof-citaĵoj kontraŭ „pseŭdoneŭtralismo", ekzeple profesoro Podkaminer[12] kaj Hans Eichhorn.[13] Esperantistaj grupoj motivigis porpacan agadon per apogo je Zamenhof, tiel faris la Dresdena grupo en 1969.[14] Jam en la 70-aj jaroj estis sentata manko de plena scienca Zamenhof-biografio por la aktuala argumentado. Stereotipe oni uzis kelkajn Zamenhof-citaĵojn aŭ nebule citis lian spiriton pro manko de profundaj esploroj kaj prezento de tiu ĉi spirito. Unuan ampleksan studon publikigis la unua prezidanto de la Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR, Rudi Graetz. En la GDR-eldono de PACO 1971 li rememorigis pri la Zamenhof-studo de Drezen, kaj sur ĝia bazo li donis pli profundan superrigardon „Pri la ideologiaj konceptoj de L. L. Zamenhof" alvokinte la esperantistojn omaĝi „per konstanta humanisma agado . . . la progreseman strebadon de d-ro L. L. Zamenhof kaj lian pacamon".[15] En tiu artikolo kaj same ankaŭ en CLR-kunsido[16] li pri tradicioj montris la kontraŭdirecon de la Zamenhof-ideologio, al kiu ankaŭ povas nodiĝi vastaj pacifismaj-neŭtralismaj rondoj de la internacia Esperanto-movado.[17]

Fine de la 70-aj kaj komence de la 80-aj jaroj, kiam mondvaste la konfliktoj pri la kultura heredaĵo de la homaro pliakriĝis kaj ankaŭ la esperantistoj estis devigataj poziciigi sin en la batalo por konservo de la homara kulturo, pli aktualiĝis studoj pri la humanisma koncepto de Zamenhof. Konkludoj tiurilate estas deriveblaj el la grava rekomendo, kiun la II-a Mondkonferenco de UNESKO pri kulturpolitiko akceptis en Meksikio en 1982 pri la temo „Konservo kaj prezento de la kultura heredaĵo / La paco kaj la konservo de la kultura heredaĵo".[18] En GDR la jubileoj pri Voltaire (1978), Lessing (1979/81), Goethe (1982) kaj Luther (1983) ankaŭ influis la sintenon de la GDR-esperantistoj al la burĝaj-humanismaj tradicioj de la Esperanto-movado. Sur tiu ĉi fono estas kompreneble, ke GDR-esperantistoj plue subtenis la entreprenon de Murgin kaj represis liajn prizamenhofajn studojn en la GDR-eldonoj de PACO de post 1980 ĝis hodiaŭ.

## Serĉado de raciaj grajnetoj

Sian esplorlaboron Murgin mem priskribas kiel serĉadon de raciaj grajnetoj el la Zamenhof-ideologio kelkloke ek-

zistantaj inter la amasega balasto.[19] Pri la sukceso de tiu entrepreno ne nur decidis lia klara celo kaj progresema aktuala motivigo. La uzitaj metodoj grave influis la rezulton. Murgin analizas kaj provas priskribi la evoluon de gravaj ideoj ĉe Zamenhof kun ĝiaj kontraŭdireco kaj diverstendencaj efikoj. Li ekzemple difinas la internan ideon kiel „specon de ideologio en la Esperanto-movado", kiun „Zamenhof derivis el la internacilingva ideo" supozanta, ke „paralele kun la vastigado de Esperanto en la internacia sfero el ĉiu interkonsiliĝo kreskos firma interkonsentiĝo fare de la nacioj kaj ŝtatoj", kies efiko „estos malebligo de militoj kaj starigo de eterna paco en la internacia vivo".[20] Murgin montras, ke la pacifisma idealo pri la unuigo de la homaro per komuna planlingvo jam aperas en la Zamenhofa praesperanta himno de 1878, poste reaperas en la poemo „La Espero" (1891) kaj havis koheran funkcion „en daŭro de dekkelkaj jaroj dum la Esperanto-movado estis miniatura".[21] Fundamentan revizion de la Zamenhofa starpunkto Murgin konstatas por la jaro 1895 priskribante ĝin kiel sekvon de la Zamenhofa ekdubo pri la pozitiva efekto el la paciga efiko de la Esperanto-funkciado.

El la Zamenhof-citaĵo „... la Lingvo Internacia per si mem certe ne volas altrudi al la homoj tian unuiĝon" (1900) li konkludas redukton pri la rolo de Internacia Lingvo. Por la jaro 1905 Murgin konstatas revenon de Zamenhof al la unua koncepto kaj por la lastaj dek jaroj de la Zamenhofa vivo denove nur la traktadon de Esperanto kiel rimedon. Ekzemplodona estas konsekvenca prezento de la evoluo kaj kontraŭdireco de Zamenhofaj ideoj rilate al la ĝenerala historio, al la tiutempa historio en Rusio kaj Pollando kaj al la historio de la Esperanto-movado. Murgin ekzemple elstarigas la influon de la revoluciaj eventoj en Rusio (1905–07) al Zamenhof kaj ties ideoj. Li prilumas rilatojn de esperantistaj gvidantoj al Zamenhof por priskribi la esencon de la „interna ideo" en ĝia dua stadio (1906–1912). Li karakterizas tiun „renovigitan internan ideon" kiel daŭrigitan „tradician esperantistan pacifismon",[22] kiel eblecon por Zamenhof „propagandi la esencon de la homaranismo sub la flago de la pli akceptebla kaj pli konata interna ideo".[23] kaj trie kiel ‚ŝelon sen enhavo' aŭ ‚sakon plenŝtopitan per balasto' do eblecon, kolekti „ĉiujn ismojn fakte aŭ ŝajne ligitaj al Esperanto kaj al la Esperanto-movado sub la flago de la interna ideo".[24] Murgin ne haltas ĉe karakterizo sed ankaŭ entreprenas la provon montri ĝeneralajn politikajn sekvojn kaj kontraŭdirajn efikojn en la Esperanto-movado. Kaj la „naskiĝo de la pacideo inter la esperantistoj, ... la pozitiva rolo en tute sporadaj kazoj de konkreta kaj socie utila aplikado de la esperantista pacifismo, ...," la karakterizo de la „Esperanto-movado kune kun sia interna ideo (esperantista pacifismo) ... ĝis la jaro 1905" kiel „unu el la internaciaj movadoj kun progresema tendenco en sia disvolvo" kaj la „politike anakronisma kaj ideologie misgvida esperantista pacifismo reaperinta en la epoko de kontraŭimperiismaj revolucioj"[25] dialektike estas konstatitaj en la Murgina analizo. Tia maniero de prezentado eblas, ĉar por Murgin la spirita evoluo de Zamenhof tiutempe estas „esplorproceso dum la serĉado de konvena ideologio por la Esperanto-movado".[26] Por ricevi aktualajn konkludojn Murgin esploras la sorton de Zamenhofaj ideoj en la Esperanto-movado post la morto de Zamenhof. Li raportas pri la degenero de la Pacifisma Esperanto-Organizo, pri la manovro de Olŝvanger substitui la „aktuale brulantan problemon ‚paco – militarismo' per flanka, jam malnoviĝinta kaj ne tiom aktuala problemo ‚homo – dio'" (1926),[27] pri la alarmo de Demidjuk „pri la erara maniero de traktado rilate al la interna ideo". Per la atentigo pri la procedo de ioma post ioma substituo „de esperantista pacifismo ... per aktiva pacdefendo, per la konkreta batalo kontraŭ la faŝismaj kaj imperiismaj fortoj" antaŭ la Dua Mondmilito[28] Murgin konsciigas progreseman tradicion. Per la atentigo pri la klopodo de politikaj reakciuloj post la Dua Mondmilito mise kaj fuŝe traktadi la internan ideon li konsciigas regresan tradicion de la nodiĝo al Zamenhofaj ideoj.[29] Por kompreno de la Zamenhofa mondkoncepto kaj ties evoluo kaj efikado gravas malkaŝi la fontojn. Murgin kaj montras kelkajn fontojn de Zamenhofaj pensoj kaj prezentas, kiamaniere Zamenhofaj pensoj mem estiĝis fontoj por nuntempaj klopodoj elstarigante la humanisman tradicilinion. Komenciĝas la broŝuro per indiko al René Decartes, kiu „el sciencfilozofia vidpunkto ... unue formulis" la ideon „pri starigo de planlingvo en la sfero de internaciaj kaj interŝtataj rilatoj".[30] La hodiaŭ plej grandajn Esperanto-organizojn Murgin karakterizas jene: „La unigita UEA bone gvidas la internacian Esperanto-movadon ... La ĉefa tasko de UEA estas la realigo de la internacilingva ideo per starigo de planlingvo, kia estas la Lingvo Internacia (Esperanto), en la internaciaj kaj interŝtataj rilatoj en monda skalo."[31] „En la personeco de MEM kaj ties presorgano – la internacia Esperanto-gazeto „Paco" – la pacstreba testamento de d-ro L. L. Zamenhof trovis sian plej nelacigeblan realiganton kaj perfektiganton."[32]

Murgin plenumas, kion li promesas en la antaŭparolo. Li ankaŭ penas kontribui al moderna Zamenhof-bildo per reveno al ignoritaj faktoj. Li direktas la atenton de la leganto ekzemple al interesaj dokumentoj, ekz. al letero de la „revolucia esperantisto" d-ro Asnes[33] al la prezidanto de la lingva komitato profesoro E. Boirac kaj mencias leteron de la unua esperantista socialdemokrato en Bulgario Penko Petrov al Doktoro Zamenhof[34], por malkaŝi eblajn influojn el revolucia movado al Zamenhof. La vizion de Zamenhof pri estonta homa socio deklarita en 1907 en la Guildhall de Londono Murgin pritraktas kiel de aliaj Zamenhof-historiografoj ne sufiĉe atentita tria socia platformo de Zamenhof post Hilelismo (1901) kaj Homaranismo (1906). Laŭ li specialan signifon jenaj vortoj akiras per ĝiaj civila karaktero (kontraŭe al la du aliaj religiprincipaj platformoj) kaj optimismo: „Longe daŭros ankoraŭ malluma nokto sur la tero, sed ne eterne ĝi daŭros. Venos iam la tempo, kiam la homoj ĉesos esti lupoj unuj kontraŭ aliaj. Anstataŭ konstante batali inter si, elŝiri la patrujojn unuj al la aliaj, perforte altrudadi al si reciproke siajn lingvojn kaj morojn, ili vivos inter si pace kaj frate, en plena interkonsento ili laboros sur la tero, sur kiu ili vivas ..."[35] Se Murgin nun elstarigas la lastan frazon de tiu vizio, en kiu Zamenhof esprimis la esperon, ke la esperantistoj realigu ĝin, li ricevas mezurilon por la agado de la esperantistoj en la spirito de Zamenhof. Jam rilate al la interna ideo Murgin elmontris la kontraŭdiron inter celo kaj vojo ĉe Zamenhof. Li karakterizis ĝin paralogismo, kies „intenco estas bonega, sed li sin direktas laŭ vojo ne kondukanta al realigo de la noble starigita celo".[36] Tiun kontraŭdiron ankaŭ enhavas la supra citaĵo. Ĝi troigas la rolon de la esperantistoj tiurilate. Tamen restas la ĉefa mezurilo por agado en Zamenhof-spirito la kontribuo al la realigo de liaj noblaj idealoj. Murgin konstatas „novan tendencon" en la Zamenhofa pensado, nome ekkonsciiĝon pri la ĝustaj fortoj, pri la ĝusta vojo por realigi la vizion.

## Trovo de socialismaj grajnetoj?

Vere la vizio de 1907 desegnas la bildon de nova socio. Konvinke Murgin povas priskribi raciajn grajnetojn en la Zamenhof-ideologio. Mi ankaŭ devas agnoski lian aserton de nova tendenco en la disvolvo de tiu ideologio. Sed la enhavon de tiu ĉi nova tendenco mi ne povas kompreni en la de Murgin klarigita senco kiel kaŝa socialismo. Konvinke Murgin atentigas pri influoj de la kontraŭimperiisma revolucio en Rusio (1905–07) al Zamenhof. Tamen tiu ĉi ne forlasas la pozicion de burĝa demokrato. Li sin rigardis staranta en la tradicio de la „granda revolucio" en Francio, „kiu la unua proklamis la raj-

tojn de ‚homo'".[37] La rilato al Lenin kaj la laborista klaso estas tia de aliancano pro la samaj malamikoj: militarismo, ŝovinismo, rasismo, imperiismo. Lia rilato al la laborista klaso estas tia, ke li konsciiĝis pri la demokrataj tradicioj de tiu ĉi klaso.[38] Influon de Marx kaj Engels Murgin asertas, sed ne pruvas. Tutcerte Zamenhof ne estis protagonisto de la socialismo sed estiĝis aliancano de tiuj fortoj, kiuj estis la protagonistoj. Tamen Murgin pravas, ke en tiu socio efektiviĝas la idealoj de Zamenhof. La nova tendenco ĉe Zamenhof estis plirealismiĝo de sociaj ideoj. De la pozicio de burĝa demokrato li kritikis la imperiismon kaj ties malhumanismajn tendencojn, ŝercante elirvojon.

Kontraŭimperiisman tendencon Murgin ankaŭ povas pruvi en kontribuoj pri la evoluo de Zamenhofaj kunlaborantoj. Ni sciiĝas pri Alfred Thonney, Julio Mangado Rosenörn kaj pri Felikso Zamenhof.

**Daurigu la laboron!**

Memkompreneble mi ne povis prezenti la tutan enhavoriĉecon de la Murgina broŝuro. Mi nur volis skizi, kiamaniere la konata bulgara aŭtoro kontribuas al moderna Zamenhof-bildo konvena al nuntempaj bezonoj. Spite la troigoj de ideologia proksimeco al socialismo Murgin kapablas trafe karakterizi la disvolvon de Zamenhofaj ideoj kaj montri la historian personecon de la fondinto de Esperanto. Laŭ la ekzemplodonaj metodoj de Murgin necesas plua esplorlaboro. La studoj de Murgin estas esperplena komenco.

**Literaturo kaj fontoj**


1. L. L. Zamenhof, Originala Verkaro, Eld. J. Dietterle, Leipzig, 1929, p. 395 (OV)
2. Artikoloj de Murgin en GDR-eldonoj de PACO:
   1980, L. Zamenhof dum la revolucio en Rusio (1905–1907)
   1981, L. L. Zamenhof dum la revoluciprepara periodo (1910–1914)
   1982, L. L. Zamenhof pri la interna ideo de la esperantismo
   1983, L. L. Zamenhof pri la internacilingva ideo, Pri generalo Mangado
   1984, L. L. Zamenhof pri Perfektigo de la Homaro
   1986, Rompu la murojn inter la nacioj kaj rekonstruu la homaron!
   1987, Puŝkin, Zamenhof kaj nia epoko
3. Canko Murgin, Progresemaj momentoj en la ideologio de L. L. Zamenhof, Kolekto de studoj, Bulgara Esperantista Asocio, Sofio, 1985, p. 15 (PM)
4. Komparu: Fritz Wollenberg, La disputo pri la Zamenhofa heredaĵo, en GDR-eldono de Paco 1987
5. Ernest Drezen, Zamenhof, en Sociopolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado, eldonis: Hungara Esperanto-Asocio, Budapest, 1978, redaktis: Detlev Blanke
6. PM, p. 3
7. PM, p. 3
8. Nikola Aleksiev, La taskoj de la esperantistaro en la pacbatalo, en GDR-eldono de Paco 1966, p. 4
9. Rudi Graetz, La ĝusta sinteno de Esperantisto, en: der esperantist 20/21, p. 6
10. Nguyen Van Kinh, Esperanto serve al internacia amikeco kaj mondpaco, en: der esperantist, 63/64, p. 5
11. Detlev Blanke, Kial venkis Esperanto, en: der esperantist 73/74, p. 22
12. Prof. S. Podkaminer, Neŭtralismo kaj Pseŭdoneŭtralismo en Esperanto-Movado, en: der esperantist 7/8
13. Hans Eichhorn, Denove pri Neŭtralismo, en GDR-eldono de Paco 1968
14. Dresdner Esperantisten gedenken Zamenhofs, en: der esperantist 28/29
15. Rudi Graetz, Pri ideologiaj konceptoj de L. L. Zamenhof, en: GDR-eldono de Paco 1971, p. 35–37
16. CLR – Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR (De 1965 ĝis 1981 la estraro de la organizitaj esperantistoj en Kulturligo de GDR)
17. Rudi Graetz, Tradicioj, en: der esperantist 46, p. 5–8
18. Konservo kaj prezento de la kultura heredaĵo / La paco kaj la konservo de la kultura heredaĵo, en: MONDIA CULT, Mondkonferenco de UNESKO pri kulturpolitiko, Meksikio 1982, Dokumente, Berlin 1983
19. PM, p. 15
20. PM, p. 11
21. PM, p. 12/13
22. PM, p. 19
23. PM, p. 21
24. PM, p. 21/22
25. PM, p. 19
26. PM, p. 21
27. PM, p. 22
28. PM, p. 24
29. PM, p. 25
30. PM, p. 5
31. PM, p. 45
32. PM, p. 25
33. PM, p. 30/31
34. PM, p. 31/32
35. OV, p. 383
36. PM, p. 14
37. L. Zamenhof, Letero al D-ro Javal 9/IV, 06, en: La nica Literatura revuo, 4, Nr. 23,5/1959
38. Komparu: Fritz Wollenberg, La realismo de revulo, en: GDR-eldono de Paco 1985


---

**Julius Balbin:**

# Strangled cries

Translated by Charlz Rizzuto.
New York: Cross-Cultural Communications Merrick, 1981, 24 p.
(Cross-Cultural Review Chapbook 8)

Traduko de Esperantaj poemoj en naciajn lingvojn estas tre malofta fenomeno. Tradukis en la anglan iujn poemojn William Auld, en la nederlandan Wilhelm Verloren van Themaat k.a. En 1981 aperis kajero kun poemoj de Julius Balbin en Esperanto kaj paralela traduko en la anglan. Estas konate, ke Balbin estas lingvisto, Associate Professor por la angla en kelkaj usonaj universitatoj. Malpli konata estas lia persona sorto. Naskita en Krakovo/Pollando li trasuferis la persekuton flanke de germanaj nazioj kaj estis en kvar koncentrejoj, inter ili Mauthausen kaj Linz. La nazioj murdis multajn membrojn de lia familio. Ĉi tiu bruna-nigra tempo profunde stampis lin kaj instigis lin verki poemojn pri la travivitaj teruraĵoj. Mi trovas tre bonvene, ke en Esperanto aperis kaj certe ankoraŭ aperos literaturaĵoj pri la krimoj de la „Tria Regno". Tio estas des pli necesa, ĉar ne malmultaj homoj denove rilatas indiferentaj al la pasinteco. Eĉ reaperas novfaŝismaj organizaĵoj en okcidentaj landoj, „tute legale", ĉar ili ne subfosas la konstitucion. En tia klimato ankaŭ eĉ iuj homoj rajtas publike aserti, ekzemple en USONO, ke naziaj koncentrejoj tute ne ekzistis kaj nur estas propaganda invento de judoj kaj komunistoj. Pro tio la poemaro de Balbin „Strangles cries" (strangolitaj krioj) estas grava, ĉar ĝi reflektas liajn koŝmarojn. Jen ekzemplo:

**Ĉi-nokte**

*Ĉi-nokte*
*la silento de mia ĉambro*
*pezas sur mia brusto.*
*Dum mi horortremas*
*la silento de mia ĉambro*
*morttukvolvas milionojn,*
*la utero*
*de l' abortigita*
*mondo.*
*La silento de mia ĉambro*
*forglutis*
*la vekriojn*
*de mia pasinteco.*
*La silento de mia ĉambro*
*estas graveda*
*kun la sono*
*de via voĉo*
*diseĥanta*
*la plorveojn*
*de tiu tago*
*kiam ni estis*
*disigitaj.*
*La silento de mia ĉambro*
*atendas pacience*
*tamen vi*
*ne vokos min*
*ĉi-nokte.*

La libreto enhavas 6 poemojn. Kiel neanglo mi ne povas juĝi la anglan tradukon, kiu aperas paralele el la poemoj. Sed legante, ke la tradukinto Charlz Rizzuto nur dum „the past two years" (la lastaj du jaroj) antaŭ la traduko interesiĝis pri Esperanto, venas duboj ... Sed certe Balbin mem kontrolis la adekvatecon de la traduko. Ĉe la fino la libreto enhavas informojn pri Esperanto kaj ĝia strukturo.

*D. Blanke*

# Internacia lingva komunikado

*Konferencaj materialoj – V. Lodza Universitato. Lodzo, 1986. 165 pp.*

Ĉiujare okazas konferenco sub la titolo „Internacia Lingva Komunikado", organizita fare de la Studenta Scienca Esperanto-Rondo de la universitato en Łódź. La konferenco en la jaro 1986 estis dediĉita al la problemoj: la lingvo universala kaj la kultura identeco kaj la tutmonda konscio, la ŝtataj funkcioj kaj problemoj de internacia lingva komunikado, Esperanto – ĉu nur lingvoscienca eksperimento?

La unuopaj artikoloj plejparte liveras interesan bazan materialon, ekzemple pri la ecoj de la lingvoj ĝenerale kaj pri la utileco de la lernado de fremdaj lingvoj (K. Krzysztofek)/I/, pri la rolo de la personeco en la lingva komunikado (T. Ejsmont)/II/, pri la eroj de la informsistemo (K. Jakubowicz)/III/, pri la neceso de informselektado (J. Marević)/IV/, pri la historio de la starigo de universala lingvo (A. M. Suskin)/V/, pri ideala lingvo universala (R. Lipnicki) /VI/, pri la parenceco de Esperanto rilate al la hindeŭropa pralingvo (I. R. Danka)/VII/, pri la signifo de la demografia faktoro por internacia rolo de lingvoj (J. Szałowski)/VIII/.

Mi citos kelkajn asertojn de la aŭtoroj, kiuj povus elvoki viglan opini-interŝanĝon:

„Esperanto havas plu la evoluoŝancojn, sed ekskluzive kiel la dua lingvo. Tio estas ĝia forto kaj malforteco. ... La malforteco – ĉar ... ĝi neniam akiros la gradon de komuma lingvo." /I, p. 22/.

„Kiel la plej superan stadion de la evoluo oni devas trakti atingon de plena optimumo de la procezoj de la internacia lingva komunikiĝado, kiu ebligos al la homunuo libere ĉerpi informojn el diversaj fontoj kaj lerte transformi ilin cele manifestacion de sia specifeco en komunikaj kaj kreivaj aktoj." /II, p. 42/.

Tiucele (t.e. – decentraligo kaj pluralismo de komunikiloj – T. D.) la disvolviĝantaj landoj devus, helpe de la evoluintaj landoj, ekagi por sin eltiri el la inform- kaj komunikdependecoj. La bazo de la nova monda informkomunika modelo devus esti la kolektiva aŭtarcio." /III, p. 59/. „Nur unu lingvo, unika al ĉiuj, liberigus la homojn de la lingvaj malfacilaĵoj." /IV, p. 74/.

„Elprofitante terminologion prenitan de la prilaboraĵo de Burney (= Pierre Burney, aŭtoro de la popularscienca prilaboraĵo pri internaciaj lingvoj „Les Langues Internationales. Que sais-je?" Nr. 968, Ed. 2. Paris. Presses Universitaires de France. 1966, p. 126 – T. D.) oni povas postuli, ke al militmalarmiĝo akompanu lingvistika malarmiĝo." /V, p. 86/.

„La Lingvo Universala devus esti sistemo plene logika, plene racia. Ĝi devus esti la sistemo pri disdivido de okazaĵoj je kategorioj, grupigitaj en bazaj klasoj, subklasoj ktp. ebliganta raciecon, precizecon kaj riĉecon de la vortaro. ... Ĉi tio ebligos kreadon de vortoj kiuj ne nur nomos la objekton aŭ aĵon sed kiuj samtempe difinos la lokon de la nomata objekto aŭ ajo en la tuta sistemo de okazaĵoj kaj objektoj el kiuj konsistas la ekkonita, dum certa etapo, Universo." /VI, p. 91/.

„... internacia lingvo multe profitus, se ties kreantoj konscie ligus al la hindeŭropa vortaro kaj gramatiko, kiuj vivas ĝis nun en dekoj de la plej vivopovaj kaj konataj lingvoj de la mondo. Ĝuste pro tio oni ne povas eviti la rilaton inter lingvo internacia – koheriganta ĉion komunan – kaj lingvopramodelo, de kiu devenas ĉio komuna." /VII, p. 106/.

„La ligoj altruditaj dum la kolonia epoko pluekzistas sub la formo de novkoloniismo, kies grava apero estas dependeco sur kampoj de kulturo kaj lingvo, lastatempe oni nomas kultura aŭ lingva imperiismo. Alie (? – T. D.) ol la afrikaj landoj, la landoj aziaj posedantaj pli profundan civilizacian kaj individuecan bazon, pli facile povas venki influojn de fremdaj kulturoj."* /VIII, p. 126/.

Videblas, ke la tradiciaj diskutoj, eĉ disputoj koncerne la aspekton kaj rolon de internacia lingvo daŭras, kelkaj tute utopiaj konvinkoj ne korektatas, kvankam la monda lingva evoluo jam klare montras realismajn solveblecojn.

Estus dezirinde, ke estonte dum similaj konferencoj estu antaŭviditaj ankaŭ kontraŭreferaĵoj, se estos anoncitaj tro subjektivaj prijuĝoj de difinitaj problemoj.

Tre rekomendinda estas la tridek-kvinpaĝa „Enkonduka bibliografio al la problemo de la internacia lingva kominikado (1. Libroformaj publikaĵoj, 2. Artikoloj), kompilita de Halina kaj Tadeusz Ejsmont, en kiun ili envicigis ĉirilatajn verkojn kaj kontribuojn ekde la jaro 1904 ĝis 1982.

*Till Dahlenburg/GDR*

## Kien skribi:

**Honora prezidanto:** Nikola Aleksiev, str. Nezabravka 1, vh. 2, 1113 Sofia, Bulgario
**Prezidanto:** D-ro Imre Pethes, H - 1144 Budapest, Füredi ut. 11/A VI. 26, Hungario
**Vicprezidantoj:** William Gilbert, 30 rue Croix-Montoire, 37100 Tours, Francio
Claude Glady, 36 Marne str., B - 1030 Brussel, Belgio
Magomet Isaev, prosp. Kalinina 14, Moskva K-9, USSR
**Ĝenerala sekretario:** Clément Tholet, 54 Rue des Hineux, 4400 Herstal, Belgio
**Sekretarioj:** Nanba Syôzi, Huruiti 3-13-26 Zyôto-ku, Osaka, Japanio
Vasja Cvetkova, kompl. „Mladost" bl. 16, vh. 2, ap. 36, et. 7, Sofia, Bulgario
**Ĉefredaktoro:** Violin Oljanov, Emil Markov, PK 66, 1404 Sofia, Bulgario
**Centra kasisto:** (por la okcidentaj landoj) Pierre Jouvin, 14, rue Tjier, 76120 Grand Quevilly, Francio (p. ĝ. k. – CCR-Rouen, 102-45 P).

## Atentigo:

*La Redakcio atendas kontribuaĵojn de pacamikoj el la tuta mondo. Ju pli da kunlaborantoj, des pli varia kaj interesa revuo. Pro la nesufiĉa spaco la materialoj ne estu pli longaj ol 60 tajpitaj linioj, nur en gravaj okazoj ĝis 90. Ili estu prefere tajpitaj aŭ tre klare mane skribitaj kun sufiĉa interlinia spaco kaj marĝeno, sur folioj de formato A 4. La Redakcio akceptas nur originalajn (unuajn) ekzemplerojn de la tajpaĵo. Kopioj estas lasataj sen konsidero. Por ke la materialo atingu la Redakcion ĝustatempe, ĝi devas esti je ĝia dispono ĝis la 10-a de ĉiu para monato. La Redakcio ne resendas neuzitajn materialojn. Skribu klare viajn nomojn kaj adresojn en nacia lingvo! Ĉion sendu al la adreso de la Redakcio „Paco", 1000 Sofia, PK 66, Bulgario.*

## Pri la aperado de „Paco"

La internacia revuo „Paco", organo de la Mondpaca Esperantista Movado (MEM) aperadas en du serioj. La oficiala serio aperas en Sofio per 6 numeroj, po 16 paĝoj. Krome unuopaj landaj sekcioj de MEM eldonas landajn kajerojn (ofte ekz. ĈSSR, Japanio, ĉiujare GDR).
Pri la enhavo de 6-kajera oficiala serio respondecas redakta komitato, al kiu apartenas: Violin Oljanov (Bulgario) – ĉefredaktoro, Veneta Valeva (Bulgario) – redaktoro, membroj de la redakta komitato: d-ro Detlev Blanke (GDR), William Gilbert (Francio), Kimiaki Kurita (Japanio), Nguyen Hai Trung (Vjetnamio).
**Tiun ĉi numeron redaktis d-ro Detlev Blanke, Berlin (GDR).**

## Kie aboni:

**Aŭstralio:** Sylvia M. Burkitt, 20 Grandview Street, Parramatta, New South Wales 2150
**Aŭstrio:** Ernst Quietensky, Pappenheimgasse 70/3/12, A - 1200 Wien. Aŭ S. 130
**Belgio:** Claude Glady, 36 Marne str. 1030 Bruxelles B. Fr. 360
**Berlino Okcidenta:** Roland Schnell, Mökkernstr. 71, D - 1000, Berlin 61 (Poŝtĉekkonto Stgt. 137769-701) DM 24
**Brazilo:** F-ino Elma do Nascimento, str. D. Claudina Nr. 100, apt. 402, Rio de Janeiro, RJ-CEP 20 721 Cr. $ 65

